# REGO

 **RUSIA ESPERANTO-GAZETO** 

*komuna eldono de REU kaj REJM* **№ 4 (6) septembro 2001**






***Moskvo, 2001***

# PERFEKTA TENDARO?

OkSEJT-41

Unue, OkSEJT-41 okazis. Due, ĝi okazis sukcese.

Jen la ĝeneralaj aferoj: partoprenis 129 personoj. Krom rusianoj kvazaŭ simbole ĉeestis esperantistoj de Okcidenta Eŭropo, Senegalio, Ĉinio kaj Ukrainio (ĉiuj po unu). Preskaŭ tutan tempon, krom la lasta tago (normala afero, ĉu ne?), la vetero estis bonega.

La programo ĝenerale pasis glate kaj varie (sed se necesas pri io grumbli, do pri ĝi – foje unu el kvin paralelaj aferoj ne okazis, foje pro la tro longa Neptunfesto redatiĝis spektaklo de ĉeboksaranoj). Meze de la tendaro okazis ekskursoj al Kovrov, Mstjora, Vladimir kaj Suzdal. Dum tiuj tagoj matene la tuta neekskursanta tendaranaro dormis ĉu enlite, ĉu enkunside (REJM kaj REU). Dufoje okazis relative amasa lignofajra kunkantado, kelkfoje diskotekoj – kun ne pli multaj dancintoj.

La lingvonivelo laŭ pluraj atestoj estis multe pli alta ol kutime – i.a. verŝajne, ĉar en la tendaro oni rezignis la jam delonge nefunkciantan Verdan Policon kaj enkondukis Lingvan Komisaron – kiu ĉasis kaj reklamis ne kriplajn E-rusajn sensencaĵojn, sed belajn kaj interesajn frazojn en pura Esperanto. Oni multege uzis la E-proverbojn, kiujn ĉiuj devis studi laŭ kondiĉoj de la partopreno. Naskiĝis kaj populariĝis ankaŭ kelkaj novaj proverboj.

La naturo estis belega. La kunvenejoj, kafejo kaj universala halo – ideale konvenaj. La manĝejo bonege nutris kaj ĉiam pretis doni aldonan porcion (kvankam ne ĉiam povis). Duŝejo kaj saŭno atingeblis dematene ĝisvespere (krom unu tago). Varma akvo el krano fluis ĉiam.

Do, ĉu tio estis perfekta tendaro? ... Certe ne, ĉar nenio perfekta ekzistas kaj i.a. ĉar sur blanka fono ajna nigra makuleto videblas pli klare. Kaj tiaj mankoj en komplikega skemo de E-tendaro estas neniel eviteblaj. Sed mi vere kompatas la organizontojn de sekvaj tendaroj. Ilia tasko por kontentigi la publikon ege malfaciliĝis (oni tro rapide alkutimiĝas al io bona).

***Andrej Grigorjevskij (Ivanovo)***

***

Mi ĵus revenis de la Okcidenta Somera Esperantista Junulara Tendaro (OkSEJT), kiu okazis apud la urbo Kovrov. Ĉi tiuj tagoj estis absolute neforgeseblaj, plenaj je mirindaj okazoj kaj renkontiĝoj, amuzaj ludoj kaj gaja babilado, interesaj prelegoj kaj pensigaj paroladoj. Dum la tuta tendaro regis vere familia etoso kaj... amo, certe! La lasta tago estis nomita ĝuste tiel – "La Tago de Amo".



Verdire estas iom malfacile priskribi la ĵus pasintan aranĝon, ĉar oni apenaŭ povas envortigi ĉiujn emociojn, sentojn kaj impresojn pri tiaj aranĝoj. Tiuj, kiuj iam partoprenis ilin, certe komprenos min. Eĉ kelkajn tagojn post la fino de OkSEJT mi mense kaj anime ankoraŭ revenas al Kovrov kaj rememoras la gajan kaj malsekan Neptunfeston, piedpilkan matĉon inter teamoj de viroj kaj virinoj (la fina rezulto estis 0:0, cetere!), koncertojn de Mikaelo Bronŝtejn kaj Griŝa Arosev, kaj

multajn aliajn ne malpli mirindajn eventojn. Mi sopiras pri miaj novaj kaj malnovaj amikoj, kaj ni jam planas kiam kaj kie ni povos renkontiĝi denove. Ni interŝanĝas tekstojn de kantoj, kiujn ni unue aŭdis dum OkSEJT, kaj kiuj trafis niajn korojn...

Ĉiuj rememoroj miksiĝas en la menso: seriozaj Esperanto-kursoj kaj ekzamenoj dum tago kaj freneza dancado nokta; konkurso pri bela legado, okazinta dank' al la ĉiam entuziasma Irina Gonĉarova, kaj vespera meditado, kiun gvidis doktoro Van; komunaj kantoj ĉe lignofajro kaj po-paraj promenadoj sub stelplena nokta ĉielo...

Reveninte hejmen inter aliaj leteroj mi trovis en mia poŝtkesto pli ol dek mesaĝojn de homoj, kiuj decidis lerni Esperanton per miaj retaj kursoj aŭ simple interesiĝas pri nia lingvo kaj esperantista movado. Do daŭros la informa kaj instrua laboro, kaj esperebl la kvanto de partoprenantoj de aranĝoj similaj al OkSEJT kreskos de jaro al jaro...

***Oleg Izjumenko (Podolsk)***

***

Esperanto-movado estas pli ol simple lingva hobio. Ĝi estas nova maniero de homaj rilatoj kaj mondkoncepto ĝenerale, kaj internacia komunikiĝo precipe.

Por mi la tendaro estas pli ol dek someraj tagetoj, ja ĝia preparado kaj atendado komenciĝis pli frue, kaj tiu ŝargo de energio, kiun mi ricevis dum ĉi tiuj sunaj tagetoj, finiĝos ne baldaŭ kaj ankoraŭ longe dum malvarmaj vintraj vesperoj varmigos mian animon. Estas tiel bone, ke mi loĝas en Rusio, ĉar ni, rusianoj, havas tian unikan renkontiĝon, kies nomo estas OkSEJT.



La unua sento, kiu aperis kiam mi eniris la tendaron, estis raviĝo pri la naturo, kiu ĉirkaŭis min. La dua sento estis nepriskribebla stato de ĝojo, kiam oni vidas malnovajn kaj novajn geamikojn. Pro ilia multnobreco naskiĝas senteto ke mi salutados ilin dum la unua duono de la renkontiĝo kaj poste la duan duonon mi devos adiaŭi ĉiun por neniun forgesi. Reale homoj venadis al la tendaro preskaŭ ĉiutage, kaj ankaŭ foriradis konstante.

OkSEJT-41 estis vere internacia renkontiĝo, kaj ĉi tio estas nur pluso, grandega pluso. Persone mi antaŭ OkSEJT dum longa tempo ne havis eblon paroli kun eksterlandanoj uzante ĉi tiun belan lingvon, kiu egaligas nin.

Parolante pri la programo de la tendaro mi povas diri ke ĝi estis tre diversa: ĉiu povis trovi interesan okupon por si mem. Mateno en la tendaro ĉiam komenciĝis ĝoje kaj gaje por mi, ĉar veki tiom multajn homojn estas tre amuze. Ĉiuj esperantistoj ellitiĝas diversmaniere kaj por ĉiu mi devis elpensi propran manieron de veko: de malvarma akvo ĝis kisoj. Tio dependis de du cirkonstancoj: mia humoro kaj karaktero de la tago. Kiel respondon mi kutime ricevis du aĵojn: aŭ dankon (kio okazis tre malofte), aŭ mi aŭdis: "Laci, iru...".

Al mi plaĉis ke en la programo estis horo kaj duono por Esperanto-kursoj kaj ĉiuj povis elekti propran varianton, ekzemple por komencantoj aŭ por startuloj. La programo ne finiĝis je la 24-a horo, estis ankaŭ kaj 25-a, kaj 26-a... kaj ĉiu tago kun granda malvolo cedis sin al la sekva. Ankaŭ por mi estis triste adiaŭi tagon, kiu estis tre interesa, kaj enlitiĝi por baldaŭ

akcepti la novan, ankaŭ interesan tagon.

En la "verda ĝardeno" al mi tre plaĉis laboro en grupoj, kiam dum tiu mallonga tempo naskiĝis tiaj geniaĵoj kiel, ekzemple, novaj lingvoj, prezentoj, ktp. Kaj nun mi certas ke ĉiujn problemojn necesas solvi kune, ĉar unu kapo estas bona, sed dekopo – pli bona. Post tagmanĝo okazis diversaj kursoj, kiujn mi volus viziti, sed ne havis eblon. Antaŭ vespermanĝo estis prezentado de grupa laboro kaj estis ebleco montri laboron de sia grupo kaj rigardi, kion amuzan faris aliaj teamoj. Post vespermanĝo ni kun plezuro aŭskultis famajn rusiajn Esperanto-bardojn, kaj krome estis malgranda ŝanco iomete dormi. Poste okazis refleksio speciale por ĉiuj teamoj, kie ĉiuj rakontis proprajn pensojn pri la tago kaj diris kio bona aŭ malbona okazis al ili dum la tago. Por mi estis interese kompari proprajn pensojn kun tiuj de la aliaj.

Poste komenciĝis, kiel mi opinias, la plej ĝoja kaj gaja tempo, kiam ĉiuj amuziĝis en barda kafejo aŭ diskoteko, vizitis tean ceremonion, sidis apud lignofajro ktp, – krom la organiza teamo, kiu devis pripensi la programon por la sekva tago kaj kutime ĉi tio daŭris ĝis mateno. Mi tre volus rakonti al vi pri nokta vivo en la "verda ĝardeno", kiu eble estis eĉ pli plena kaj aktiva, ol la taga, sed mi ne faros tion, ĉar rakonti per kelkaj frazoj estas ne interese.



En la tendaro mi iĝis REJManо, ĉi tio estas grandioza! Mi gratulas ankaŭ ĉiujn novajn REJManojn. En OkSEJT ĉio estis tre bona: vetero, naturo, geamikoj, laboro, ripozo, certe mi ne forgesis pri Neptunfesto, pri Tago de Amo, kaj mi memoras ĉiujn homojn kaj ĉiujn tagojn – eĉ sekundojn de la tendaro. Eble poste indus skribi ĉiujn nomojn de la partoprenantoj kaj al ĉiuj diri personan dankon, sed ĉi tio ne estas ebla, ĉar bezonas multe da spaco. Mi nur volus rememori kelkajn el ni: Grigorjevskije – dankon pro via grandega laboro, dankon al Kostik kaj al Sonjo, dankon al la koncertintoj, dankon al Saŝa Blinov, dankon al Vladimir Samodaj, al mia genia instruistino Irina Gonĉarova, al Garik, al Saŝenjka, al la doktoroj, al la foraj gastoj, dankon (specialan) al la "familio" de Zamenhofoj, grandan dankon al ĉiuj. Mi amas vin ĉiujn kaj atendas nian sekvan renkontiĝon. Ni renkontiĝos!

***Laci Neniam (Dolgoprudnij)***
***(Nokto inter la 2-a kaj 3-a de septembro, 2001)***

## MIA UNUA OkSEJT...

Kio estas OkSEJT por mi? Por mi OkSEJT estas viva figuro de Esperanta movado, ĝia korpo kaj sango... Antaŭ la tendaro mi ne vidis esperantistojn per propraj okuloj, ĉar mi lernis (kaj nun lernas) Esperanton per ret-kurso. Kaj en komenco de la tendaro mi tute ne povis kredi, ke per Esperanto oni povas normale interparoli. Mi volis veni al iu kaj demandi: "Ĉu vi parolas Esperante?" Sed en OkSEJT mi trovis ne nur esperantistojn, sed verajn samideanojn. Tie mi eksentis ke ni ĉiuj estas unu granda familio, ke mi estas ero de amika rondo, verŝajne, tutmonda amika rondo... (Ĥmmm, sed iam mi sentas, ke mi havas grandajn dentojn, kvar piedegojn kaj verdan voston – mi esperantistiĝis antaŭ nelonge).

La plej grava por novulo en la tendaro – ne perdi sin mem. En OkSEJT ĉiu homo havis sian teamon, kaj tio tre helpis al mi. En la unua tago mi partoprenis en la teamaj aferoj kaj enfluis en la tendaran vivon. Kaj en la sekva tago mi jam estis OkSEJTano. Ĉu mi devas rakonti pri la koncertoj, kursoj, noktaj lignofajroj, barda kafejo, ludoj, konkursoj, bela naturo, Neptuna festo, teatraĵoj kaj humuro de Garik? Ĉio estis bonega! kaj tre plaĉis al mi.

Do, se mi veturis en la urbon Kovrov (apud kiu okazis la tendaro) sole en buso, do post OkSEJT mi petveturis en Moskvon kun la amikoj. Ĉu tio estis vera esperantistiĝado? Post kelkaj tagoj mi estis demandita: "Kiel vi fartas?" Kaj mi refaris proverbon: "Mi rigardas la mondon kiel homo, kiu partoprenis en OkSEJT!"

***Aleksandr Sigaĉov (Moskvo)***




## RIGARDO POST JARDEKO

Pasis proksimume 10 jaroj de-post kiam mi lastfoje partoprenis en SEJT. Estis vizitoj al aliaj enlandaj kaj internaciaj E-aranĝoj, sed ĝuste lasta SEJT por mi estis tiu en 1990 en Ivanova regiono. Partopreninte plurajn SEJT-ojn dum la periodo de SEJM-1 kaj ASE, sekvante ties atingojn kaj mankojn, mi povis fari certan komparon de la antaŭaj kaj nuntempaj SEJT-oj. Kompreneble, tiu mia vidpunkto/komparo estas sendube subjektiva, ĉar vere malfacilas juĝi pri la nuntempa SEJ-aranĝo, partopreninte nur unu tendaron.

Do. La amaseco aŭ kvanto de partoprenantoj kaj situo/kondiĉoj – de tiu vidpunkto nuntempaj SEJT-oj (NS) ne diferencas de la antaŭaj (AS). Same kiel dum AS ankaŭ nun inter partoprenantoj estas pluraj "sovaĝuloj" – tiuj, kiuj venas al la tendaro "nelegale" (alivorte – ne pagante kotizon, loĝadas…). Ekz., dum tiu ĉi OkSEJT (41-a) estis ĉ. 130 oficialaj partoprenantoj kaj, mi supozas, ĉ. 10 "sovaguloj". Por komparo – SEJT-13 en 1971, kie partoprenis ĉ. 250-260 esperantistoj oficiale kaj proksimume 80 "sovaĝule". Same loĝkondiĉoj (en NS) ne malsamas kun tiuj en AS. Diversnombraj kaj diverskategoriaj ĉambroj donas eblon partopreni en NS al esperantistoj kun malsamaj ekonomiaj niveloj (mi supozas, ke la "sovaĝuloj" estas ĝuste el tiu "tavolo" de esperantistoj, kiuj ne povis pripagi eĉ la minimumon, sed ilia animo tamen logis ilin en Esperantujon). Ankaŭ pluraj "krokodiloj" estis kaj dum AS kaj dum NS. Evidente tiu "fenomeno" estas neevitebla.

Laŭ mi sufiĉe gravajn mankojn havis la pleja gravaĵo de ĉiu tendaro – ĝia programo. Certe mi komprenas, ke la plej facila afero estas kritiki ies agadon, sed mi tamen riskas tion fari. Unue, al mi ne plaĉis, ke ĉiuj tendaranoj estis dividitaj je kelkaj teamoj, kiuj konstante ricevadis taskojn, kelkfoje ne ligitajn kun la lingvo aŭ movado. Kaj malfacilis kontaktoj/konatiĝoj inter membroj de diversaj teamoj. Mirigis min neokazigo de tre grava programero "Interkona vespero": jam de la unua tago (vespero) alvenintoj devus havi la eblon konatiĝi… Ankaŭ sur la personaj ŝildetoj ne estis antaŭvidita indiko de la urbo, el kiu venis la tendarano, kio tamen estus inda. En la programo iom estis troigitaj ne ligitaj kun la lingvo programeroj – kursoj de dancado, kurso de brodado k.s. Tre oftis samtempa okazigo de kelkaj programeroj (ekz., rakonto pri SEJM-1 kaj pridiskuto de estonta EoLA…). Dezirantoj ĉeesti ambaŭ erojn ne havis tiun eblon. Por 100, 200 kaj eĉ 300 personoj similaj paraleligoj estas evidente superfluaj.

Multe plaĉis al mi (mi supozas, ke al ĉiuj) kontribuaĵoj de M.Koĉetkova, A.Obrezkov,

kiuj koncertis por la publiko, sed precipe – tiu de M.Bronŝtejn, kiu dum du tagoj de sia ĉeesto plenigis la programon per tri prelegoj kaj preskaŭ du koncertoj. Bonis ankaŭ la kursoj por komencantoj kaj progresantoj (la lastaj estis eĉ preparo por plenumi ekzamenon). Sed la superaj okazis nur dufoje. Indus, verŝajne, por tiuj okazigi E-universitaton aŭ ion similan. Al mi plaĉis ankaŭ sinprezentoj de REU kaj REGo kaj ne plaĉis Neptunfesto…

Tiuj ĉi linioj estas surpaperigitaj meze de la tendaro. Pro tio antaŭ mi la bildo ne plenis.

Kaj laste. Tiuj kritikaj rimarkoj estas nur por tio, ke la organizantoj de estontaj NS penu ne ripeti aŭ eviti la erarojn kaj mankojn de la okazinta NS.

***Dmitrij Cibulevskij (Ĥarkiv)***

## IMITINDA BROŜURO

Por kio oni organizas SEJT-ojn? Nu, la celoj multas: por ke kolektiĝu aktivuloj, por pridiskuti la movadajn problemojn, por amuzuĝi en gaja kompanio, por amindumi, fin-fine… Sed la ĉefa celo (kaj tial oni invitas al la tendaroj amasojn da komencantoj) estas la celo instrua: la homoj devas praktiki la lingvon kaj lerni ion pri Esperanto. Tamen por la lasta celo ofte ne sufiĉas nur streboj – devas ekzisti iuj adekvataj instrumaterialoj. La organizantoj de OkSEJT-41 tion plene konsciis, kaj faris la tendaran broŝuron, kiu bonege servas por tiu celo.

La broŝuro, krom informoj pri la programo kaj sciigoj pri la lokoj apud la tendarejo, enhavas historion de E-o en datoj (tre koncizan, sed donantan la bazon, kiu, almenaŭ, estas pli ol sufiĉa por A-nivela ekzameno de ĈALK) kaj kurtajn biografiojn de kelkaj famaj esperantistoj – Zamenhof, Grabowski – kaj ankaŭ Kolker, Gonĉarov, Bronŝtejn, Samodaj, Cibulevskij kaj Lineckij. Tio donas imagon pri la moderna historio de la landa movado, pri ĝia historia kontinueco... Kaj la tendaranoj vere studis ion dank' al la broŝuro, pri kio atestas pluraj ekzameniĝintoj! Kaj, kio pli interesas spertulojn, interesiĝantajn pri historio de la movado ol komencantojn (sed ja ankaŭ la lastajn!) – estas brila studo de A. Grigorjevskij: listo de SEJT-oj.

Tiu broŝuro devas esti nepre imitota de organizontoj de la tendaroj!

***Nikolaj Gudskov (Moskvo)***

***

Supozeble, la legantoj jam multon tralegis pri la programo kaj ĝenerala organizado de la tendaro. Tial mi nenion aldonu ĉi-teme. Entute mi ne tro kontentas pri OkSEJT, sed tio estas mia privata afero.



Tamen la naturo... Ial ĝis nun mi tre malofte rimarkis la belecon de ĉirkaŭanta naturo dum E-renkontiĝoj – aŭ eble neniam estis vere bela pejzaĝo ĉirkaŭe? Ne gravas. La organizantoj trovis tiun bazejon, en kiu loĝantoj en malpli kostaj dometoj devis piediri de la ĉefkontruaĵo ĝis siaj litoj 10-15 minutojn. Ĉefe mi grumblemas pro tio. Sed foje estis bonege – ĉar dank' al ĉi marŝado mi pro "nenion-por-fari" spektis la ĉielon, kaj tian noktan ĉielon mi neniam vidis. La stelaro sterniĝis laŭ la tuta videbla spaco, kaj, verŝajne, la unuan fojon mi konsciis, kion signifas la vorto "nekalkulebla". La

steloj kaj konstelacioj estis nekalkuleblaj, kaj eĉ la Lakta Vojo estis nur eta parto de la ĉielo.

Krome, la dometo kie ni loĝis estis ĉiam en ombro de grandegaj arboj, kaj do eĉ en plej varmaj tagoj ĉe ni estis malvarmete – tre agrable, cetere. Tamen gravas ne tio, sed la mirinda venteto, kiu strange – ĉu neglekteme, ĉu atente – tuŝis la vizaĝon, kiam mi sidis sur iu el la apudaj benketoj fumante aŭ simple observante la naturon. Ne tro malproksime videbla rivereto, kvankam ve, malpura por sinbanado, tamen donis bonegan fonon al ĉio ĉi.

Kaj, certe, nuboj... Ne ofte mi ricevas plezuron pro spektado de plej ordinaraj grizaj nuboj. Plej paradokse, ke mi ne komprenis, kial mi ŝatis rigardi ilin. Tamen ja ŝatis.

Do, mi ŝuldas dankon al la organizantoj almenaŭ pro 10-taga ĝuado de la naturo.

***Grigorij Arosev (Moskvo)***

## REZULTOJ
### de la BeLego (Konkurso de Bela Legado), okazinta dum OkSEJT-41

Sofja Ŝejnina (Ivanovo) – 1-a loko kaj Absoluta Gajninto (21 poentoj)
Mikaelo Povorin (Moskvo) – 2-a loko (9 poentoj)
Marina Torgunova (Ivanovo) – 3-a loko (6 poentoj)
Igor Ĉiĵikov (Moskvo), Marija Ĵukolina (Ivanovo), Jelena Kuznecova (Samara) – po 1 poento.

Laŭ la kluboj: "Teamo" (Ivanovo) – 28 poentoj, "Lev Tolstoj" (Moskvo) – 9 poentoj.

## REZULTOJ
### de la 3-a LONo (Lingva Olimpiko por Novuloj), okazinta dum OkSEJT-41

Anna Ĉajkova (Moskvo) – 20 poentoj
Marina Torgunova (Ivanovo) – 14 poentoj
Vladimir Jolkin (Dolgoprudnij) – 9 poentoj
Aleksandr Sigaĉov (Moskvo)– 6 poentoj
Marija Ĵukolina (Ivanovo) – 4 poentoj
Jelena Artimuk (Ĉeboksari) – 4 poentoj
Aleksandr Morev (Sankt-Peterburgo), Natalja Ŝabalkina (Novoĉeboksarsk), Irina Ĥoĥlova (Ĉeboksari), Jelena Kuznecova (Samara), Andrej Ivoĉkin (Moskvo), Jelena Alopina (Kovrov), Nikita Vasiljev (Vladimir) – po 1 poento.

Laŭ la kluboj: MASI/FaRo (Moskvo) – 35 poentoj, "Teamo" (Ivanovo) – 19 poentoj, "Ĉielarko" (Ĉeboksari) – 6 poentoj; "Blankaj Noktoj" (Sankt-Peterburgo), Samara E-klubo, la urbo Vladimir – po 1 poento.

## ĈU HAVI MULTE DA EDZOJ ESTAS BONE AŬ MALBONE?

"Mia dekstra flanko sentas sin iom preterlasita," – plendis Katja Burmisova, kiam d-ro Van faris ĉinan masaĝon samtempe al ŝi kaj Katja Ignatjeva dum OkSEJT-41…

Dum la tuta tendaro la doktoro zorgis pri sano de ĉiuj homoj, kiuj turnis sin al li… Fakte, pro kutima maldormo dum nokto ili pli kaj pli multiĝis. Finfine ankaŭ mi iĝis lia paciento, kaj havis eblon komunikiĝi kun tiu ĉi interesa persono dum OkSEJT kaj poste, kiam d-ro Wang Huai Yu (Van Huaj Ju) venis al nia urbo Ivanovo por tri tagoj laŭ invito de ivanovaj esperantistoj. Li estas fakulo pri magneta akupunkturo, ĉinaj masaĝo kaj gimnastiko. Ĉi tie li gvidis 2 seminarietojn pri ĉina medicino, kie ĉeestis kaj du ivanovaj specialistoj pri akupunkturo, kaj simple homoj kiuj interesiĝas pri la nomitaj temoj… Krome li estas

bonega gasto, kiu mem prezentis al ni dum vesperoj sian kuirarton.

Jam dum 5 jaroj d-ro Van loĝas en Soĉi, kie li laboras kiel kuracisto en sanatorio. Sed ĉi-jara OkSEJT estas la unua por la doktoro, ĉar somero estas tempo, kiam en Soĉi laboro abundas.

**– Doktoro, kia estas via impreso pri OkSEJT?**

– Al mi tre plaĉis, ke homoj tie multe ludis, amuziĝis kaj ripozis. En Ĉinio ne ekzistas gajaj E-tendaroj. Ĉio estas tre serioza. Esperantistoj renkontiĝas kaj pridiskutas politikon, ktp…

**– Kiam vi esperantistiĝis?**



– Antaŭ 21 jaroj. Esperanto tre helpis al mi en mia vojaĝo…

**– Ĉu vi vojaĝis?**

– Jes, antaŭ mia veno al Soĉi mi dum 5 jaroj vojaĝis tra diversaj landoj: Rusio, Litovio, Pollando, Francio, Belorusio, Ukrainio, Moldavio, Rumanio, Turkio, Egiptio. Entute mi estis en 50 urboj kaj vilaĝoj, kaj en kelkaj eĉ laboris.

**– Ĉu vi vojaĝis kiel turisto?**

– Jes, sed sole. Mi opinias, ke vojaĝante kun turisma grupo, oni ne povas profunde ekkoni la landon. Krome, en vera vojaĝo nepras aventuroj. Oni venas al fremda lando kun malgranda sako, ne konante lingvon. Fakte, mi sciis nur la ĉinan lingvon kaj Esperanton. Tio sufiĉas, ĉar E-istoj estas preskaŭ en ĉiu lando.

**– Sed kiel vi komunikiĝis kun neesperantistoj?**

– Per gestoj, aŭ per desegnaĵoj… Pli gravas, ke homo, kiu vojaĝas, fidas proprajn kapablojn kaj kredas, ke en la mondo pli multas bonaj homoj, ol la malbonaj. Mi estas optimisto.

**– Kiun landon vi plej ŝatis?**

– Laŭ beleco – Francion, kaj laŭ bonkoreco kaj gastamo de homoj – Rusion.

**– Kial vi decidis ekvojaĝi?**

– Ĉar mi ŝatas ekkoni malsamajn kulturojn. Mi estas verkisto, kaj por verkado tre gravas viva sperto kaj novaj impresoj, kiujn donas distanca vojaĝo… Kiam mi iĝos maljuna, mi kontentos, ĉar mi havis multe da aventuroj dum mia juneco.

**– Kial vi restis en Soĉi?**

– Tie estas varme. En mia ĉina urbo Ŝenjan, ekzemple, vintre estas –35. Br-r-r… Mi ne ŝatas froston.

**– Doktoro, pro kio vi decidis iĝi kuracisto?**

– Ĉar mia avino estis tre malsana. Kiam oni vidas kiel iu suferas kaj ne povas helpi, tio estas tre malfacila… Kaj mi ekstudis en neŭrologia fakultato de Universitato de ĉina tradicia medicino en mia patrourbo. Mia avino mortis antaŭ fino de mia studado, sed nun mi povas helpi al aliaj homoj.

**– Ĉu en Ĉinio oni okupiĝas nur pri ĉina tradicia medicino?**

– Oni okupiĝas kaj instruas tie ambaŭ – eŭropan kaj ĉinan – medicinojn. Sed mi preferis la ĉinan. En ĉina medicino oni neniam faras operaciojn. Kaj al mi tio plaĉas, ĉar mi ne ŝatas, kiam oni distranĉas kaj kiam sangas…

**– Ĉu estas aliaj diferencoj inter tiuj du medicinoj?**

– Jes. Eŭropaj kuracistoj pensas, ke kiam doloras iu organo, la kaŭzo estas en ĝi, sed ĉinoj

opinias, ke ĉiuj organoj estas kunigitaj, kaj rigardas la korpon entute. Krome ĉinaj kuracistoj pensas, ke sano tre dependas de nutrado.

**– Kion vi povas diri kiel kuracisto pri nutra maniero de rusiaj homoj?**

– Laŭ mi, rusiaj homoj ĝenerale manĝas tro multe da viando. Viando estas utila kiam oni manĝas iom da ĝi, sed tro multe estas malbone. Pli utilas manĝi fiŝaĵon. Manĝu ankaŭ pli multe da legomoj. Kaj la plej utila nutraĵo estas el sojo.

**– Doktoro, mi aŭdis, ke vi pentras?**

– Jes. En ĉina maniero. Ĉinaj pentraĵoj respegulas la ĉinan pensmanieron. Ekzemple, taoj (taoismo estas unu el la du plej disvastigitaj religioj en Ĉinio, la alia estas budhismo) opinias, ke sur ĉielo loĝas Dio kun sia grandega familio: gefiloj, edzino (nu, fakte, li havas edzinojn), generaloj, soldatoj…

**– Edzinojn?**

– Jes. Li havas unu ĉefan edzinon kaj ankoraŭ kelkajn. Sed tiu ĉefa edzino ne devas scii pri tio, ĉar ŝi estas tre ĵaluza…

**– Kaj ĝenerale kiom da edzinoj havas ĉinoj?**

– Ĝenarale unu. Sed en Ĉinio ekzistas 56 diversaj nacioj, kaj iuj havas siajn proprajn tradiciojn. En Sudo, mi scias, estas nacio, kie unu edzo havas multe da edzinoj, kaj estas nacio, kie unu edzino havas multe da edzoj… Kiel vi opinias, ĉu havi multe da edzoj estas bone aŭ malbone?




**– Mi pensas, ke malbone. Ĉar tiam la virino devas lavi, kuiri por ĉiuj…**

– Ne, vi ne pravas. Tio estas bona, ĉar unu edzo lavas, alia kuiras, la tria – ordigas la loĝejon… La edzino nur spektas televidon kaj vizitas salonojn de beleco. Kaj kiam naskiĝas infano, ĉiu edzo aspiras varti la bebon… Kaj kiel vi pensas, kiam unu edzo havas multe da edzinoj, ĉu tio estas bona aŭ malbona?

**– Certe, malbona. Ĉar ĉiu virino volas esti ununura…**

– Vi denove ne pravas. Tio estas bona, ĉar la virino pensas: "Mia edzo estas tiom kapabla!"

**– Tre interese… Kaj se ni jam ekparolis pri familio, ĉu vi povas rakonti pri iu tradicia ĉina familia festo?**

– Jes, fakte, tre baldaŭ estos Mezaŭtuna festo. Tio estas tago de plena luno. Familioj kolektiĝas kaj manĝas vinberojn kaj specialajn rondajn dolĉajn kukojn. Tiuj parencoj, kiuj loĝas malproksime kaj ne povas renkontiĝi tiun tagon, rigardas lunon kaj tra tio sentas, ke ili estas kune… Kelkaj homoj eĉ verkas versaĵojn… En Ĉinio estas tre populara versaĵo. Ĝi estis verkita far ĉina poeto Su Sy antaŭ 800 jarojn *(d-ro Van deklamis ĝin dum internacia koncerto en barda kafejo dum OkSEJT – S.Ŝ.).* Proksimuma traduko estas jena: "Mi ne scias, kiu tempo estas nun. Kun alkoholo en mia glaso mi demandas lunon, kiu tempo estas nun. Mi volas altiĝi al la ĉielo, sed mi estas sur la tero. Do, mi dancos sur la tero… La luno estas iam plena, iam malplena. Homoj estas iam gajaj, iam malgajaj. Ili iam kunas, iam disiĝas. Ekde antikvaj tempoj pri tio ne estis idealo. Sed mi povas rigardi la lunon kaj sendi al malproksimaj homoj bondezirojn…"

***Intervjuis Sonjo Ŝejnina (Ivanovo)***

# maltaŭgaj pensoj: EN *ERDA ĜARDEN'



***Jen…***
***…Ni sidas.***
***Ni multas?!***
***Ni ĉiuj?!?! aŭskultas?!?!?!***
***Bronaelo Mikŝtejn.***

OkSEJT tamen okazis. Ĝis la lasta momento neniu kredis ke ĝi okazos, sed "neniuj" estis malpravaj. Okazis. Tempas ekkrii nian tradician: "Hura!". Sed: ĉi tio estus bona, se ĉio estus bona. Reale estas inverse.

En la antaŭa numero de REGo estis publikigita artikolo de s-ro Jurij Karcev, en kiu li interalie priskribis la situacion ĉirkaŭ REJM, kiu (mis)traktis la E-klubon de Uljanovsk. Bedaŭrinde ni ne konas s-ron Karcev persone, tamen ni supozas, ke li estas normala homo, t.e. ĝentila. Sed, evidente, tro delikata. Tial li ne skribis tion, kion li eble volis skribi. Provu ni fari tion, tamen restante same ĝentilaj.

REJM-komitato absolute kompromitis sin per la agado por (sed reale – kontraŭ) ĉi-jara OkSEJT. Ĝi nuligis la tendaron apud Uljanovsk pro ekstreme nekompreneblaj kialoj. La unua – netaŭga loko. Eble la loko vere estis netaŭga. Sed! Ja la eventualan tendarejon vizitis nur ***unu*** komitatano, kaj pere de tiu unu, la aliaj (hejme per leter') ekhavis tiom firman opinion, ke ne taksis necesa konsideri la opinion de la lokanoj. Poste REJM ekplendis pri tro serioza temo por OkSEJT, nome "Esperanto-historio".



Nu, serioza organizaĵo agas serioze. Ni rigardu plu: tuj REJM-komitato ekserĉis alian lokon, sed ne trovis (certe), kaj ne povis trovi ĝis la lasta momento. Kaj estas logike, ke REJM-komitato serĉis "sian lokon" ie laŭeble plej proksime al si, t.e. apud Ivanovo. Fakte por simplaj esperantistoj (t.e. ne REJM-komitatanoj) estis konstanta streĉo: jen ĉiuj prepariĝis veturi al Vladimir, jen al Ivanovo, jen al Kostroma... Finfine oni certiĝis: apud Kovrov (Vladimira provinco). Nu, ni ĵus skribis – "estas logike", sed fakte estas paradokse. Ja kia principo estas tradicie sekvata en SEJToj? Diverseco de geografiaj lokoj. Rememoru ni almenaŭ la duan duonon de 1990-aj jaroj, nome en kiuj urboj estis okazigitaj niaj tendaroj: Taganrog (1996) – Volgograd (1997) – Ĉeboksari (1998) – Tiĥvin (1999) – Ivanovo (2000). (Pri la tri lastaj OrSEJToj eĉ superfluas mencii: Krasnojarsk – Tomsk – Tjumenj.) Tiamaniere esperantistoj, kiuj ne estas tre riĉaj, almenaŭ unu fojon en 2-3 jaroj ne devis tro longe vojaĝi por atingi OkSEJTon. Sed kio nun? Sen iu ajn evidenta kialo nuliginte la tendaron apud Uljanovsk, REJM-komitato malhavigis la eblon partopreni OkSEJTon al pluraj geesperantistoj el Ĉuvaŝio, Tatario (kaj tio okazas kiam ĉi regiono egege bezonas iun puŝon por E-revigliĝo!), Uljanovsk mem, Samara… Ankaŭ por uralanoj kaj siberianoj Uljanovsk estas sendube pli proksima, ol Kovrov, kiu eĉ por moskvanoj ne facile atingeblas (tamen ne pro la distanco, sed pro la maloportuna situo de Kovrov). Tiel OkSEJT-41 perdis

plurajn partoprenontojn. Kaj anstataŭe jam la duan fojon sinsekve OkSEJT okazas en preskaŭ la sama terpeco – do Ivanovo, Moskvo kaj malmultaj aliaj regionoj denove havas la avantaĝon.

Sed: nu bone, eble REJM havas la sanktan celon definitive aktivigi la movadon en ĉi tiu "avantaĝigita" regiono. Sed tiukaze viaj agoj kongruu al viaj vortoj, tio signifas ke se vi rezignis la tendaran temon pri E-movado, do vi rezignu (уходя – уходи). Tamen ne, kaj ni kun hororo meze de julio eksciis, ke REJM invitas nin ĉiujn al OkSEJT, kies temo estas "Verda Ĝardeno", do ĝuste la sama temo, kiun REJM tiom aŭdace malakceptis, kiam temis pri Uljanovsk. Tio estas super homa kompreno. Onidire, tamen, malmultaj programeroj dum la kovrova OkSEJT havis rilaton al la temo, sed tio ĉi-aspekte ne gravas (kvankam ankaŭ tio sendube ION pruvas).



Ni plene aliĝas al la vortoj de s-ro Ju.Karcev, kiu skribis en sia artikolo: "*REJM ion volas, sed ĝi ne scias, kion*". Gravas, ke ĉi-jara sperto almenaŭ parte sciigu kaj konsciigu al REJM, kion ĝi volas.

Kaj fine jene. Unu nia reta konato plusendis al ni retpoŝtan mesaĝon pri OkSEJT, kiun verkis kaj dissendis iu konata esperantisto. Citindas du frazoj: "Sed mi vere kompatas la organizontojn de sekvaj tendaroj. Ilia tasko por kontentigi la publikon ege malfaciliĝis (oni tro rapide alkutimiĝas al io bona)". Pri la unua frazo ni povas komenti ke organizantoj de ajna serioza E-renkontiĝo estas kompatindaj. Sed pri la dua… Unser Gott! Our Lord! Nia Dio! Боже наш! Kiom naiva estas la verkinto de la cititaj frazoj! La tasko de organizontoj de sekva OkSEJT vere plifaciliĝis (ja oni ankaŭ tro rapide alkutimiĝas al io malbona): de nun se ili anoncos pri la loko, datoj kaj temo de sia tendaro almenaŭ duonjaron antaŭ la komenciĝo de la tendaro, ili jam estos taksataj kiel bravulegoj kaj herooj! Ja oni ne rememoras nun, ke anonci sekvan tendaron ĝuste antaŭ ses-sep monatoj estas la normo, sed ne antaŭ tridek naŭ tagoj…

***stupore, Ludovikoj Lazaroj Zamenhofoj (<zamenhofoj@mail.ru>)***

P.S. Ni reatentigas, ke nia retpoŝta adreso estas funkcianta, kaj ni kun plezuro ricevos viajn mesaĝojn: eble vi ne konsentas pri io? Ni pretas al diskuto! Se vi ne havas aliron al retpoŝto, vi povas skribi paperan leteron al la redakcio. La ĉefredaktoro plusendos ĝin al ni. ***(L-j L-j Z-j)***

La 1-an – 07-an de julio 2001 en Baku okazis E-tendaro kaj Konferenco – **KASPIAJ ESPERANTO-TAGOJ (KET-1),** organizita de Azerbajĝana Esperanto-Asocio (prezidanto Ŝaig Mamedov). La anoncitaj celoj estis: aktivigi E-movadon en la regiono, servi al paco kaj amikeco. La tendaro okazis en la ripozejo Istirahat surborde de Kaspia maro. Ĝin partoprenis grupo de geesperantistoj el Irano (14-persona), gvidata de Reza Torabi, kartvela esperantisto Avtandil Abuladze, kaj el Rusio estis Abdurahman Junusov. Inter la decidoj de la Konferenco – organizi la feston de orienta Novjaro – Novruz – (fare de iranaj e-istoj ĉefe) en marto en Baku, kaj la sekvan KET-on – en junio en Dagestano. ***(Abdurahman Junusov)***




## PLENA SUKCESO

La komenco estis jena. OrSEJT-32 apud Tomsk, kiu pasis tre bone, ĉiujn pensigis, ke la tradicio de OrSEJToj nepre devas esti daŭrigita. “Kie?” – aperis la demando. Kaj la rigardoj tuj direktiĝis al Mansur Mamkin, esperantisto el Tjumenj. Post longaj traktadoj estis formita jena Organiza Komitato: Mansur Mamkin, Jelena Katajeva, Grigorij Arosev, Gennadij Basov, kaj atingita jena interkonsento: Mansur serĉu taŭgan bazejon, Jelena komplete pripensu la programon, Grigorij okupiĝu pri la financoj, kaj Gennadij zorgu pri la teknika flanko de la tendaro. Tiel ekfunkciis la tuta afero. La preparperiodo estis preskaŭ senproblema, ĉar ĉiuj okupiĝis pri tio, pri kio ili vere kompetentas, kaj neniuj akraj diskutoj okazis. La unuan fojon en la historio de rusia EsperReto, estis kreita ttt-ejo, speciale dediĉita al unu aranĝo (temas pri <http://OrSEJT.boom.ru>).

Kaj finfine, la 1-an de aŭgusto komenciĝis OrSEJT-33. Inter ĉiuj partoprenintoj speciala mencion meritas du homoj – Valerij Ĉerepanov el Moskvo kaj Konstantin Obrazcov el Tomsk. La starto de la trajno, en kiu Valerij devis eki el Moskvo, estis prokrastita ekzakte je unu diurno (pro la vizito de kamarado Kim Ĉen Ir), sed tio ne ĝenis Valerij-on. Tamen Konstantin estis eĉ pli brava. Li veturis el Tomsk ĝis Tjumenj (1515 km) per elektrotrajnoj, kaj dumvoje li spertis plurajn malfacilaĵojn, ĉefe pro malkoincido de la trajnhoraroj. Ĉio ĉi (kaj multo alia) rezultigis tion, ke Konstantin venis al la tendaro nur la 8-an de aŭgusto – sed tamen ja venis, ne haltis kaj ne ekveturis reen dumvoje! Kaj Valerij dum sia vojaĝo renkontis du slovenajn gejunulojn, kiuj ne estis esperantistoj, sed simplaj vojaĝantoj, irantaj al Bajkalo. Post elokventa rakontado de Valerij pri Esperanto, ili ekinteresiĝis, kaj anstataŭ pasigi planitajn du tagojn en Tjumenj, venis al OrSEJT (kaj, iliadire, ne bedaŭris).



Sume la tendaron partoprenis 26 personoj (ne inkluzive la slovenojn). Emfaze menciendas, ke estis registritaj nur du tjumenanoj, kaj tio signifas, ke ĉiuj aliaj estis vere venintaj al Tjumenj speciale pro OrSEJT – agrabla fakto. Estis reprezentitaj 11 urboj. La plej okcidenta estis Riga, la plej orienta – Krasnojarsk, la plej suda – Volgodonsk, la plej norda – Surgut. La loko por la tendaro estis trovita tre bona – malgranda bazejo, troviĝanta en arbaro, kun multaj komfortaĵoj. Pri la loĝo kaj aparte pri la manĝoj ĉiuj restis kontentaj.

La ĉeftemo de ĉi-jara OrSEJT estis “Dialogo inter civilizacioj”. Ĉiu tago estis dediĉita al iu certa civilizacio inter la multegaj dum la homara ekzisto. Tranombrindas ĉiuj, kiuj estis tuŝitaj dum la tendaro: Egiptio, Antikvaj Grekio kaj Romio, du orientaj tagoj (unu estis dediĉita al Ĉinio kaj Japanio, la alia – al Hindio), Rusio, kaj ankaŭ Mita tago kaj tago de Ekstertera civilizacio. La unua tago, laŭ la plano de la organizantoj, estis dediĉita al Sovaĝa Epoko (pra-tempoj), kiam ĉiuj tendaranoj ankoraŭ estis instaliĝantaj sur la nova loko. Tiamaniere ĉiuj tagoj kaj programeroj estis vere kongruaj al la ĉeftemo (maloftaĵo dum niaj E-aranĝoj). Lige al ĉi tio okazis multaj prelegoj kaj kursoj. Ekzemple prelego pri veda kuli-

nario, kurso de klasika hinda danco, kurso de tajĝiĉjuano (dum la orientaj tagoj), Olimpikoj kaj prelego pri antikva literaturo (dum la tago de Antikvaj Grekio kaj Romio), teamaj spektakletoj "Unu tago de faraono" (lige al la tago de Egiptio), tuttendara ludo "Trovu aliplanedanon" (tago de Ekstertera Civilizacio) kaj multaj aliaj interesaj programeroj. Aparte menciindas prelega ciklo pri mondaj religioj: "Kredoj de Antikva Egiptio", pri Islamo, Kristanismo, Hinduismo, Baĥaismo. Vespere kaj nokte estis amuzaj kaj distraj programeroj (inter aliaj premiere okazis kelkaj ludoj – "Divenu melodion", "Kiu volas fariĝi milionulo?", "Bluf-klubo" k.a.). Ĝenerale la programo estis tre densa, kaj fine de la tendaro ĉiuj, kiuj partoprenis ankaŭ en OrSEJT-32 menciis, ke ĉi-jara programo estis multe pli riĉa, ol dum la pasintjara tendaro.



Estis tre fruktodona teama laboro. Pro nemulteco de la partoprenantoj estis 2 teamoj, sed tio plene sufiĉis. La organizantoj elpensis tre originalan principon de disdividiĝo je teamoj, kaj dank' al tiu principo ĉiuj teamanoj jam dum la disteamiĝo povis montri siajn talentojn, kaj poste evoluigi ilin. La teamoj laboris ĉiutage, la taskoj estis variaj – jen ili preparis iun scenaĵeton, jen kune partoprenis iun ludon, jen faris murgazeton. Ĉio estis farita tre sukcese.

La unuan fojon estis enkondukita orignala ideo: anstataŭ matenaj kunvenoj, okazigi la samajn kunvenojn, sed vespere *(tamen tiel jam estis – en Kieva InterSEJT, en 1990 – La red.)*. La novaĵo havis sukceson: neniu devis vekiĝi matene speciale por ekscii la detalojn pri la programo, aŭ aŭdi freŝajn krokodilaĵojn (ja ne ĉiuj havas matenmanĝon).




Pri lingvonivelo: senescepte ĉiuj parolis en Esperanto. Eĉ dum rakontado de anekdotoj, eĉ kiam oni estis en ŝvitbanejo, eĉ profundnokte ĉe lignofajro, kaj eĉ dum preparado de lignaĵo ekster la bazejo, dum arbohakado, – ĉiuj interparolis nur en Esperanto. Iom ĝenis la lingvoordon ĉeesto de kelkaj infanoj, kun kiuj simple ne eblis paroli ne en la rusa, sed "inter si" geesperantistoj vere uzis nur La Lingvon. Kaj tio okazis ne pro severeco de Verda Polico (la Policestro funkciis ne tute bone), sed simple ĉar ĉiuj volis paroli en Esperanto, kaj venis al OrSEJT ja ĝuste por tio.

Fine de la tendaro oni okazigis skriban pridemandadon de la partoprenintoj pri iliaj impresoj de OrSEJT. Evidentiĝis, ke vere neniu restis ĝenerale malkontenta. Kompreneble, iuj atentigoj al la organizantoj estis: ja eĉ tre bona OrSEJT ne estas perfekta. Iu plendis pro nesufiĉaj kantoj, iun ne ĝojigis la prezoj en tendara bufedejo, iu volus havi diskotekon... Sed tio estas relativaj malgravaĵoj. Kaj al unu demando – "Ĉu vi volas partopreni sekvan OrSEJTon?" – senescepte ĉiuj respondis same: "JES!".

***nome de la Organiza Teamo – G.Arosev (Moskvo)***

# Universala Kongreso de Esperanto

## 86-a UK, Zagrebo (Kroatio), 21-28 de julio

La unua programero de la Kongreso estis plenkunsido de la UEA-Komitato, kiu okazis la 21-an, ekde 9.00 ĝis 18.00 kun unuhora manĝopaŭzo. Dum postaj tagoj la komitatanoj diskutis en ses laborgrupoj. Kaj vendrede, la 27-an, dum duontago okazis la lasta plenkunsido de la Komitato, en kiu estis diskutitaj kaj aprobitaj (aŭ malaprobitaj) la decidoj, ellaboritaj en laborgrupoj. En la nova Komitato de UEA, kiu ekfunkciis por tri jaroj ekde ĉi tiu Kongreso, estas nun tri reprezentantoj de nia lando: Garik Kokolija, elektita de REU-konferenco kiel A-komitatano de Rusio, Aleksander Korĵenkov, elektita kiel B-komitatano far individuaj membroj de UEA, kaj Andrej Grigorjevskij, elektita kiel C-komitatano far A– kaj B-komitatanoj dum la unua kunsido en Zagrebo.

La plej grava rezulto de la komitata laboro estis ĉi-jare elekto de nova UEA-Estraro, kiu same funkcios dum tri proksimaj jaroj. La nova prezidanto de UEA iĝis Renato Corsetti (Italio), vicprezidantoj – Lee Chong-Yeong (Korea resp.) kaj Humphrey Tonkin (Usono), ĝenerala sekretario – Ivo Osibov (Kroatio), estraranoj – Ans Bakker (Nederlando), Gbeglo Koffi (Togolando), Michela Lipari (Italio) kaj Andrej Grigorjevskij (Rusio, unuafoje kiel UEA-estrarano estis elektita rusiano). Inter aliaj decidoj de la Komitato menciindas la altigo de baza membrokotizo al 50 eŭroj, tio signifas, ke MA-kotizo por rusianoj en 2002 egalos al 25 eŭroj (anstataŭ 24 dum lastaj tri jaroj).


*nova UEA-estraro (ĉiuj krom Andrej Grigorjevskij)*

En la ĉefa kongresejo dum la unua tago okazis registrado de alvenintaj kongresanoj (entute aliĝis al la Kongreso ĉ. 1700 partoprenantoj; inter ili estis 30 rusianoj, el kiuj reale venis laŭ miaj kalkuloj 22), ekfunkciis la Libroservo (abunda kaj impona kiel ĉiam dum UK), pasis ankaŭ kolektiĝo kaj busa foriro de la partoprenantoj de Infana Kongreseto, kiu estis ĉi-jare rekorde granda, ĉar en ĝi partoprenis 56 infanoj.




Samvespere en la placeto apud la kongresejo okazis la interkona vespero, dum kiu muzikis kroataj kant– kaj dancensembloj.

La 22-an, dimanĉe, je la 10-a horo okazis Solena inaŭguro, en kiu ĉeestis kaj salutparolis la prezidanto de Kroatio Stjepan Mesic. Vespere samtage en unu el la placoj de Zagrebo okazis inaŭguro de la monumento "Futuro" de dana skulptisto Jesper Neergaard, donacita de li al Zagrebo lige al la 86-a UK; mem la monumento estas iom abstrakta skulptaĵo, la teksto sur ĝi estas "Esperanto – por

monda komunikado en paco kaj libereco 2001".

La taga programo dum la Kongreso pasis kutime multnombre, senĉese kaj paralele: kursoj, kunvenoj, prelegoj, prezentoj, diskutrondoj, seminarioj, dokumentaj filmoj, diservo, aŭtoraj duonhoroj en la Libroservo, Kongresa Universitato, akceptoj, babiloj en la koridoroj kaj manĝejoj, kaj multo alia.

Inter kulturaj aranĝoj aparte menciindas du koncertoj de Georgo Handzlik (jam konata al rusianoj ekde ĉi-jara REK-EoLA), du koncertoj (en la kongresa vestiblo kaj urba kafejo) de la ensemblo Esperanto-Desperado sub gvido de Kim Henriksen, koncerto de Andrej Korobejnikov (titolita tie "juna Mozart el Rusio"), nacia vespero, kongresa balo en centra placo de Zagrebo kun multaj spektantaj kaj partoprenantaj zagrebanoj, brila teatraĵo "La plej longa tago en la vivo de Maria Teresia" en Kroata Nacia Teatro kun neforgesebla Vida Jerman ĉefrole.



Ĉefa novaĵo de lastaj kongresaj tagoj sendube estis du demisioj, okazontaj en 2002, pri ili anoncis Ĝenerala Direktoro de UEA Osmo Buller kaj Direktoro de Centra Oficejo Pasquale Zapelli. (Kaj baldaŭ post UK pri sia estonta demisio anoncis ankaŭ István Ertl, la redaktoro de "Esperanto".) Ĉiuj ege bedaŭris pri tio kaj konstatis, ke la demisioj signifas grandan perdon por UEA.

La sekva Kongreso okazos en Fortaleza (Brazilo), 3-10 aŭgusto 2002; poste – en Gotenburgo (Svedio), 26 julio – 2 aŭgusto 2003; pri la kongresurbo por 2004 la nova UEA-Estraro intencas decidi ĉi-aŭtune, kanditatas Vilnius (Litovio) kaj Pekino (Ĉinio). Kaj mi dum kunsido de la UEA-Komitato anoncis pri la intenco okazigi la Universalan Kongreson de Esperanto en Rusio dum iu el la proksimaj jaroj ekde 2005.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

"La Kongreso … apelacias al ĉiuj parolantoj de Esperanto, ĉiuj lokaj, regionaj, landaj kaj internaciaj Esperanto-organizaĵoj, kaj ĉiuj kiuj subtenas la celojn de Esperanto, kunlabori en la daŭra konservado kaj plifortigo de la dialoga kulturo, kiun prezentas Esperanto, kaj daŭre partopreni en la klopodoj de Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko krei dialogon inter la civilizoj je tutmonda skalo, kiu estas tiel esenca por la paca evoluigo de la homa socio."

***(El la Rezolucio de la 86-a UK)***

Okaze de la 86-a Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo, la programo ofertis piankoncerton de 15-jaraĝa Andrej Korobejnikov, studento de la kvara lernojaro en Eŭropa Jura Universitato (Moskvo). Mi kurioze scivolemis la muzikprezentadon de tiu junulo. Kion mi aŭskultis vere superis ĉion kion mi imagis. La juna pianisto ludis dum pli ol 1,5 horoj malfacilan muzikon de Ŝopeno, Skrjabin, Ĉajkovskij kaj diversajn aldonojn sen notoj (!!!) kun profundaj sentoj kaj brilanta tekniko. Mi miris pri la nekredebla matureco de lia muzikesprimo. Ni havis la grandan feliĉon travivi neforgeseblan koncerton de tiu genio.

***Dr.med. Gabriel Chaves (Svislando)***

*(En la parto REJM-info vi povas legi ankaŭ la UK-impresojn de Katja Ignatjeva)*

IJK

## 57-a IJK, 28 de julio – 05 de aŭgusto

La Internacia Junulara Kongreso okazinta en Strasbourg (Francio) kun la partopreno de ĉirkaŭ 400 esperantistoj el 35 landoj havis kiel temon “Plurlingvismo en Eŭropo: kiel ĝin sukcesigi?”. Al tiu temo kaj al la Eŭropa Jaro de Lingvoj ligiĝis sukcesaj prelegoj (interalie de Claude Piron kaj Alain Laufenburger). Aldone eblis viziti, krom la urboj Strasbourg, Freiburg kaj Colmar, la ejojn de Konsilio de Eŭropo kaj Eŭropa Parlamento. Kompreneble abundis la distraj programeroj: danc– kaj lingvokursoj, gufujo, trinkejo, diskejo... Speciale interesis la kongresanojn la prezento de la venontjaraj IJK kaj UK (ambaŭ okazos en Brazilo). La vespera programo inkluzivis du koncertojn de JoMo: akustikan (sole) kaj elektran (kun la bando “Liberecanoj”). Koncertis ankaŭ la fama bando “Esperanto-Desperado”, Helena Melnikova (Rusio) kaj “A Priori” (Serbio). Aparte bone organizita kaj imitinda estis la dutaga Festivalo “Artoj kaj lingvoj”, okazinta en bela urba parko kaj malfermita al la eksterkongresa publiko. Eblis spekti teatraĵojn, klaŭnaĵojn, kaligrafiumi, kaj partopreni “lingvan festivaleton” kun rapidaj prezentoj de 25 lingvoj. Sed la ĉefa ero estis koncerta vespero, fare de eĉ 5 bandoj, du el la regiono kaj tri Esperantaj: “Krio de Morto” (Pollando), “Kore” (Francio) kaj “Solotronik” (Hispanio). Gratulon kaj dankon al la organizantoj! ***(TEJO-Aktuale)***



***

Unue, mi avertu ke ĉi-jara IJK estis por mi la unua, do mi ne povas kompari, nur rakonti pri la impresoj.

Dekomence iom da faktoj. El 380 partoprenantoj: inoj/malinoj: 163/217, t.e. 43% / 57%. Francoj: 113, germanoj: 72, rusoj: 34. Interese, ĉu ne?

Strasburgo – “ĉarmega antikva urbo”, “unu el ĉefurboj de la Eŭropa Unio”, “sidejo de la Eŭropa Parlamento” – tio estas ne nur bonaj vortesprimoj. Ĉiu kongresano havis eblon viziti la plej interesajn lokojn de la urbo dum la ekskurso “Malkovro de Strasburgo” pieda aŭ bicikla, rigadri la konstruaĵon de la Eŭropa Parlamento ne nur ekstere sed ankaŭ fari fotojn en la ĉefa halo, kie laboras politikistoj. Dum mia dujara Esperanto-vivo mi la unuan fojon vere komprenis, ĝuste en la Eŭropa Parlamento, kiom da mono oni elspezas por tradukado. Por komparo: tiu sumo preskaŭ egalas la nacian buĝeton de Rusio.

Interesegaj ekskursoj multis. La tria tago de la kongreso – “tago de ekskursoj”. El 7 tuttagaj ekskursoj mi elektis unu aparte ekstreman, kun longdaŭra promenado en montaro kaj vinberaj ĝardenoj de Germanio. Min allogis ebleco viziti antikvan vulkanon kaj rigardi ĉirkaŭaĵojn de sur alta turo. Verdire mi ne tute supreniris ĝin pro la troa alto. Ankaŭ promenado en la germanaj urboj Freiburg kaj Kaselstuhl estis interesega, al tio sendube multe kontribuis nia gvidanto, kiu eĉ organizis piknikon por la tuta 22-membra grupo. Tiun tagon organizis germanoj, ja la kongresurbo situas ĉe la franc-germana landlimo. Mi supozas ke multaj elektus senpagan ekskurson al fama vinregiono de Francio, kiu finiĝis per vingustumado. Ankaŭ gastronomie interesa estis ekskurso al bierfarejo, kie ĉiuj dezirantoj ne nur vidis kie kaj kiel oni produktas la faman trinkaĵon sed ankaŭ gustumis francan bieron. Ĉu vi iam volis vidi kiel oni produktas vazojn, tasojn, telerojn el argilo per manoj, kiel tion faris

niaj praavoj? Dum kongreso vi povus viziti la lokon kaj eĉ mem provi krei ion fantastan.

Min ankoraŭ antaŭ la kongreso ege impresis la 27-lingva informretejo pri ĝi. Mi nur iom poste komprenis kial oni faris tion – ja la temo de la aranĝo estis: "Plurlingvismo en Eŭropo: kiel ĝin sukcesigi?"




Krom temaj prelegoj du tagojn daŭris la lingva festivalo, malferma por la urbanoj. Ĉie en la urbo mi rimarkis afiŝojn de la festivalo, eblis aĉeti T-ĉemizojn kun festivalaj emblemoj. Mi neniam forgesos la parkon "La Citadelle" (imagu parkon kun restaĵoj de antikva fortikaĵo, fontanoj, natura lago kun grandaj naĝantaj testudoj, kiuj ankaŭ ŝajne dancis aŭskultante koncerton). Koncertoj, prezento de 25 lingvoj (dum kiu oni povis lerni kanti kaj ludi en diversaj lingvoj), muro kun diraĵoj en pli ol 20 lingvoj, amuzaj dancoj. Mi amuziĝis pentrante sur vizaĝoj de la plej kuraĝaj. Ĉio estis vere bone organizita, nur pro la pluvo ĉiuj programeroj prokrastiĝis je unu horo. Ĝenerale la vetero estis sunega kaj varmega. Unu mia memoraĵo estas aparte forta: mi ĝuis dancojn de preskaŭ nuda Kim ("Esperanto Desperado", Danio) kun necesejaĵoj.




Multaj plendis ke la ŝtormo, al kiu la organizantoj evidente tre bone prepariĝis (apate zorgante pri la tendumantoj), ne estis "vera ŝtormo" – nur ventego kun pluvo.

Dum granda parto de la kongresanoj amuziĝis, kelkaj homoj devis labori, krom LKKanoj inter tiuj estis ankaŭ TEJO-estraranoj. El Rusio TEJO-seminarieton partoprenis Danil Kapitonov kaj mi. Pri kio temis? – "Kio estas TEJO?" – diskutrondo pri agado de la organizo kaj ties eldonaĵoj. "Organizado de la projekto" – skiza prelego ene de kiu min aparte interesis la demando: buĝeto de la aranĝo.

Kiel kutime dum IJK kunsidis TEJO-komitato. Estis elektita nova estraro de TEJO, kiu laboros dum la sekvaj du jaroj. Aparte ĝojigas ke el la 9 estraranoj du estas rusinoj.

Interkona vespero – dum kiu oni povis trovi novan amikon kun la sama koloro de la subvesto kiel la sia. Solena malfermo – neniu atendis ke de la ĉielo povas fali etaj veluraj ludiloj "cirkuoj" – "birdoj de feliĉo", "simbolo de Strasburgo". Trinkejo, gufujo, nokta diskoteko, koncertoj de JoMo kaj "Esperanto Desperado", danckoncerto de la serba grupo, prelegoj de Claude Piron, lingvaj kursoj diversnivelaj (por komencantoj, progresantoj, paroligaj), danckursoj diversspecaj, noktaj filmoj, internacia vespero, sporto, naĝado, kantado, masaĝo, ĵonglado, brodado, diskutrondoj, grup-ludoj, prelegoj – ĉiu povis elekti laŭ propra gusto el multnombraj programeroj. Mi ĝuis ĉiun momenton de la kongreso babilante, dancante (mambon), ludante, kantante, lernante kaj instruante, promenante duope kun kara amiko. Espereble vi restis konvinkita ke enuo en tiu evento simple ne eblis!

Se vi volas pliajn informojn pri IJK ĝenerale kaj pri la pasinta aparte, mi rekomendas la retpaĝojn <www.ijk2001.free.fr> kaj <www.ijkfotoj.free.fr> kun pli ol 300 fotoj.

***Julija Litvinova (Tiĥvin)***

## DIVERSAĜA ESPERANTUMO EN ĈERNCI

En pitoreska ĉirkaŭaĵo de Ivanovo, en internulejo de Ĉernci, de la 5-a ĝis la 10-a de julio okazis la 2-a Ivanova E-renkontiĝo (IvERo-2). Ĝin partoprenis esperantistaro el 8 urboj de la lando, kies konsisto respegulas la diversaĝajn adeptojn de la internacia lingvo. Do, dum ĉi IvERo funkciis la kursoj por progresantoj (gvidis O.Kuznecov) kaj por tradukantoj (gvidis T.Loskutova). La kultura programo sufiĉe variis kaj konsistis el tradiciaj kaj novaj aranĝoj, inter kiuj indas mencii la muzikan vesperon "Divenu melodion" (gvidis V.Melnikov), prelegojn-koncertojn pri E.Grieg kaj L.Beethoven (prezentis B.Ĉupin kaj N.Gonĉarova), pri ragtimo (prezentis I.Mironova). La bonega vetero permesis ne nur promeni kaj kolekti berojn en arbaro, sunbruniĝi kaj naĝi en la lago, sed ankaŭ okazigi gajajn sportajn konkurojn ĉe apuda rivereto. Ne mankis lignofajroj kun tradicia komuna kantado (gitaris A.Obrezkov) kaj ŝaŝlikumado. En la kafejo-trinkejo ĝis la mateniĝo alternis diverstemaj interesaj konversacioj, seriozaj pridiskutoj, bardaj sinprezentoj kaj gajaj ludoj, rido. La sufiĉe multnombra infanaro havis apartan programon (prizorgis E.Obrezkova kaj M.Loskutova), kiu antaŭvidis diverstemajn okupojn ankaŭ en Esperanto, kaj tute ne malhelpis al gepatroj, kiuj povis aktive partopreni la aranĝon kaj ĝui E-etoson. La lingvonivelo laŭdinde altis. La Ivanova E-klubo planas daŭrigi la organizadon de similaj renkontiĝoj por familioj, mezaĝaj kaj junaj esperantistoj kaj, tutcerte, por infanoj kaj invitas ĉiujn al IvERo-3, kiu okazos samloke de 06.07.02 ĝis 14.07.02. Bonvenon!

***T. G. Loskutova (Ivanovo)***

***Jurij Paseĉnikov (Tomsk):*** En la renkontiĝo partoprenis 35 personoj, inter ili 13 infanoj. Venis Bronislav Ĉupin de Iĵevsk, Valentin Melnikov, Valerij Ĉerepanov, Valentin Seguru (Moskvo), Oleg Kuznecov (Klin), Nina Gonĉarova (Sankt-Peterburg) kaj kelkaj aliaj. La renkontiĝo estis tre agrabla. La plej agrabla afero por mi estis, ke mi iĝis kvazaŭ denove juna – mia filino foriradis dematene al la programo, gvidata de Lena Obrezkova, do mi ne vidis ŝin ĝis la vespero kaj povis okupiĝi pri io ajn. Kiam mi demandis la filinon, kio al ŝi plaĉis, ŝi diris: "Tio, ke mi estis memstara kaj vi ne enmiksiĝis en miajn aferojn!". Mikaelo Bronŝtejn ne sukcesis veni pro subitaj aferoj, koncertis Andrej Obrezkov. Cetere, Andrej Obrezkov estis ĵus elektita la prezidanto de Ivanova E-klubo.

***Valerij Ĉerepanov (Moskvo):*** Estis bone. Relative malmultekoste, seriozaj aranĝoj, lecionoj kaj bona ripozo dum bona vetero. Kunvenis homoj de nia aĝo + infanoj, do etoso estis eĉ pli konvena (por mi) ol en SEJToj. Estis nekutime multe da infanoj.

## RENKONTIĜO DE AMIKOJ



Novosibirsk estas unu el tiuj urboj, en kiuj (laŭ specifeco de la urbo mem) esperantistoj devas aperadi regule kaj multnombre. Kaj iam la movado tie estis vere multfaceta kaj aktiva. Sed fine de la 80-aj – komence de 90-aj jaroj ĝi iom post iom estingiĝis kaj restis nur apartaj esperantistoj, kiuj jam ne povis aŭ ne emis plu aktivi. Preskaŭ sola escepto estas la akademiano Sergej Pokrovskij, sed lia vere valora poresperanta laboro ne koncernas aktivadon en la urbo.

Ioman esperon pri reaktivigo de E-vivo en Novosibirsk donis dum lastaj jaroj la agado

de Katerina Arbekova, transloĝiĝinta al tiu urbo el Moskva regiono. Ŝi lanĉis (post ioma propagando) la kursojn por la studentoj-filologoj, instruas E-on en porinfana klubo, instalis bezonatajn kontaktojn kun oficialaj instancoj kaj amaskomunikiloj. Kaj kiel unua grava rezulto de ŝia agado estis la unua post multjara paŭzo E-renkontiĝo en Novosibirsk. Ĝi okazis de la 30-a de junio ĝis la 6-a de julio kaj havis la titolon Renkontiĝo de Amikoj (RA-1). La gastoj venis nemultaj – mi + 4 personoj el Novokuzneck (ankoraŭ unu urbo, en kiu nun poiomete revigliĝas E-vivo). La aliaj dudek kelkaj partoprenintoj estis novosibirskanoj, ĉefe la studentoj kaj lernejanoj, al kiuj Katja instruas la lingvon, sed estis ankaŭ kelkaj malnovaj tieaj esperantistoj. Ĉiuj loĝis en kajutoj, en kajo-barko – vere originala ejo por E-renkontiĝo.



La preparita programo estis verŝajne maksimumo, kion povas aranĝi sola spertulino kun helpo de komencantoj. Ĉefa enhavo de ĝia E-parto estis certe la komencanta kaj progresanta kursoj, prelegoj kaj rakontoj pri Esperantaj historio, movado, renkontiĝoj, ankaŭ lingvaj ludoj ktp. Okazis krome lignofajroj kun Esperantaj (kaj, certe, ne nur) kantoj kaj ludoj. La libera tempo estis plenigata per naĝado, gaja Olimpiko, tabloteniso, katamaranoj, ekskurso al la urbo, akva ekskurso per motora kutro, pafado per pneŭmatikaj fusiloj, diskotekoj, videofilmoj pri E-aranĝoj, "serĉado de trezoroj", "mortigo de vinberoj" (tre originala ludo) ks.



Ĉefa rezulto de tiu vere amika renkontiĝo estas laŭ mi kresko de Esperanto-entuziasmo, videbla en okuloj de novaj kaj malnovaj novosibirskaj gesamideanoj.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

## LETO: TAGLIBRO DE RIPOZANTO

***Libera Esperantista Tendaro de personeca kresko.***
***Dimitrovgrad, 10 – 16 de julio, 2001***

***Tago la unua***

… kuloj tre ĝojis, kiam nia juna, libera, plena de entuziasmo kaj deziro personece kreski grupo venis al la bordo de Ĉeremŝan. Malgraŭ ili ni starigis tendojn, muntis kanotojn, faris kampofajron kaj gaje festis la komencon de LETO (aŭ de la somero, kiu scias), manĝinte naskiĝtorton kun unu simbola kandelo. (Kandelon ni ne manĝis, ĉar jam komencis kreski). Post vespera manĝrondo ni sidis kaj kantis ĉirkaŭ la lignofajro, rigardante la pitoreskan naturon apude kaj riveron, prenintan plenan ridetintan lunon, kaj pigraj frapetoj kontraŭ kuloj sonis kvazaŭ aplaŭdoj al la homoj, kiuj donacis al ni LETOn…

> La renkontiĝo rezultiĝis malpli amasa ol esperis la organizintoj – estis nur 8 aliurbanoj kaj 26 dimitrovgradanoj – e-istoj kaj turistoj. Oni faris trejnadojn kaj e-istoj instruis al turistoj E-on – sed tiuj ne interesiĝis. La renkontiĝo estis tre nekutima kaj ege bonetosa.

***Tago la dua***

… tiuj hieraŭaj kuloj rakontis pri tre bongustaj, junaj, liberaj, plenaj de entuziasmo kaj deziro personece kreski objektoj al siaj multnombraj amikoj kaj parencoj. Pro tio ni estis

devigitaj organizi naĝadon tra Ĉeremŝan, en kiu partoprenis ĉiuj, inkluzive "blindasurdamutulojn", "unupiedulojn" kaj "senmanulojn". En ĉi konkurado gajnis Sveta Belova (Henjo), la plej bestigita de tiu malgastama konduto de granda aro da malgrandaj insektoj…

… ilia tikla efiko havis ankaŭ alian influon al niaj kapoj, kaj, kuniginte fortojn, ni korekte respondis preskaŭ duonon da demandoj por infana grupo, senditaj al nia "Kio? Kie? Kiam?" de M.Potaŝov. (Pro justeco mi devas aldoni, ke gajnis teamo de Saŝenjka Sudakova)…



***Tago la tria***

… kiel mi bedaŭras, ke mia edzo ne vidas, kiun sperton en kanotmanovrado mi jam havas! Kaj kiel facile mi remas kontraŭ la fluo kun rapido 360 batoj en minuto – aŭ ĉu mi tajpas kun ĉi rapido? Ne gravas, ĉiukaze tre rapide, ĉar ĝentilhomoj el dimgrada turisma klubo ne permesis al virinoj kanotadi sole, kaj ili estas tiaj fortaj…

… en "100 je 1" premion por la plej ordinara pensmaniero ricevis teamo de Jura Karcev. Mi absolute ne komprenas, kial ĉiuj ilin gratulis…

***Tago la kvara***

… kiel mi bedaŭras, ke mia filo ne vidas, kiel mi sentime transiras abismon laŭ maldika ŝnuro, apenaŭ tenante min per eĉ pli maldika ŝnureto! Dimgradanoj estas braveguloj – neniam en esperantistaj tendaroj ni tion spertis!…

… mi ĵus notis, ke turistoj komencis paroli ian strangan lingvon, petante "Donu al mi teon, пожалуйста!" kaj kriante "Оставь весло – tie estas мель!" Ha, ili ĉiutage havas kursojn …



***Tago la kvina***

… kiel bonege estas, ke mia familio ne vidas, kiel mi ŝvebas supre de la deklivo kun mieno de teruro! Sed je mia honoro mi silentas, ĉar tutegale aero ne sufiĉas eĉ por spirado. Por kia celo diablo min ĉi tien prenis?! Kiel admirinde mi povus nun kuŝi hejme sur sofo kaj personece kreski laŭlonge kaj laŭvaste! Sed hodiaŭ feliĉe mi partoprenas trejnadon "Malbonintenca Insultulo", nun mi elrampos, kaj …suspektinde facile ili min eltiris. Eble mi reorientiĝu al "Entuziasmigita Komplimentparolanto"…

***Tago la sesa***

… sur vitreroj mi jam kuŝis, iru mi prefere kontroli, kiel saĝaj infanoj pretigas lignaĵojn por ke nokte iliaj parencoj kaj aliaj malsaĝaj plenaĝuloj kuradu laŭ ruĝaj karboj. Kiu diablo min prenis al ĉi LETO: sciante min bone, mi certas, ke ankaŭ mi kurados…

… finfine, per ribeloj kaj strikoj (legu: "kapricoj kaj manlekado") ni elpetis la rajton sole kanotadi. Kaj senprokraste oni organizis kanotkonkuradon. Mi kun Vitalik Puŝkarskij preskaŭ atingis Ŝura Artamonov kun Nastja Borisova (Leportigro) kaj nun klare vidas, kien personece kreski dum la sekva jaro …

***Tago la lasta***

… kaj eĉ tromanĝintaj kuloj aplaŭdis al homoj, kiuj donacis al ni LETOn…

***Jelena Akimova (Niĵnij Novgorod)***

## "VOJO AL HINDIO": MALGRAŬ ĈIO SUKCESE

Malgraŭ pluregaj lastatempaj ŝanĝoj pri la Rolluda E-Tendaro "Vojo al Hindio", ĝi, tamen, okazis, kaj tute ne malbone.



Jes, ŝanĝiĝis la loko – nun ĉio estis en la sama monto Alamner en proksima al Ĉeboksari respubliko Marij El, ĉe Volgo, kie devis okazi nur la flugado per aeroglitiloj. Kaj ni aeroglitis! Estas neimagebla tiu sento de libera ŝvebado, kiam oni kure flugigas la aeroglitilon kaj poste glisas desurmonte malsupren tra siblanta aero, al fora tero, kaj mole surteriĝas ie sur vojo duonkilometron sube-flanke (kaj poste portaĉas la 7-8 kg-pezan sed tre neoportunan aeroglitilon reen al la montosupro).

Mem vidaĵo tie estis freneziga! Kiam ni venis al la monto kaj aliris ĝian alvolgan flankon, ni jam ne plu povis moviĝi, paroli, pensi. Ie tie, pli ol 70 metrojn sube kaj 500 metrojn for bluis vastega disfluo de Volgo, kadrita niaflanke je verda vastaĵo montpieda, kaj transflanke je bluete nebula, preskaŭ nevidebla alta bordo, transformiĝanta al ĉielo.

Jes, iom reduktiĝis la kvanto de la tagoj – de 8 al 5, por ke ĉiuj povu partopreni. Jes, ne okazis speciala ĉevala parto, kun longdistanca marŝado, sed ja estis ĉevaloj (ĉevalino Zorjka kun ĉevalidino Maŝka), sur kiu(j) oni multe kaj plezure rajdis. Kaj Maŝka konstante penis pro la varmego enrampi en niajn tendojn – ŝi ne sciis, ke ankaŭ tie ŝi ne trovus freŝon...

Jes, la partoprenantoj ne multis – ni estis iom pli ol 20-ope: el Ĉeboksari (+ Nepalo), Dimitrovgrad, Ivanovo (+ Kovrov), Kazanj, Moskvo, Uljanovsk, sed estis ege bona kompanio, kiu matene kaj vespere hindiumis diversmaniere, tage kundiskuŝis en ombro aŭ kun ludoj naĝis en fora lageto (en Volgo preskaŭ ne eblis naĝi – vi povus iri kilometron, sed la akvo atingus eĉ ne vian umbilikon); emocie kaj ĝoje rolludis hindmite, estante dioj, dietoj kaj antikvaj hindoj; plenanime kantis kaj aŭskultis interesegajn rakontojn de nia nepalano Nirab Kajastĥa pri hinda mitologio ĉe lignofajro ĝis profunda nokto, kiam la ĉielo, kovrata de stela brilpunktaro, heliĝis je baldaŭa aŭroro...



Estis pluraj tiuj ŝanĝoj. Sed malgraŭ subita nepovo veni de unu el la plej ĉefaj organizantoj Dima Oŝĉepkov (dankon al li pro la ideo kaj antaŭorganizado), malgraŭ ĉiuj ĉi subitaj problemoj, kiujn heroege superis niaj ĉeboksaraj knabinoj, prenintaj sur sin la tutan ŝarĝon de loka organizado – Saŝa Fedotova, Olesja Oŝĉepkova kaj Katja Burmisova (mi ĝistere klinas min je profunda dankego kaj admiro antaŭ ili) – malgraŭ ĉio ĉi la tendaro sukcesis kaj portis al ni multege da plezuro kaj ĝuo!

***Amike via, Oĉjo Dadaev (Moskvo)***

Ne senkaŭze oni nomas Internacian Junularan Semajnon la plej fama mezeŭropa aranĝo, ja ankaŭ la ĵus finiĝinta renkontiĝo pasis en la kutima bonega hungareca etoso (kiel la IJK-oj en Debrecen kaj Veszprém) kun cento da partoprenantoj. E-lingvaj salutvortoj de la urbestro, koncerto de "Esperanto Desperado", sportaj ludoj (arkpafado, murgrimpado, akvopistolado en la ĉefplaco de la urbo), ekskursoj, konkursoj, ĉiunoktaj diskotekoj, karaokeo kaj multaj aliaj eroj igis la ĉi-jaran IJS-on neforgesebla, simila al "malgranda IJK". ***(László Szilvási)***




# BET-37

La trideksepan fojon kunvenis esperantistoj al tradicia E-arango BET-37 (Baltiaj Esperanto-Tagoj), kiu okazis la 7-15-an de julio en Kaunas, en universitata urbeto de Litovia Agrikultura Universitato.

Ĉi-jare BET-37 estis dediĉita al Eŭropa Jaro de Lingvoj. En la aranĝo kunvenis 305 (aliĝis 383) esperantistoj el 18 landoj.

La programo estis tradicia, t.e. somera universitato, paroligaj kaj perfektigaj kursoj, diskutoj pri situacio kaj problemoj de Esperanto-movado en Baltiaj landoj, seminario de klubestroj kaj aktivuloj, literaturaj aranĝoj, muzikaj kaj artaj vesperoj, pupteatra spektaklo, distraj programeroj, ekskursoj k.t.p. Por ĉiuj partoprenantoj la aktualajn novaĵojn, informojn presis ĉiutaga gazeto "BETago", eldonata dum la tuta periodo de la aranĝo.

Ne mankis atento al la aranĝo flanke de la urbaj kaj ŝtataj instancoj, gazetaro, tele– kaj radioelsendoj. Gratulon sendis Prezidento de Litova Respubliko Valdas Adamkus. La 13-an dum la plej populara matena programo per televido preskaŭ dudek minutojn parolis pri la aranĝo, respondis al demandoj la prezidanto de Litova Esperanto-Asocio Povilas Jegorovas, samtempe televido montris raportaĵon pri aliaj du esperantistoj.

***Irena Alijoŝiute (sekretariino de Litova EA)***

***

La unuan fojon mi partoprenis en BET, malgraŭ ke ĝi jam estis la 37-a. Kaj nun mi povas kompari ĝin kun Universalaj Kongresoj kaj SEJToj. Certe rusiaj E-renkontiĝoj estas pli interesaj, gajaj, etosaj, ol la okcidentaj. BET estas pli proksima al UK, estas multaj seriozaj prelegoj, riĉa kultura programo, preskaŭ luksaj loĝkondiĉoj, multe da partoprenantoj kaj eksterlandanoj, eĉ el tiaj ekzotikaj landoj kiel Brazilo kaj Aŭstralio. Sed tamen dank' al "invado" de rusianoj kaj ukrainianoj la vivo en BET fariĝis pli interesa. Estis organizitaj KGS (gvidis M.Lineckij, kapitanoj A.Borodinec kaj A.Belov), aŭkcio (gvidis M.Lineckij), Kio Kie Kiam (gvidis A.Belov, kapitanoj M.Lineckij kaj V.Ŝilas), komuna apudfajra kantado (gvidis M.Bronŝtejn kaj A.Masjukas), multe da interesaj prelegoj faris M.Bronŝtejn kaj A.Gonĉarov ktp. Mi partoprenis iam en litovaj E-renkontiĝoj en la 79-a, 80-a kaj 81-a jaroj, do post 20 jaroj mi renkontiĝis kun malnovaj amikoj, konatiĝis kun la novaj kaj vidas, ke Litova E-asocio fariĝis eĉ pli forta kaj kapablas organizi IJK en 2003 kaj UK en 2004, pri kiuj ili revas. Kaj certe mi venis ne vane, ĉar estis bona vetero, varma akvo en apuda lageto, interesaj ekskursoj, belaj knabinoj kaj finfine bongusta biero.

***Aleksandr Belov (Tiĥvin)***

## NI ESTIS TIEL JUNAJ...

Mia lasta partopreno en BET estis okazinta antaŭ dek ok jaroj, do, pasintjare mi volonte akceptis la inviton kaj planis la vojaĝon al Baltiaj Esperanto-Tagoj por 2001.

Ĝi bonŝance okazis, kaj mi denove mergiĝis en la specifan fluon de unu el la plej longvivaj esperantistaj aranĝoj, BET-37. En la lasta numero de leginda ĉiutaga informilo "BETago" aperis miaj impresoj prie:





Mi miras pri trankvila fluo
de nia BET-a rendevuo,
pri tiu plaĉa milda mol'
de la litova elparol',
pri mia vago al la lago,
pri tro organizita tago,
pri tiu svaga kaj sen cert'
dancado mia dum koncert',
pri la biera plejbongusto,
pri ĉarma manĝhorara ĝusto,
pri senkapablo de memreg'
por ne dormeti dum preleg'...
Kaj mi konkludu propramane:
Ĉi tien venis mi ne vane.



Ne ĉio ĉi, tamen, plej ĉefas en miaj impresoj, sed la rava okazo renkonti en la sama loko amasan aron da personoj, kies nomoj, laŭ mi gravurendas en iam aperonta ora (nu, almenaŭ bronza) tabulo de la plej eminentaj movadanoj. Provu rekoni/diveni kiu estas kiu kaj bonvolu memorfiksi tiujn nomojn – iam vi fieros, ke estis iliaj samtempuloj:





***Biruta Rozenfelde (Kondrate).*** Estante studentino ŝi, fakte sola, organizis la Unuan BET en 1959!

***Inita Tamoŝiunene (Gudanec).*** Unu el la plej brilaj Esperanto-poetinoj, animigantino de BET-9 (fakte, la Unua SEJT).



***Vitautas Ŝilas.*** Fondinto kaj multjara prezidanto de la famega klubo "Juneco" en Vilnius (aŭtune la klubo festos 40-jaran jubileon!). Unu el la plej agemaj SEJM-gvidoroj. Lanĉinto kaj organizinto de kelkaj popularaj E-renkontiĝoj (MUZO, Ignalina boatado), ankaŭ de SEJT en 1967. Kantaŭtoro, kanttradukisto (Ni vojaĝas, Aŭtuno k.a.). Honora Aktivulo de SEJM.



***Anatolo Gonĉarov.*** "Li SEJM-on donacis al verda popolo" (mi citas). Honora Aktivulo de SEJM.

***Augusto Kilk.*** Multjara gvidanto de E-junularo en Estonio. Fondinto de la renkontiĝoj "Esperanto kaj naturo", fojfoje pasintaj kune kun BET.





***Mikaelo Lineckij.*** Fondinto kaj gvidanto de Kieva E-klubo "Ora pordego". Organizinto de kelkaj brilaj SEJT-oj. Artisto, producisto, tradukisto. Edukanto de junularo.

***Povilas Jegorovas.*** Multjara aktivulo de SEJM. Prezidanto de LEA. UEA-komitatano. Mastro de multaj BET-oj, ankaŭ de la lasta.

Nu, do, kiun vi rekonis? Se nur min – hontu!

***Sincere via Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***



## 74-A SAT-KONGRESO

La Kongreso de SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda) okazis ĉi-jare en Nagykanizsa (legu: Nadjkaniĵ) – malgranda urbeto en sud-okcidenta Hungario, proksime al limo de Kroatio. Ĝi estis ne granda, sed pli multnombra, ol pasintjare en Moskvo – kolektiĝis ĉ.180 homoj el 27 landoj. El Rusio estis nur du personoj: Nikolao Gudskov kaj Natalia Aroloviĉ. Iom pli da homoj estis el Ukrainio. Ĉar la Kongreso pasis en malgranda urbeto, ne estis tro multe da allogaĵoj en la urbo mem, tamen okazis interesaj ekskursoj al la bordoj de la lago Balaton kaj Budapeŝto.

Laborkunsidoj estis multnombraj kaj viglaj. Apartaj programeroj estis ne tro multaj; inter ili indas mencii la prelegon de Tatjana Auderskaja pri Asocio de Verdulaj Esperantistoj kaj ekologia movado en Odeso, kiun akompanis profesia esperantlingva filmo pri birdoj de marĉaj regionoj ĉe enfluejo de Dnestro. Renkontiĝoj kun lokaj sociaj agantoj, sindikatistoj kaj politikistoj ne okazis, sed estis tre interesa ekskurso al la loka mebla fabriko. Estis nemalbona kultura programo, kiun gvidis fama hungara kantistino Anjo Amika.

Krome, okazis vizito al konstruaĵo en iu vilaĝo nemalproksime de Nagykanizsa, kiu estas donacita al esperantistoj. Espereble, tie iam aperos nova Esperanto-centro!




Krom kutimaj Deklaracio kaj Gvidrezolucio, la Kongreso akceptis leteron al rusia ambasadoro pri la sorto de la arestitaj membroj de "Teorio de feliĉo".

Okazis kelkaj frakciaj kunvenoj: kiel ĉiam, la plej aktiva estis Liberecana frakcio, okazis ankaŭ kunveno de sennaciisma frakcio, kiu post multaj jaroj de latenta agado kaj provoj reviglîĝi finfine firme restariĝis – verŝajne, rezulte de bona organizo de reta diskutlisto. Krome, Kep Enderby, tiam ankoraŭ prezidanto de UEA, faris brilan prelegon "Pledo por sennaciismo".

Por niaj organizontoj de internaciaj aranĝoj necesas mencii ankaŭ utilan negativan sperton – ja ni devas scii, kion ne plu indas fari! Do, organizado de loĝado ktp. estis komisiita al loka turisma firmao. Ĉio estus bona, sed ties oficistoj, dum registrado kaj enloĝigo, ne povis paroli esperante, kaj alparolis esperantistojn angle kaj germane (iuj povis ankaŭ kroate), kio, certe, tre malplaĉis al la kongresanoj.

Post fermo de la kongreso por ĉiuj dezirantoj estis organizita busa veturo al sekvatage komenciĝonta Universala Kongreso en Zagrebo (130 km), kie, cetere, ankaŭ estis kelkaj eventoj, proksimaj al SAT kaj laboristesperantisma agado: kunveno de SAT, kie okazis aktiva varbado de novaj membroj, kunveno de sindikatistoj kaj kunveno de renoviĝinta ATEO (Ateisma Tutmonda Esperanto-Organizo), dum kiu estis prezentita la nula numero de la asocia bulteno "Ateismo" (interesitoj turnu sin al: Jesuo de las Heras, p/k 4461, E-30080 Murcia, Hispanio; aŭ rete: <jesuo@ono.com>).

Kaj ankoraŭ unu rimarko: denove prezidanto de UEA estis elektita aktiva SAT-ano, ĉifoje Renato Corsetti el Italio ("SAT-ano, pruntita de SAT al UEA", laŭ lia propra sindifino).

***Nikolaj Gudskov (Moskvo)***

# EOLA-14: RENESANCO

Sonas fascina muziko, dancas paroj: damoj estas vestitaj en belegajn vastajn robojn, viroj – en kulotojn, bantojn kaj perukojn... Belegaj pentraĵoj kaj arkitekturaĵoj aperas el-sub la manoj de geniuloj... Komenciĝas granda epoko: la epoko de Renesanco. La epoko de la renaskiĝo de kultura vivo de homoj...

Pasis kelkaj jarcentoj. La vivo ŝanĝiĝis – ĉie regas teknika progreso: aŭtoj, vitrobetonaj ĉielskrapantoj, raketoj, komputiloj, Interreto. Sed la koroj de multaj kreemaj homoj strebas al la etoso de Renesanco... Ankaŭ ni ĉiuj povas provi almenaŭ dum 4 tagoj vivi en tiu etoso.

EoLA havas gloran historion. Sed la unuan fojon ĝi havas temon: "RENESANCO".

Ĝi estas festivalo de ĉiuj kaj por ĉiuj. Ĉiuj povas partopreni, ĉiuj povas kunorganizi ĝin. Ĉefa trajto de la EoLA estas, ke oni povos studi diversajn erojn de Renesanca kulturo kaj vespere prezenti siajn atingojn. Estos konkursoj de Poetoj kaj Menestreloj, de Pentristoj, Verkistoj, la Teatra, la Danca kaj pluraj aliaj.

Krom proza konkurso je la nomo de Bokaĉo estas anoncata konkurso de sonetoj (14 linioj) kaj fotokonkurso de portretoj de ESPERANTISTOJ (formato 15x21).

La festivalo okazos dum 07-10.03.2002 en Ĉeboksari.

La Organiza Komitato:

***Oŝĉepkov Dima (kunordigado):*** *(095) 1973162, (902) 6966596 (poŝa), <dmir@online.ru>;*
***Fedotova Saŝa (teamo de Ĉeboksari):*** *(8352) 562029, <al_fed@rambler.ru>;*
***Gonĉarova Irina (teamo de Moskvo):*** *(095) 5930575, <mirina@online.ru>;*
***Dadaev Oĉjo (informiloj; interurba teamo):*** *(902) 6775935 (poŝa), <esperanto@beep.ru>;*
***Ŝejnina Sonjo (teamo de Ivanovo):*** *(0932) 257342, <sonjo@rambler.ru>.*

Komuna retadreso <eola2002@land.ru>. Retpaĝo de la aranĝo <www.eola.by.ru>.

Poŝta adreso por demandoj, proponoj por la programo: ***Aleksandra Fedotova, 428024, Ĉeboksari, str.Egerskaja 5 – 10.***

## PROZA KONKURSO je la nomo de Ĝovanni Bokaĉo

*Tio estis tempo kiam oni ne povis kuraci seriozajn malsanojn, kaj pesto estis terura plago por homoj. En 1348 pesta epidemio alvenis en Florencon, "la plej bonegan urbon de Italio"…10 noblaj kaj belaj gejunuloj – 3 viroj kaj 7 virinoj forlasis Florencon kaj enloĝiĝis en vilaĝa domo. Ĉiutage ili kolektiĝis en ĝardeno kaj rakontis historiojn…*

De tio komenciĝas la fama libro de Ĝovanni Bokaĉo "*Dekamerono*" (kio signifas "dektagaĵo", ĉar ĝi inkluzivas rakontaron de 10 tagoj). Memore pri tiu famega verko de la famega florencano ni volas anonci la konkurson je la nomo de Ĝovanni Bokaĉo. La 10 gejunuloj rakontis historiojn por sin amuzi kaj evidente ili sukcesis, ĉar iliaj rakontoj estas vere vivplenaj kaj spritaj. Do, se ankaŭ vi volas provi tiom svelte amuzi sin kaj la aliajn, tiam verku novelon – malgrandan (ne pli ol 3-printpaĝan) allogan rakonton.

Pri kio povas temi en la novelo? Ĉiu tago de Dekamerono havis sian propran temon por rakontoj. Do, elektu:

1. Pri tio, kio plej plaĉas al vi.
2. Kiel homoj, trapasinte multege da malfeliĉoj, tute neatendite finfine ekprosperis.
3. Kiel homoj, dank' al sia ruzspriteco, atingis tion, pri kio ili pasie revis, aŭ regajnis la perditon.
4. Pri malfeliĉa amo.
5. Kiel geamantoj post turmentoj kaj malfacilaĵoj finfine iĝis feliĉaj.

6. Kiel homoj vunditaj per ies ŝerco faris la samon reciproke aŭ per rapidaj kaj spritaj respondoj preventis perdon, danĝeron aŭ malhonoron.
7. Pri artifikoj, kiujn faris edzinoj al siaj konjektemaj aŭ malkonjektemaj edzoj en la nomo de amo aŭ por sinsavo.
8. Pri artifikoj, kiujn faras ĉutage virino al viro, viro al virino kaj viro al viro.
9. Pri tio, pri kio vi ŝatus rakonti.
10. Pri homoj, kiuj montris malavarecon kaj grandanimecon en amaj kaj aliaj aferoj.

Via novelo povas esti pri iuj ajn epoko kaj lando, ja verkisto libere vojaĝas tra tempo kaj spaco… La plej interesaj kaj altkvalitaj noveloj estos publikigitaj en speciala libreto.

Ne forgesu sendi vian novelon al Sonjo Ŝejnina rete <sonjo@rambler.ru> aŭ poŝte (153051, Ivanovo, Koĥomskoje ŝosse, 22A – 69) ĝis la 1-a de januaro, 2002.

***Estimataj gesinjoroj! DEKAMERONO STARTIS. Estas via vico rakonti…***

## REJo-2002

***Renkontiĝo de Eŭropa Junularo, Kievo, 1-7.07.2002***

La ĉeftemo: "ESPERANTO – LIGILO DE KULTUROJ"

Hej, homoj!!! Jes, ni turnas nin ĝuste al vi, al tiuj, kiuj delonge aŭ eble eĉ neniam en la vivo estis en Ukrainio kaj aparte en ĝia ĉefurbo Kievo – urbo kun preskaŭ dumiljara historio. Vi ĉiuj estas elkore invitataj kaj malpacience atendataj en gastama ukraina tero!

REJo-2002 pasos en jam konata por multaj loko – ripozejo ĉe la vilaĝo Puĥivka. Tie jam okazis InterSEJT-2 (1990), LER-1 (1991), KLERo (1998) kaj EoLA-11 (1999). La programo promesas esti riĉa kaj varia. En ĝi estos tradiciaj kaj ne tre tradiciaj programeroj, kursoj, konkursoj, multaj teamaj laboroj, koncertoj je ĉies plezuro. Certe okazos ekskurso tra Kievo – tra la urbo, kiun oni nomas patrino de la urboj rusaj. Vi povos vidi Kievan Kavernan Laŭron kaj Katedralon de Sankta Sofia (ambaŭ de la 11-a jc), Andrean deklivon – straton-artgalerion kaj multajn aliajn interesaĵojn. Nepre funkcios tag-vesper-nokta babilejo kun bufedo. Tamen, se iu havas iujn freŝajn efektivigindajn ideojn – ne hezitu sugesti ilin al ni! Adresoj de la Organiza Komitato (OK): poŝta – ***Mikaelo Lineckij (REJo), p.k. 91, Kijiv-201, UA-04201, Ukrainio;*** rete <rejo@uafree.net>. Por urĝaj informoj uzu tel. +380-44-4320743 (Mikaelo Lineckij) kaj +380-44-5466661 (Julia Dzjuba). Retpaĝo <www.esperanto.kiev.ua/rejo.htm>.

La kotizo por rusianoj, kiu inkludas aliĝon, programon, loĝadon kaj trifojan manĝadon, estas inter 20 kaj 50 dolaroj depende de la aĝo kaj loĝkategorio.

Estas ebleco grave redukti viajn kotizon! Tiu, kiu sukcesos varbi kaj venigi amikojn el okcidentaj landoj ĝuos 20%-an rabaton kaj el orienteŭropaj landoj – 15%-an rabaton pro ĉiu veninto (sed ne por la kategorio "Amasejo"). Tio signifas, ke kelkaj venigitaj amikoj-eksterlandanoj donas al vi eblon senpage partopreni en la tendaro! Tiu maniero estas duflanke profita: de unu flanko reduktiĝos viaj elspezoj kaj de la dua – la tendaro fariĝos vere internacia. Sed por tio necesas aktive kontakti malnovajn kaj ne malpli aktive akiri novajn amikojn. Do, via bonŝanco estas en viaj manoj!!! Por la aliĝo necesas antaŭsendi minimume 10% de la respektiva kotizo. (N.B. Alvenintoj senaverte estos devigitaj alpagi ankoraŭ 10 dolarojn.) La Informilo №2 aperos en marto 2002.

***La Organiza Komitato***

***

La **21-a Rusia Esperantista Kongreso (REK-21)** kun la Antaŭkongreso okazos dum 9-16.12.2001 en Kostroma. Kune kun tiu ĉi numero de REGo vi ricevos la unuan Informleteron pri la Kongreso kun ĉiuj informoj kaj aliĝilo.

***

La **45-a Internacia Seminario (IS)** okazos dum 27.12.2001 – 03.01.2002 en Rotenburg, Germanio. IS estas “la junulara, silvestra Esperanto-aranĝo” en Germanio. Ĉi-jare la loko estas unu el la plej belaj urboj de la lando. La partoprenantojn atendas amuzaj programoj kaj neforgesebla etoso. Okazos kursoj, ludoj, ekskursoj, silvestra balo kaj ĉiunokta, freneza diskoteko. Pliaj informoj kaj aliĝo ĉe: Germana Esperanto-Junularo, Grellstr 36, DE-10409 Berlin, Germanio; rete <bero@esperanto.de>.

***

La **18-a Internacia Festivalo (IF)** okazos dum 27.12.2001 – 03.01.2002 en Magdeburgo, Germanio. IF estas la “tradicia, familia, silvestra” aranĝo en Germanio. Oni atendas familiojn kaj esperantistojn prefere inter 25 kaj 55 jaroj, sed memkompreneble ankaŭ aliaĝulojn. Estas programoj por paroj, familioj kaj familioj kun infanoj. Oni povas en agrabla Esperanto-medio renkonti la Novjaron dum la internacia festivalo. Pliaj informoj kaj aliĝo ĉe: Hans-Dieter Platz, Postfach 1148, DE-34303 Niedenstein, Germanio; rete <hdp@internacia-festivalo.de>.

***

La **4-a Internacia Himalaja Renkonto** okazos dum 26.02 – 08.03.2002. La celo de la renkonto estas kunigi esperantistojn el la tuta mondo en unika loko por kune babili, vagadi, ferii, ktp. Pliaj informoj kaj aliĝo ĉe: Nepala Esperanto-Asocio, Pk. 10518, Kathmandu, Nepalo. ***(Eventoj)***

---

## KIEL ILIN KAPTI?

Kreskigo de novaj esperantistoj, ties (re)produktado estas la ĉefa tasko de ĉiu esperantisto, ĉu kapabla por tio, ĉu ne. Praktike probable ne eblas esperantistigi ĉiun homon sur la Tero, sed ni devas strebi al tio, almenaŭ provi, provadi tion. Ĉiu el ni trovu sian vojon al tio. Kiu el ni jam provis tion? Jen kion mi trovis.

Proponado instrui Esperanton al tuta klaso en iu lernejo, al ĉiuj senescepte kaj devige, havos la sorton de ĉiuj lecionoj de fremdaj lingvoj. I.a. infanoj ĝenerale malbone lernas lingvojn, ili malbone rilatas al lingvoj kaj ofte malŝatas la lecionojn. Rezulte la infanoj ekmalamos ankaŭ Esperanton. Laŭ mi tial ne necesas proponi al la lernejestroj aranĝi E-kursojn aŭ E-lecionojn en lernejoj. Necesas proponi, aranĝi, fondi grupojn, rondetojn, Klubojn de Internacia Amikeco (KIA). Ja inter ĉiuj homoj kaj des pli inter infanoj troviĝas dezirantoj korespondi amike kaj internacie.

La KIA-anoj povas verki leterojn en sia nacia lingvo. Eblas trovi korespondemulojn inter esperantistoj. Traduku la leterojn de la infanoj (tio ne estas pena laboro – la infanoj ne verkas longajn leterojn!) kaj sendu al la trovitaj adresoj aŭ al viaj amikoj, kunlaboremaj Esp-instruistoj. Mi estas unu el tiuj. Iuj infanoj daŭre korespondos, iuj ĉesos. Al la entuziasmuloj proponu lerni la lingvon de la korespondado, t.e. Esperanton. Ni proponu la lingvon al tiuj infanoj, kiuj vere bezonas la lingvon por kontaktoj kun alilandaj samaĝuloj.

En iu recenzo de S.McGill min forte frapis la lasta frazo “La nura problemo estas ... trovi la infanojn!”. Mi ne havas tiun problemon de jaroj. Necesas simple viziti proksimajn lernejojn, peti permeson kaj anonci fondon de KIA.

***E.S.Perevertajlo (Taŝkent), el Kontakto, 3/2001***

## DECIDOJ DE REU-ESTRARO

***faritaj dum la estrara kunveno en OkSEJT-41 (Kovrov, 18-19.08.2001)***

1. REK: disdividi la taskojn pri ĝia organizado jene:
   kunordigo, financoj – Kokolija;
   antaŭkongreso, fakaj kunvenoj – Gonĉarova, Gudskov;
   REU-forumo – Grigorjevskij;
   koncertoj – Arosev;
   teknika parto kaj ekskursoj – Kuznecov Aleksej kun Kostroma E-teamo;
   informiloj – Grigorjevskij, Kokolija.
   preparo kaj solena anonco dum la kongreso pri la atingoj de la jaro – Blinov, Karcev.
2. RET: dum proksimaj 2 monatoj esplori kaj trovi la lokon por la aranĝo (eventuale Ĉeboksari, Kovrov).
3. La Jarlibro: fiksi la aperdaton – plej malfrue al REK.
4. La Libroservo: aprobi la raporton pri la funkciado de LS en la unua duono de la jaro.
5. UK en Rusio: prepari kaj dissendi en septembro informleteron pri ĝi por la deputitoj kaj aliaj influhavaj personoj. (Grigorjevskij, Gudskov)



*REU-sinprezento dum OkSEJT*

6. Regiona komisiono de UEA por eks-Sovetio: provi instali kontaktojn kun Landaj Asocioj kaj apartaj aktivuloj en la landoj de eks-Sovetio. (Kokolija)
7. Delegita reto kaj Canuto-listo por Rusio: anticipe pridiskuti kaj prepari la proponotan al UEA liston por la membrigo per Kanuto-fondaĵo; kontakti la nunajn rusiajn UEA-delegitojn kun la celo rekomendi al UEA elimini la nefunkciantajn el la listo. (Ĉertilov, Kokolija)
8. Honorigoj: prepari proponojn por nomumo de honoraj UEA-membroj. (Grigorjevskij)
9. RoKo (Ranglisto Kluba): ellabori la manieron prepari kaj aprobi la jarfinajn rezultojn de la ranglisto. (Grigorjevskij)
10. Kotizoj: fiksi por la jaro 2002 jenajn kotizojn por REU-membreco: individua membro – 100r. (por eksterrusianoj – 15 eŭroj), familia membro – 20r., aliĝinta kolektiva – 100r. + 20r. por ĉiu aligita membro, dumviva membro – 25-oblo de koncerna individua kotizo.
11. Prepari kaj aperigi (kun regula renovigo) ruslingvan gazeton pri E-o, organizi ĝian dissendon al REU-kluboj kaj reprezentantoj por pendigo en lernejoj kaj institutoj. (Blinov)
12. Elekti Danil Kapitonov regiona kunordiganto de REU por Volgia regiono.

En septembro per la reta voĉdono REU-Estraro aprobis: Vladimir Terjoĥin (Jekaterinburg) - kiel regiona kunordiganto de REU por Uralo; Sergej Bronov (Krasnojarsk) - kiel regiona kunordiganto de REU por Okcidenta Siberio; Aleksandr Masjukas (Murmansk) - kiel REU-reprezentanto.

## Rezultoj de ĈALK-ekzamenoj

La 6-an de junio ekzameniĝis laŭ la nivelo B s-ro **Vladimir Perepelica** el Koroljov kun la noto "4" kaj laŭ la nivelo A s-ino Anna Ĉajkova (Moskvo) kun la noto "5".

Dum OkSEJT-41 en Kovrov ekzameniĝis laŭ la nivelo A (samtempe, laŭ konvencio kun REJM, tio estas ankaŭ REJM-ekzamenoj) sekvaj personoj:

1. AROLOVIĈ Amalia Viktorovna (Moskvo) – 4
2. BARANOV Miĥail Jurjeviĉ (Ivanovo, "Teamo") – 5
3. DOLMATOVA Darja Aleksandrovna (Jelec) – 4
4. GERASIMOV Aleksandr Vjaĉeslavoviĉ (Niĵnij Novgorod) – 5
5. GRIGORJEVSKAJA Olga Stanislavovna (Ĉeboksari) – 4
6. JOLKIN Vladimir Igoreviĉ (Dolgoprudnij) – 4
7. KUZNECOVA Jelena Anatoljevna (Roslavl) – 4
8. MOREV Aleksandr Anatoljeviĉ (Sankt-Peterburg) – 4
9. SALJKOVA Galina Nikolaevna (Jelec) – 5

***(ĈALK)***

## NOVAJ ALIĜOJ

Novaj aliĝintaj kolektivoj fariĝis ***Kostroma E-teamo*** (2 membroj) kaj Moskva E-klubo ***MASI/FaRo*** (34 membroj – la plej granda membrokvanto inter ĉiuj REU-kluboj!).

Novaj individuaj membroj de REU: ***Abramoviĉ Miĥail (Moskvo), Cvileneva Nina (Ufa), Ĉerepanov Valerij (Moskvo), Djorin Sergej (Moskvo), Galiĉskij Igor (Severodvinsk), Ivannikova Olga (Ĉeboksari), Melnikov Aleksandr (Rostov-na-Donu), Minin Vladimir (Usono), Sapelkin Eduard (Ĉeboksari), Sokolova Evelina (Krasnojarsk).***

REU-kotizoj por la jaro 2001:

60 rub. (por eksterrusianoj – 10 eŭroj) – individua kotizo (inkluzivas la membrokarton, REGon kaj aliajn informojn, voĉdonrajton dum REU-konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

1500 rub. – dumviva kotizo (ĉio la sama dum la tuta vivo);

20 rub. – familia kotizo (la membrokarto, voĉdonrajto dum REU-konferenco);

60 rub. + 20 rub. por ĉiu membro – kolektiva kotizo (la membrokartoj, REGo kaj aliaj informoj de REU por la klubo, voĉdonrajtoj dum REU-konferenco).

*La rublaj kotizoj sendendas al **G.Kokolija** (la adreso estas en la lasta kovrilpaĝo), la eŭra kotizo pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.*

## ESPERANTO + MEDICINO = IVANOVO

En fama afabla malgranda urbo Pljos ĉe rivero Volga de la 10-a ĝis la 12-a de junio okazis renkontiĝo, organizita de Ivanova Medicinista E-Asocio (IMEA) kunlabore kun Junulara E-teamo de Ivanovo (JETI).

La plej ĉefa ideo estis informi homojn, interesiĝantajn pri medicino, pri diversaj kuracaj

metodoj kaj la eblecoj profesie uzi Esperanton. En la programo estis diversaj kursetoj: pri masaĝo de la klasika ĝis la diina, E-kursoj (ankaŭ MAZI por la plej malgrandaj kaj la plej "nulaj"), psikologia trejnado pri optimismo (Nataŝa Grigorjevskaja), familia psikoterapio (Aleksandra Goldina), "Geŝtalt"-terapio (d-ro Ĉeremin R.A). Estis interesaj kaj kutime popularaj lecionoj pri reta psikologio (S.Vasiljev), vizaĝista majstroklaso (A.Vasiljeva). Ronda tablo "Ĉu estas necesaj psikotrejnadoj en renkontiĝoj de esperantistoj?" okazis kiel emocia, sed konkreta diskutado, ĉar ĉiujn kursojn gvidis profesiaj kuracistoj kaj psikologoj.

Dum la aranĝo funkciis kelkaj laborgrupoj kaj oni povis ekscii pri profesiaj medicinaj E-asocioj: Universala Medicina Esperanto-Asocio, Monda Yumeiho-Societo, Tutmonda Esperanta Medicina Asocio por Studentoj, Akademio Internacia de la Sciencoj en San-Marino, Asocio Subtena por AIS en Rusio k.t.p., pri diversaj medicinaj libroj kaj revuoj, retpaĝoj kaj retaj diskutlistoj, i.a. planata dissendolisto por medicinista agado en Rusia E-Unio (<imea-reu@yahoogroups.com>).

En la aranĝo partoprenis pli ol 50 personoj el diversaj urboj – Ivanovo, Kostroma, N.Novgorod, Moskvo kaj aliaj. Estis pli ol 5 familioj kun infanoj (kun la aĝo de 1 ĝis 13 jaroj), do la renkontiĝo povus nomiĝi Familia, ĉar estis planita ankaŭ speciala programo por la infanoj kaj gepatroj. Kaj kompreneble – somero, rivero, freŝa aero: estis sufiĉe da tempo por aktiva ripozo, vesperaj programoj, gitarludoj kaj koncertoj (de Maksim Kablukov), grandaj promenadoj surtere, surakve kaj tra la urbo, belega kaj kun abundo de turismaĵoj – kvar muzeoj, i.a. de pentristo Levitan, de pejzaĝo, de antikva rusa kulturo.

La 27-an de junio en Ivanovo pasis kvintaga rapid-kurso de Esperanto por studentoj-medicinistoj. La kurson gvidis Natalja Grigorjevskaja. La kurso estis tute sukcesa – en ĝi partoprenis ĉ. 7-9 studentoj, el kiuj 6 finis ĝin kaj ricevis la diplometojn. La instruado okazis laŭ peto de Ivanova Medicinista E-Asocio (IMEA), ankaŭ la programo de la kurso estis "medicinigita" – do, estis aldonitaj medicinaj terminoj kaj temoj.

***REU-komisiito pri medicina agado,***
***IMEA-prezidanto Pavel Volkov <imea@mail.ru> (Ivanovo)***

---

La 14-an de majo 2001 forpasis membro de REU, la gvidanto de Niĵnevartovska E-klubo, Honora civitano de Niĵnevartovsk Timofej Dmitrieviĉ Ŝuvajev. Esperantistoj de tiu urbo kreas muzeon pri T.D.Ŝuvajev kaj pri la esperantista movado en Niĵnevartovsk. Ili petas dezirantojn kontakti la klubon kaj sendi materialojn por la muzeo (kiu ekfunkcios oktobre) laŭ la adreso: Исмагилова Эльмира, Интерклуб, ул.Чапаева 9А, СШ № 21, 628615 Нижневартовск, Тюменская обл.



# REJM-info

*redaktas Vitalij Malenko*

*Saluton, karaj legantoj! Kun plezuro mi ŝatus verŝi sur vian kapon multe da diversaj informoj, kiujn mi kolektis en tiu ĉi numero de REJM-info. Certe estas someraj aferoj: vojaĝoj, vojaĝoj kaj vojaĝoj. Kaj nepre E-aranĝoj: kaj rusiaj kaj eksterlandaj. Iom da seriozaj pensoj, iom da historio, iom da informo pri estontaj aranĝoj. Do: plezuran legadon!*

## REJM-KONFERENCO

Rememorante pri trista sperto de okazigo de REJM-koferenco dum EoLA, kiam aktivuloj kunsidis kaj pro tio suferis alia progarmo, ni dekomence intencis fari laborajn kunvenojn de REJM por sukcesi dum mallonga tempo, kiu tre valoras dum niaj aranĝoj kaj ĉi-kaze – OkSEJT. Kunveno de REJManoj kaj ĉiuj interesiĝantoj okazis 2 foje. Dum la unua kunveno kolektiĝis multaj aktivuloj kaj prezentitaj kaj pridiskutitaj estis kelkaj gravaj demandoj, ekzemple alelektoj en REJM-komitaton, ĉefaj aranĝoj kiel OkSEJT kaj EoLA, trejnaj seminarioj por aktivuloj (ATS), projekto "Interkultura ĉielarko". Dekomence evidentiĝis nekvorumeco de la konferenco, tial estas proponata resumo de la decidoj kaj proponoj, kiujn ellaboris ĉeestintaj REJManoj. Ĉiuj REJManoj estas petataj voĉdoni ĝis la 15-a de oktobro 2001 (al ĉiu demando – jes, ne, sindetenis), sendante respondojn rete al <rejm@esperanto.msx.ru> aŭ poŝte al Natalja Grigorjevskaja (153034, Ivanovo, ul. Smirnova, 87-16).

**Decidoj de REJM-konferenco, okazinta dum OkSEJT-41**
**(Kovrov, Vladimira reg.), la 19-an kaj la 22-an de aŭgusto 2001**

1. Akcepti demision de REJM-komitatano pri instruado Nataŝa Nazariĉeva.
2. Proponi kaj akcepti novajn REJM-komitatanojn:
   – Vitalij Malenko (Moskvo)– informado, REJM-info;
   – Aleksandra Fedotova (Ĉeboksari) – rilatoj kun ne-E-organizoj, subvencipetoj, laborbrigadoj, REJM-komisiito pri EoLA-14;
   – Oleg Izjumenko (Moskvo) – instruado.
3. REJM-komisiito pri REK okazonta en Kostroma nomumi Aleksej Kuznecov.
4. Elekti kiel A-komitatanon de TEJO Julinka Litvinova – KER-komitatano (anstataŭ Katja Ignatjeva elektita en TEJO-estraron).
5. Akcepti sinproponon de Niĵnij-Novgoroda E-klubo "Ĉapelo" pri gastigo de sekvajara OkSEJT-42 kondiĉe ke estos informoj pri bazejo ĝis oktobro.
6. La unuan informon pri EoLA aperigi fine de septembro en REGo kaj la informleteron dissendi novembre.
7. Ŝanĝi la membrokotizon al REJM por membroj el KSŜ-landoj kaj foraj eksterlandanoj. Kialo – por kovri sendokostojn. Sekve – membreco por KSSxanoj (krom rusianoj) – 150 rub. (kun REGo), 100 rub. (sen REGo); foraj eksterlandanoj – 10 eŭroj.
8. Krei novan kategorion en REJM – kandidatoj por REJM. Tiuj estas personoj ne trapasintaj REJM-ekzamenon aŭ ne havantaj ĈALK-ateston* (kaze se estas duboj pri la lingvonivelo). En ĉiu urbo estu REJM-reprezentanto kiu varbu kaj zorgu pri kandidatoj por

poste rekomendi ilin por membreco. Kandidatoj pagas samajn kotizojn – 50 rub. kun REGo (20 – sen REGo), ricevas informojn, dumjare prepariĝas al ekzameno, sed ne havas voĉdonrajton kaj ne ĝuas rabatojn dum la aranĝoj.

9. Lanĉi fakajn REJM-sekciojn pri diversaj agaddirektoj. Jamas: petvetura (Oĉjo Dadaev), arta (Sonja Ŝejnina), lernejana (Nataŝa Grigorjevskaja). Proponatas: scienca agado, gvidora, ekonomiista, amaskomunikila, instru-metodika, turisma (kune kun la petvetura), literatura, kleriga ktp.

* Por plifaciligi la proceduron de REJM-ekzameniĝo, dum OkSEJT en Kovrov estis subskribita Konvencio inter Rusia Junulara Esperantista Movado (REJM) kaj Ĉefa Atesta kaj Lingva Komisiono (ĈALK) de Rusia Esperantista Unio (REU) pri unuecigo de la sistemo de elementaj ekzamenoj.

## PLI DA MOVADAJ PENSOJ

En la lasta numero de REGo mi jam ekigis grumbladon pri Esperanto kaj ĝiaj ideoj. Ial mi ŝatas tiun temon kaj jen, ricevu daŭrigon.

Do, unu el la ideoj de Zamenhof, kiel ni interkonsentis lastfoje, estas "Frateco kaj justeco inter popoloj". Sonas iom naive, sed ĉu malaktuale? Junie mi tute hazarde vizitis Ĉeboksari kaj tie oni ĝojis la respublikan feston – datrevenon de aliĝo de Ĉuvaŝio al Rusio. Venis multaj eminentuloj kaj inter ili estis fama politikisto s-ro Abdulatipov. Dum lastaj jaroj li okupis diversajn postenojn kaj ankaŭ nun ne pensiulas. Unu el liaj okupoj estas "Asembleo de popoloj de Rusio". Certe unu el la plej gravaj celoj de tiu asembleo estas amikeco inter popoloj de Rusio. Kaj unu el iloj de ĉi organizo estas "Lernejo de amikeco de popoloj", kiun gvidas samideanoj de Abdulatipov. Ĉi lernejon oni organizas kiel aktivultrejnan seminarion en diversaj partoj de Rusio. En unu el tiuj ATS partoprenis ankaŭ esperantistoj el Ĉeboksari. Ni vidis, ke ni mem havas ne malpli da sperto pri popolamikeco, sed estis grave, ke aperis organizo, kiu profesie intencas okupiĝi pri tiom kara por d-ro Zamenhof ideo. Ve, ne estas Esperantista organizo…

Kaj kio pri justeco inter popoloj? Ŝajne multaj el vi aŭdis, ke ekzistas kvazaŭ organizita movado, kiu nomas sin antiglobalismo. Ĉu vi pripensis agadon de antiglobalistoj? Ili protestas influon de Granda Mono tra la tuta mondo. Ili ne ŝatas, ke ekzistas en la sama lando multe da riĉuloj kaj multe da senlaboruloj. Ili instigas forgesi ŝuldojn de ĉiuj malriĉaj landoj (espereble ankaŭ pri Rusio ili ne forgesos). Ili batalas por justeco inter popoloj kaj tio nun estas la plej moda Eŭropa movado. Certe ni ne laŭdu la metodojn de ilia batalo por la justeco, sed la ideo! Justeco inter popoloj allogas atenton de tute diversaj homoj kaj organizaĵoj, kiu alglui̇ĝas al la antiglobalisma movado. Sed denove ne estas Esperantistoj.

Ĉu vi pensas, ke nur por esperantistoj ne plu estas interese okupiĝi pri "Frateco kaj justeco inter popoloj"?

*P.S. Eĉ se mi denove ricevos eĉ ne unu reagon – estos daŭrigota!*

***Vitalij Malenko (Ĵukovskij)***

## ATS "INTERKULTURO" EN ROSLAVL

Post la sukceso de la unua ATS pri Interkulturo, kiu pasis en Ĉeboksari mi, kune kun Vitalik Malenko, la 14-an kaj 15-an de julio vizitis la urbon Roslavl. Tie dum lasta jaro pasis esperantlingva kibernetika kurso de AIS-prezidanto Frank kaj iom poste ankaŭ E-kursoj fare de Irina Gonĉarova. Kelkaj junuloj restis plenaj de entuziasmo kaj energio kaj organizis en Roslavl E-klubon NEON. Sed tempo pasis kaj kluba agado iom malvigliĝis. Kun du ĉefaj reprezentantoj de NEON ni renkontiĝis junie en Moskvo kaj tuj konsentis viziti Roslavl por

fari ATS. Kaj certe ni ŝatis uzi eblon rakonti pri Interkulturo al ankoraŭ ne malpurigitaj de pigra etosumado geknaboj.

ATS daŭris du tagojn. La unuan ni uzis por rakonti iom pri nekonataj al la gejunuloj faktoj de Esperanta historio, pri E-organiza strukturo, pri nuna stato de Esperanto en Rusio kaj en la mondo. Evidentiĝis, ke NEONanoj bone konas movadan historion, sed ankaŭ niaj rakontoj estis utilaj. Iom ĉagrenis nin, ke por partopreni en nia ATS venis nur 5 personoj.

Sekvintan tagon la geknaboj aŭskultis prelegojn pri interkulturo, partoprenis en kelkaj ludoj kaj debatoj pri la sama temo. Ĉi-tage estis nur tri partoprenantoj. Tamen ni pensas, ke ne estas malvenko, ĉar estas pli bone lasi bonajn sciojn ĉe tri personoj, ol ne tre klarajn al multaj. Mi rememoris Saŝa Blinov, kiu preskaŭ sole kreskigis junularan E-movadon en Ĉuvaŝio. Do, dum en Roslavl restos almenaŭ 3 entuziasmaj personoj – la movado tie havos bonan ŝancon.

Nun la geknaboj intencas organizi E-kurson kaj daŭrigi la kluban laboron.

***Katja Burmisova (Ĉeboksari)***

## ESPERANTO-KURSO EN KOSTROMA

Meze de aŭgusto en Kostroma komenciĝis elementa Esperanta kurso. Ekpartoprenis ĉirkaŭ 20 homoj: plejparte knabinoj-studentinoj, 5 patrinoj kun filoj. Pro organizaj problemoj, la malfermo de la kurso pasis ne en la kursejo (deĵorantoj mankis kaj la pordoj estis ŝlositaj), sed en naturo, apud la kursejo en ĝardeno (preskaŭ verda!). Malgraŭ "kampaj" kondiĉoj la homoj vigle reagis, demandis, notis. Pro granda nombro la partoprenantoj dividiĝis je du teamoj kaj fakte estis du paralelaj kursoj.

"Ni volas plu! Kial tiom malmulte? Kiam ni renkontiĝos denove?" – per tiuj ĉi vortoj la 13-an de aŭgusto finiĝis nia elementa kurso. Entute estis kvar kunvenoj po unu horo. La finan kunvenon vizitis dudek novaj esperantistoj, jam ne novuloj sed komencantoj; ĉirkaŭ dek el ili estas plenkreskuloj, kaj la aliaj – gestudentoj.

***Aleksej Kuznecov (KETo)***

*En la antaŭa numero de REJM-info ni jam komencis rakonti al vi pri laborbrigadoj. Nun vidu kiel tio efike funkcias.*

## KIEL RIPOZI SOMERE? – NUR LABORANTE!

Ĉiu volas, ke la somero estu la plej memorinda tempo de la jaro. Ni komencas plani someron delonge antaŭ ĝia komenco. Ni ĝojas, se aperas eblo pasigi ĝin interese, neordinare, en bona kompanio.

Ni, esperantistoj, estas feliĉuloj, ĉar abundo de Esperanto-renkontiĝoj donas al ni certecon pri bonaj ferioj.

Sed foje oni havas deziron sperti ion tute novan, neatendeblan, miraklan… Ekzemple, ni (mi kaj Vitalik) elektis partopreni en internacia laborbrigado. Eble por vi tio ne estas miraklo, sed ni, vere, tute ne sciis, kion atendi de ĝi, kiel ĉio rezultiĝos, des pli, ke la tendaro devis okazi en Rumanio ("malriĉa, malpura kaj suspektinda lando", – diris al ni amikoj).

Informon pri diversaj laborbrigadoj mi trovis per retpoŝto en iu dissendo. Ekzemple, oni invitis en Azerbajĝanon labori kaj instrui al infanoj dum 20 tagoj en orfejo, invitis al kelkaj volontulaj tendaroj en Rumanio. Ni decidis veturi al laborbrigado, kiu donis eblon dum 7 tagoj labori en montoj.

Ĉu vi scias regulojn de laborbrigadoj? Do, vi estas volontulo, kaj depende de la temo de la tendaro vi devas plenumi konkretan laboron, kiun vi faras sen iu pripago, sed vi manĝas kaj loĝas dum tuta periodo senpage, kaj vi devas memstare atingi la lokon. Ni elektis ekolo-

gian tendaron en montoj kaj sendis al la organizantoj leteron demandante, ĉu estas ankoraŭ lokoj por ni. Ili respondis, ke ni estas bonvenaj kaj eĉ proponis kunpreni ankoraŭ niajn amikojn. Laborbrigadoj kutime estas internaciaj, do, ili devas havi laborlingvon. Por nia tendaro ĝi estis la angla. Nia teamo rezultiĝis vere internacia, ĉar ni laboris kun svisoj, anglo, francino, ĉeĥo, italoj. Ni loĝis en sufiĉe komforta domo, en montoj, je la alto 1500 metroj. Nia tasko estis renovigi vojsignojn por turistoj kaj urbanoj, kiuj kutime ripozas, paŝante en montoj. Laboris ni tre malmulte, sed multe promenis, vizitis la plej interesajn kaj belajn lokojn en montoj kaj havis ekskurson al la urbo Sinaia, apud kiu troviĝis nia tendaro.

La organizantoj de la laborbrigado estis membroj de junulara organizo, kiu celas plibonigon de la naturo en sia urbo. Pasintjare ili jam provis okazigi en la sama loko internacian laborbrigadon helpe de Ministerio pri turismo kaj ekologio, sed en ĝi partoprenis nur du knabinoj el Usono. Ĉi-jare ili denove ricevis monon kaj sukcesis okazigi ĉi tendaron malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj.

Vespere ni kune kantis, aŭskultis prelegojn pri historio de Rumanio, rakontis pri Esperanto, ludis. Kiam venis la fino de la tendaro, ni komprenis, ke tute ne volas disiĝi kaj kune forveturis al kastelo de Drakula kaj poste al Nigra maro.

Mi la unuan fojon loĝis en montoj, mi neniam antaŭe paŝis ĉirkaŭ 45 km tage…

Mi scias, ke, kiam vi legas ion en la reto, vi ne akceptas tiun informon kiel utilan por vi. Legante informon pri iu nekonata por vi tendaro vi pensas, ke certe vi ne povas en ĝi partopreni, ĉar ne imagas de kio komenci, kaj kio atendas vin fine…

Oni daŭre havas eblon iĝi gastiganto de Pasporta Servo-2002. Tiu ĉi servo de TEJO enhavas nun 1161 adresojn de esperantistoj el 80 landoj. Momente estas kolektataj konfirmoj de membroj de la antaŭa eldono por la venonta jaro 2002 kaj, kompreneble, serĉatas novaj gastigantoj. Fariĝu unu el tiuj! Tion indas fari rapide, ĝis la 1-a de novembro.
Estas diversaj manieroj por aliĝi al PS: plenigu aldonitan al REGo aliĝilon kaj sendu ĝin al redakcio de REGO, plenigu la aliĝilon en la paĝaro <http://www.esperanto.net/ps> aŭ sendu bezonatan informon al <malenko@inbox.ru>.

Sed vidu, traleginte la informon, akceptu ĝin serioze, kredu, ke se vi komencos realigi vian deziron, vi sukcesos. Komprenu, ke la informo, kiun vi ricevas en la interreto, ne estas mito – ĝi estas por vi!!!

Ni estas tute kontentaj pri nia vojaĝo. Laborbrigadoj estas unu el bonegaj ebloj viziti alian landon, trovi amikojn kaj ĝui feriojn. Mi scias, ke similaj tendaroj okazas en Esperanto, ankaŭ en Rusio ni povas okazigi ilin en Esperanto. Ĉu ni provu?

***Katja Burmisova (Ĉeboksari)***

*Ĉu vi scias kiom da esperantistoj loĝas en via urbo? Kaj kiuj E-kluboj tie estis? Ankaŭ niaj amikoj el Roslavl demandis sin kaj trovis la respondon en loka enciklopedio:*

## E-HISTORIO EN SMOLENSKA REGIONO

Evoluo de Esperanto komenciĝis en Smolensk en 1887, kiam tie, unuan fojon en la mondo estis surscenigita la spektaklo "Unua brandfaristo", laŭ teatroverko de L.N.Tolstoj. *(Fakte tio okazis en 1896 – La red.)* La spektaklon preparis Aleksandr Zakrzewski. Inter unuaj esperantistoj de smolenska regiono estis ankaŭ poeto M.Isakovskij. Li korespondis kun esperantistino el Francio, ankaŭ kun komponisto el Italio por kiu li tradukis en Esperanton la kanton "To ne veter vetku klonit…"

Alia fama smolenska esperantistino Antonina Tonti lernis Esperanton en Dorogobuĵ en 1919. Translokiĝinte en Smolenskon por labori en redakcio de "Rabоĉij putj" (Labora vojo) ŝi trovis samideanon en Isakovskij. Dum sia longa vivo ŝi tradukis en Esperanton centojn da kantoj kaj 130 verkis mem. En la dudekaj jaroj en Smolensk kaj en la regiono E-movadon

ĉefis ĵurnalisto de gazeto “Krasnoarmejskaja pravda” Roman Nikolskij.

Junie 1926 la ĵurnalo “Izvestija” aperigis grandan artikolon pri agado de smolenskaj esperantistoj. Tie temis pri korespondado de smolenskaj “popolaj diplomatoj” per la internacia lingvo kun fremdlandaj laboristoj, studentoj kaj eĉ lernantoj; kaj ankaŭ pri gastigado de eksterlandaj amikoj.

Korespondis ankaŭ ruĝarmeanoj de smolenska garnizono, kiuj interŝanĝis standardojn kun soldatoj de Leipzig. Tiu ĉi standardo bone konserviĝis eĉ dum faŝismo en Germanio. Konserviĝis ankaŭ la standardo, kiun komsomolanoj donacis al soldatoj de Dresden.

Esperanto-kluboj funkciis ankaŭ en kelkaj urboj kaj en kamparaj distriktoj de Smolenska regiono. Sed dum malfacila politika situacio en Sovetunio la esperantistoj estis reprezaliigitaj: R.Nikolskij estis mortpafita kaj aliaj – arestitaj. Nur en januaro 1983 en la Smolenska Domo de Instruistoj denove ekfunkciis E-klubo “Harmonio”. La klubanoj komencis partopreni en la aranĝoj kaj kunvenoj de sovetiaj esperantistoj; amiki kun esperantistoj el diversaj ŝtatoj. Prezidanto de la klubo estas M.Maĥnaĉ, honora prezidanto – veterano de E-movado – Isaak Krolik.

***(El “Smolensk.Kratkaja enciklopedija”)***
***tradukis Jelena Kuznecova, E-klubo “Neon”, Roslavl***

*Rakontoj pri Rusia movado finiĝas: nun pri E-movado en la cetera mondo. Ĉi-somere okazis grava evento en TEJO: reelekto de la estraro. Kaj rezulte - 2 estraranoj el Rusio!*

## ESTRARKUNSIDO DE TEJO DUM IJK

Dum la ĵus pasinta IJK en Strasburgo, Francio, elektiĝis la nova naŭkapa estraro de TEJO, kiu laboros ĝis IJK 2003. Jen la konsisto de la estraro kaj retadresoj de unuopaj estraranoj. Ĉiujn kune vi povas atingi pere de la adreso <tejo-estraro@esperanto.org>.

Estraro de TEJO 2001-2003 (pri la fakoj de unuopaj estraranoj decidos la Estraro mem, ankaŭ pri la vicprezidanto(j); se ĉe estrarano estas skribita la fako, ĝi estas verŝajna antaŭvidata fako):
Prezidanto: Holger Boos, Germanio, <holger.boos@gmx.de>;
Ĝenerala Sekretario: Katja Ignatjeva, Rusio, <katido@mac.com>;
Kasisto: Ilja De Coster, Belgio, <ilja.tejo@tiscalinet.be>;
Estraranoj: Hokan Lundberg, Svedio, <hokan@ikso.net>, (interreto, informado);
Nastja Koĵevnikova, Rusio, <nastja@ikso.net>, (kongresoj);
Sonja Petrovic, Jugoslavio, <sonja@ikso.net>, (seminarioj);
Federico Breda, Italio, <federico.breda@tin.it>, (eksteraj rilatoj);
Marko Lins, Germanio, <marko.lins@esperanto.de>;
Mayrim Sandoval, Venezuelo, <tucusito@hotmail.com>, (Ameriko, landa agado).
Mi deziras al ĉiuj estraranoj bonan laboron kaj fruktodonan kunlaboron kun ĉiuj aliaj TEJO-aktivuloj!

***Vladka Chvatalova (eksa ĝenerala sekretario kaj nuna komitatano C de TEJO)***

*Ĵus vi legis iom sekan kaj oficialan raporton de Vladka kaj nun – vigla kaj originala rakonto de unu el la spektintoj.*

## TEJO-KUNSIDO PER ALIAJ OKULOJ

Stiri veturilon pezan, grandan, neturneblan malfacilas. Ĉu eblos ŝanĝi la direkton aŭ la veturilo trafos nekonatan senpopolan loketon?

Ĉiutage dum IJK TEJO organizis kunsidon. Dekomence pri TEJO mem por konatigi la

homojn kun sia propra agado. Inter la temoj estis – “Ĉu vi scias, ke Pasporta Servo estas produkto de TEJO?”. Lacmaniere la kasisto Ilja De Coster starigis demandojn. Kaj ni, kiel bonaj lernantoj, ĉiuj serioze aspektantaj, respondis levante la manojn. Certe, post tiom detala ekspliko kiel TEJO funkcias kaj kun kio kunlaboras ni ne ofte havis tempon pridiskuti novajn aranĝojn. Rimarkindas ke nur mi estis nealkutimiĝinta al tia maniero gvidi kunsidojn. Ĉiuj aliaj el Usono, Svedio, Hungario k.s. tion ŝatis aŭ almenaŭ ne sentis en tio ion strangan.

Unu el la kunsidoj estis dediĉita al la demando – ĉu aligi kiel LS union de landoj aŭ rifuzi al ili ĉar ekzistis LS-oj de tiuj landoj. Ĉio ĉi enuigas la homojn. Kelkaj el ili senkaŝe dormis dum kunsidoj, ceteraj – kaŝe.

Do, ni turnu nin al elektado de la nova estraro de TEJO. Ĉiuj estraranoj dividiĝas je du partoj: tiuj, kiuj volonte formetis la respondecon (Sjoerd Bosga kaj Vladka Chvatalova), kaj tiuj, kiuj ne havis la eblon elekti (Ilja De Coster). Kaj tiuj, kiuj estis elektataj, siavice diferenciĝis per volego esti estrarano (Federico) kaj bezono esti (Sonja kaj Hokan).

Kiel tio (la balotado) okazis? Similis tio unuflanke al teatro sen spektantoj, kiam ĉiuj havis propran rolon, aliflanke – al balotado en nia Sovetunio antaŭ jardekoj. Ĉiuj sidis pripenseme kaj maltrankvile skribis sur paperetoj la nomojn de elektatoj – tio signifis sekretan baloton. Estis eĉ balotitaj la demandoj: ĉu voĉdoni aŭ ne, kaj por kio. Endas diri ke tia situacio pri elektado estas por ni, rusianoj, konata afero. Ni trapasis tion, tamen kelkfoje la samo okazas dum REJM-kunsidoj. Sendube tio daŭris pli da tempo ol estis planite.

Do, la rezulton ni havas, kiel sin montros la “nova” teamo ni vidos. Esperas mi je pli fruktodona laboro.

***Danil Kapitonov (Ĉeboksari)***

Iomete ĥaosa, ne tro luksa sed sufiĉe interesa kaj bona sperto estis la partopreno en la Monda Junulara Festivalo en Panamo kiun mi ĉeestis nome de TEJO kune kun Antonio Leoni (kiu partoprenis nome de “Indiĝenaj Dialogoj”). Dum la Festivalo TEJO havis budon, kiun ni dividis kun “Indiĝenaj Dialogoj”, en la “Ferio pri Internacia Kunlaborado” organizita de YDC (Junularo por Disvolvigo kaj Kunlaborado), kie partoprenis amaso da diversaj naciaj, regionaj kaj internaciaj organizaĵoj el la tuta mondo. Dum la festivalo okazis la 5-a Internacia Solidareca Konferenco kun la Okcidenta Saharana Junularo, kiu estis la plej sukcesa aranĝo de la festivalo kaj en kiu mi ankaŭ partoprenis nome de TEJO lige al nia homrajta agadkampo. Ankaŭ okazis dum la festivalo prepara sesio por la Monda Konferenco kontraŭ Rasismo, Ksenofobio kaj aliaj Similaj Netoleremaj Agoj. ***Mayrim Sandoval (Venezuelo)***

*Unu el ĵus elektitaj TEJO-estraranoj Katja Ignatjeva estas persono kun grandega emo al vojaĝoj. Ŝia pasporto preskaŭ ne havas lokon por novaj stampoj. Ĉi-somere ŝi sukcesis viziti tri eksterlandajn aranĝojn.*

## SOMERAJ EŬROPAJ ARANĜOJ

*Somero estas tempo de ferioj, vojaĝoj, granda ripozo post laboro kaj certe ankaŭ de amaso da diversspecaj Esperanto-renkontiĝoj… Oni povas enviciĝi en senĉesan ĉenon de festivaloj, internaciaj semajnoj, kongresoj, ktp kaj travivi la tutan someron ŝanĝante unu Esperantan umadon al la alia kun etaj paŭzoj inter tiuj forme de trajn-(bus-, petvetur-)vojaĝo… Mi sekvis ne la tutan ĉenon ekde la komenco ĝis la fino, sed nur etan parton de ĝi. Nur tri aranĝojn el longa listo…*

**Szombathely, Hungario, Internacia Junulara Semajno (IJS)**

Post nelonga solvado de problemoj pri vizoj kaj sufiĉe longa trajna vojaĝo, ni atingas la

urbon Szombathely, kiu troviĝas jam preskaŭ ĉe la fino inter Hungario kaj Aŭstrio. La IJS-ejon, sekvante gluitajn surarben kaj surdomen ŝildoj "Eszperanto" (ne timu pri la stranga "z" meze de la vorto – ĝi estas tipa hungaraĵo), ni trovas tute rapide kaj tuj plonĝas en vere somerripozan etoson de tre interesa aranĝo. Multaj opinias, ke IJS estas tro amuza aranĝo, kie mankas seriozaj kaj lernigaj partoj. Mi tiel ne dirus! Jes, dum IJS apenaŭ okazas longaj kunsidoj kaj profundaj priparoloj pri la rolo de nia internacia lingvo en la estonto de la homaro kaj la sorto de UEA en la jaro 2002. Sed tiu aranĝo estas (almenaŭ estis ĉi-jare) bona eblo lerni iom pli pri si mem, akiri spertojn, kiujn oni ne jam havis antaŭe, la unuan fojon en la vivo elprovi aferojn, kiujn oni neniam povus elprovi en sia propra lando. Tradicia arkpafado, ĉevalrajdado, internacia koruskantado, surmura grimpado (post kiu oni eble havos kuraĝon sin provi en surroka gripmado), potfarado, bakado de freŝa pano, komuna karaoke-umado, sorĉado, nacia kroata dancado, vizito al hoboja koncerto, lernado de lingvoj kaj eĉ interesega pri-Esperanta kvizo – jen estas nur parto de la programo de IJS. Kaj al tiom interesa programo aldonu ankaŭ multajn tradiciajn erojn (akvobatalon, balan vesperon, urboludon, ktp) kaj nepran hungaran gastamon, kiuj helpas krei tiun tute unikan, neforgeseblan kaj faman IJS-etoson! Do, fakte, de IJS mi forveturis kun granda bedaŭro, ke ĝi tiom rapide finiĝis kaj kun grandega deziro nepre reveni al Hungario la sekvan jaron. Des pli ke la sekvontjara IJK estos malfacile atingebla kaj ke IJS okazos en tre alloge sona loko: la "reĝa urbo" Szekesfehervar.

**Kroatio, Zagrebo, Universala Kongreso de Esperanto (UK)**

Jen estas la aranĝo por tiuj, kiuj ŝatas seriozaĵojn, solenaĵojn, grandegan esperantistaron kaj rarajn ekzemplojn de esperantistoj, ekz. islandanon aŭ mi-ne-scias-kiu-rar-land-anon. Dum UK viaj ŝancoj trovi esperantiston el Dominika Respubliko estas vere realaj.

Ĉi-jare UK havis interesan temon: Kulturo de dialogo – dialogo de kulturoj. Kaj certe al ĝi estis dediĉitaj multaj kunsidoj kaj diskutoj. Prezenton de la temo oni solene faras dum la Solena Inaŭguro de la Kongreso, kaj poste la rezultojn de la pridiskutoj oni samsolene kaj longe anoncas dum la Solena Fermo.

> Antaŭ semajno alvenis kandidatiĝletero de Litova Esperanta Junulara Ligo kun propono de la urbo Kaunas por la Internacia Junulara Kongreso (IJK). Se tiu propono estos akceptita, IJK 2003 gastos en Baltio.

Inter tiuj du solenaĵoj troviĝas certe multaj interesaj programeroj. Ĝuste dum UK oni povas viziti ĉiujn imageblajn kunsidojn: ekde tiu de UEA (mi esperas, ke al tiuj, kiuj pasis REJM-ekzamenon, ne necesas deĉifri tiujn literojn, ĉu?) ĝis la kunsido de la tutmonda E-ligo de… kat-ŝatantoj! Asocioj abundas kaj abunde kunsidas ekde frua mateno ĝis frua vespero. Tiuj, kiuj tro laciĝis sidi, eĉ se KUNE kun iu, povas viziti prezentojn. Ankaŭ ties speco varias de prezento de novaj lerniloj ĝis la prezento de la sekvajara Universala Kongreso (ĉu vi jam scias, ke ĝi okazos en Brazilo?). Por tiuj, kiuj ne trovas sin en prezentoj, eblas 1) trankvile dormi ie apud la Kongresejo; 2) serĉi la artan programon (kiu kutime dum UK-oj estas tre riĉa kaj enhavas bonkvalitajn koncertojn, teatraĵojn kaj alispecajn artaĵojn); 3) umi kaj konatiĝi kun aliaj partoprenantoj de la Kongreso (tie vi havas vere vastan kampon por agado: ĉu ni vetu, ke dum 7 tagoj vi tamen ne sukcesos konatiĝi kun ĉiuj 2000 partoprenantoj?); 4) partopreni en ĉiuj proponitaj en la programo ekskursoj… Tio povas okupi la tutan semajnon!

Unu el unikaj kaj allogaj eroj de UK estas certe ĝia Libroservo. Libroservejo estas laŭ mi la plej vizitinda ejo de la tuta Kongreso. Enirinte ĝin oni havas la impreson, ke dum sia pli ol 100-jara ekzisto esperantistoj sukcesis elprinti tiom da libroj, ke ili sufiĉus se ne por la Biblioteko de Lenin, do almenaŭ por iu granda urba biblioteko de Ĉeboksari! Lernolibroj, noveloj, versaĵoj, poemoj, detektivoj, amromanoj, fabeloj kaj… Ĉio! Vere ĉio imagebla troviĝas tie... Estante tie oni povas partopreni ankaŭ en t.n. "aŭtoraj duonhoroj" dum kiuj

Esperanto-aŭtoroj prezentas al la publiko siajn novajn verkojn (aŭskultindajn).

La sola problemo de vagado tra la Libroservo estas troa abundo de tro allogaj libroj: oni sentas aŭ tion, ke por aĉeti ĉion, kio onin interesas, bezonatas heredaĵo de riĉa onklo, aŭ (la dua varianto: se mono sufiĉas por aĉetaĵoj) oni devos elaĉeti por revojaĝo la tutan aviadilon. Ĉar se en la aviadilon enmeti ĉiujn tiujn librojn, ne plu estos loko por pasaĝeroj.

Do, kiel vi vidas, enui dum UK oni ne facile povas. Dum UK-oj, foje sukcese, foje ne tiom okazas eĉ junulara programo. Tie kutime oni povas partopreni en metiejoj, kune aŭskulti koncertojn de iu fama rok-bando (partoprenantoj de ĉi-jara UK certe longe ankoraŭ memoros la koncerton de "Esperanto-Desperado" en unu el urbaj kafejoj), ktp… Ankaŭ ĉi-jare la programo estis. Sed ne estis vere TIOM da junuloj. Kelkdeko. Ĉiuj aliaj ŝajne preferis ŝpari monon ĝis IJK.

Kion diri ĝenerale? Almenaŭ unu solan fojon en la vivo, sed UK estas spertinda!

**Kroatio, Lovran, ILEI-konferenco**

En tiu aranĝo mi partoprenis la unuan fojon en la vivo. Pro tio mi ne povas ĝeneraligi miajn impresojn, sed ŝajnas, ke tiu aranĝo estas eĉ pli serioza ol UK.

Por tiuj, kiuj neniam aŭdis, kio estas ILEI, mi deĉifras: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj. Jen tiom grava kaj seriozcela organizo. Ĉefa ero de ILEI-konferenco estas prelegoj kaj kunsidoj, dum kiuj multaj homoj, tro lacaj post UK, ne trovas fortojn por resti maldormaj ĝis la fino.

Tio tute ne signifas tamen, ke la prelegoj estas neinteresaj. Tute ne! Foje ili estas tre pensigaj kaj diskutigaj. Instruado de Esperanto estas ja grava aspekto de nia movado, kaj certe ĝi devas esti bone organizita. Ĝuste pri diversaj projektoj kaj planoj rilate instruadon oni parolas dum tiu konferenco.

Inter ILEI-anoj, kiuj plejparte estas plenkreskuloj, troviĝas tre entuziasmaj, simpatiaj kaj ideoplenaj homoj, parolante kun kiuj oni mem povas entuziasmiĝi pri agado, ekhavi interesajn ideojn kaj rezulte envolviĝi en seriozan laboron pri Esperanto kaj instruado.

Menciindas, ke nun unu el ĉefaj projektoj de ILEI estas "Interkulturo". Ĝi celas pere de Esperanto kontaktigi infanojn el diversaj mondopartoj kaj instigi tiumaniere interkulturan lernadon. Tiu projekto havas utilajn por la socio celojn, kaj estus bone, se ankaŭ junaj homoj, kiuj interesiĝas pri instruado, povus pli profunde envolviĝi al ĝi.

Do, dezirantoj labori serioze, nepre partoprenu ankaŭ tiun konferencon. La sola bedaŭrindaĵo estas, ke ĝi okazas tuj post UK kaj en UK-lando. Kaj Brazilo estas iom for… Sed ĉu ni provu organizi ion similan en Rusio?

Jen la raporto pri nur tri someraj aranĝoj. Kaj jam ĝi okupis tiom da loko! Imagu, kio estus, se oni raportus ĉi tie pri la tuta somera aranĝĉeno??

***Katja Ignatjeva (Ĉeboksari)***

***

*Krom tiu ĉi interesa raporto Katja Ignatjeva komunikas siajn ideojn pri TEJO-agado:*

Saluton al ĉiuj! Mi estas Jekaterina Ignatjeva, la nova ĝenerala sekretario de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo TEJO. Antaŭ ĉio mi volas diri, ke krom mi al la estraro estis elektita ankoraŭ unu rusia esperantistino: Nastja Koĵevnikova el Sankt-Peterburgo. Do, kune ni konsistigas pli ol 20% de la 9-opa TEJO-estraro. La tasko de Nastja estas "Kongresoj". Tio signifas, ke ŝi devos prizorgi laboron pri okazigo de IJK, junulara programo de UK kaj eventuale aliaj dumjaraj kongresoj de Esperantujo.

Mia posteno ene de la estraro, "ĝenerala sekretario", subkomprenas respondecon pri ĝenerala funkciado de TEJO kiel organizo. Tio signifas, ke ĉefe mi havas administrajn taskojn, ekzemple – ĝustatempa elekto de ĉiuj tri specoj de komitatanoj de TEJO (A, B, C),

informado pere de cirkuleroj, zorgoj pri jarraporto, atento pri ĉiuj eblaj limdatoj, helpo pri administrado de la listo de TEJO-anoj, komunikado kun la komitato ktp. Do, pli kurte oni povas diri, ke ĝenerala sekretario same, kiel ĉiuj aliaj membroj de la estraro, kaj foje eĉ pli ol ili, devas havi superrigardon de la agado de TEJO.

Mi komprenas, ke taskoj de "ĝensek" de TEJO prenos multe da tempo. Tamen, mi ne ŝatus limigi min nur al ili. En funkciado de TEJO oni vidas multajn problemojn. Unu el ili laŭ mi estas la jam dum jaroj pridiskutata problemo de tio, ke ordinaraj membroj de TEJO ne sentas sin parto de la organizo, ke la tuta laboro estas limigita nur ene de la estraro kaj komisiitoj, ke junuloj ne vidas utilon de TEJO kaj, sekve, ne strebas aliĝi. Certe mi ne pensas, ke eblas tuj solvi ĉiujn problemojn, sed almenaŭ fari kelkajn pliajn paŝojn al ĝia solvado ja eblas. Mi kredas, ke unu el ĉefaj taskoj ene de TEJO nun estas serĉi interesajn, allogajn sociutilajn internaciskalajn projektojn kaj inviti al ties realigo pli da junuloj el ĉiuj mondopartoj. Ja ĝuste kiam oni laboras pri iu konkreta projekto, oni sentas utilon de sia laboro, kaj do, aktiviĝas.

Gravaj trajtoj de tiuj projektoj estu laŭ mi: 1) kunlaboro kun aktivaj junuloj el aliaj, ne-esperantistaj organizaĵoj. Oni nepre ne fermu sin ene de sia propra organizaĵo, necesas kunagi kun aliaj homoj, akiri ilian sperton, disdividi la propran kaj montri sin malfermaj al la ĉirkaŭa mondo; 2) socia utileco de la projektoj. Do, ili devas plenumi la faman sloganon: Agi ne POR, sed PER Esperanto. Tiun sloganon, kvankam ĝi estas tiom memevidenta, oni tute ne ĉiam korekte komprenas, kaj do, agante, tute forgesas pri la vorteto "PER". Ĝuste tiaj projektoj, kiel Lingvaj Festivaloj aŭ Interkulturo povas kaj aktivigi homojn, kaj montrinte al eksteruloj utilon de Esperanto, varbi al ni pli da junuloj.

> Kliento sendis mendon al pograndisto por granda kvanto da multekostaj varoj. La pograndisto notis ke la butikisto ne jam pagis sian antaŭan konton. La Kolekta Direktoro sendis retmesaĝon al la kliento: "Ni ne povas plenumi vian mendon ĝis vi pagos la antaŭan fakturon." La kliento respondis: "Bonvolu nuligi la mendon. Ni ne povas atendi tiom longe." ***(esperanto-anekdot)***

Kaj laste: estante estraranoj en TEJO, ni iusence reprezentas ankaŭ nian Rusian Movadon. Tio signifas, ke ni reprezentas vin ĉiujn, ĉiun unuopan junan rusian esperantiston. Laboro pri TEJO ne estas laboro de unusola homo. Ĝi estas nia komuna laboro. Al estonto kaj evoluo de TEJO povas influi ĉiu ideo, ĉiu ago, venanta de vi. Pro tio mi alvokas vin ĉiam esti pli aktivaj, ĉiam disdividi viajn ideojn, proponojn, kritikojn: ĉion, kio venas al viaj kapoj. Ĝuste tiu "ĉio" povas tre instigi la agadon en ajna nivelo, eĉ se al vi mem tiel ne ŝajnas! Do, bv. se vi havas iujn ideojn/proponojn pri internacia junulara agado en nia Esperantujo, mi ĝojegos ilin ekscii. Kontakti min vi povas pere de la adreso <katido@mac.com>.

***Kore via, Jekaterina Ignatjeva (Ĉeboksari)***

## AKTUALAJ REJMANOJ

Aktualaj membroj de REJM: ***Akimova Jelena, Aroloviĉ Amalia, Baranov Miĥail, Baŝlikova Nastja, Burmisova Katja, Ĉerniŝova Onjo, Dadajev Oĉjo, Dolmatova Darja, Fridman Alla, Gonĉarova Sveta, Grigorjevskaja Olga, Grigorjevskaja Nataŝa, Ignatjeva Katja, Iljenko Olja, Ivanov Slavik, Jolkin Vladimir, Kamiŝnikova Ljuda, Kapitonov Danil, Koĉetkova Marija, Kuznecov Aleksej, Kuznecova Jelena, Litvinova Julinka, Maleĵ Tatjana, Malenko Vitalij, Masljonkina Natalja, Maslova Lena, Morozova Vika, Nazariĉeva Nataŝa, Saljkova Galina, Sidorov Vitalij, Strojnov Jevgenij, Sudakova Saŝa, Ŝejnina Sonja, Ŝlikanova Ĵenja, Torgunova Marina, Turkina Julija, Viĥrov Kostja, Volkov Pavel***

Patronoj de REJM: ***Gonĉarova Irina, Bronŝtejn Mikaelo, Kokolija Garik, Wang Huai Yu***

## LA HISTORIAJ PAĜOJ DE E-MOVADO EN LA FORA ORIENTO

Ĝis antaŭnelonge oni ne sciis, kiu estis la unua organizanto de Esperanto-movado en Fora Oriento de Rusio. Estis sciata nur la jaro – 1891, kiam estis fondita la unua Esperanto-societo. Laŭ la "Historieto de Esperanto" de A. Fiŝer tiu societo estis la unua ne nur en Fora Oriento, sed ankaŭ en Azio.

La persono, lanĉinta la unuajn kursojn de Esperanto en Vladivostok kaj Kamenj-Ribolov, estis Fjodor A.Postnikov, kiu post la fino de la militista lernejo en Sankt-Peterburgo komencis servi en la Ussurijska Kozaka armeo. Antaŭ la forveturo al Fora Oriento li konatiĝis kun Ludoviko Zamenhof kaj ties lingvo, kiun li ne lasis la tutan vivon. Inter la unuaj membroj de la societo estis Viktor Lebren, la estonta sekretario de Lev Tolstoj. Dank' al tiu societo jam en 1892 pri Esperanto eksciis loĝantoj de Manĉurio. La societo ekzistis nelonge kaj nur en Oktobro 1901 Fjodor Postnikov post reveno el Peterburgo, kie li studis en la militinĝeniera Akademio kaj la aviadlernejo, sukcesis oficiale refondi la Esperanto-societon. La refondita societo iĝis filio de la Peterburga societo "Espero", kiun Postnikov ĉefis dum 2 jaroj ĝis la reveno al Vladivostok (1897 – 1899). La filion konsistigis 28 personoj, inter kiuj estis multaj membroj de la Societo pri Esploro de Amura Regiono (OIAK): N.M.Solovjov, V.J.Petrovskij, N.A.Vilĉinskij, Polĉevskij, N.V.Kirilov k.a.

En Ĥabarovsk loka filio de la Peterburga societo estis fondita en 1902 de S.F.Poljanskij.

Gvidante la Vladivostokan filion dum 5 jaroj Fjodor Postnikov klopodis disvastigi Esperanton pere de la fama japana verkisto Futabatei (Hasegaŭa), kiu lernis Esperanton ĉe Postnikov kaj poste publikigis la unuan Esperanto-lernolibron por japanoj. La domo de Postnikov en Vladivostoko situis sub monto en eksa strato Lazarevskaja (nun ĉi tiu iom rekonstruita domo № 99 situas sur la strato Puŝkinskaja). Dum 6 jaroj la domo estis ankaŭ la loko de socia agado de Postnikov. Sur ĝia ekstera okcidenta flanko estis desegnita granda verda stelo sur blanka fono kiel simbolo de Esperanto.

Dum la Rusa-Japana milito (1904 – 1905) Fjodor Postnikov kiel la unua Komandanto de aernaviga parko projektis kaj konstrius la sferan aerostaton. Al ĝi oni donis nomon "Espero". En tiu ĉi tempo F.Postnikov kiel prezidanto de la loka Esperanto-societo aranĝis koncerto-balon kies profiton oni uzis por plibonigo de financa stato de psikiatria hospitalo en la urbo Nikolsk-Ussurijsk. Post la fino de la milito la subkolonelo Postnikov pro la politikaj kaŭzoj demisiis el la milita servo, vendis la tutan sian havaĵon kaj forveturis al Usono, kie li tre aktivis en multaj sferoj, inkluzive de Esperanto.

Post la forveturo de F.Postnikov la societon gvidis alia eminenta persono Vladimir Konstantinoviĉ Neupokojev, la estro de la Vladivostoka Marista Lernejo, en kies studprogramon Esperanto estis enigita de li kiel deviga studobjekto. En la lernejo ne estis portreto de la tiama rusa caro Nikolao la 2-a kaj anstataŭ ĝi pendis portreto de Esperanto-kreinto d-ro L.Zamenhof. Sub la gvido de Neupokojev estis malfermitaj Esperanto-kursoj ĉe Popola Domo, Orienta Instituto, Vira gimnazio, Marista hospitalo, marhaveno. En 1910 la societo iĝis memstara kaj ricevis propran ejon en la Popola Domo. En la teatro de Puŝkin la societo aranĝis diversajn Esperanto-festojn. Pri la agado de Esperanto-societo raportis ne nur lokaj ĵurnaloj, sed ankaŭ Esperanto-gazetaro en Centra Rusio kaj eksterlande. Post la morto de V.Neupokojev (1912) la Vladivostokan societon «Espero» gvidis Aleksandr D.Pagirev, kiu ĝis tiu tempo gvidis Esperanto-societon en Kamenj-Ribolov. Li donacis al la Vladivostoka societo pli ol 150 Esperanto -librojn. Ekde 1914 ĝis la fino 1922 la societon gvidis notario Ronald Vonago, ĉar A.Pagirev estis devigita ŝanĝi oficlokon. Dum tiu tempo la societon viz-

itis multaj samlandaj kaj eksterlandaj gastoj el Japanio, Ĉinio.

Precipe ofte inter la gastoj oni povis vidi la kunfondinton kaj prezidanton de Manĉuria Esperanto-societo Nikolaj A.Kazi-Girej, eminenta civila inĝeniero de Ĉina Orienta fervojo, kiu en 1896 kaj 1912 tradukis 2 rakontojn de la rusa verkisto Vsevolod M.Garŝin. En 1902 li publikigis en 7 eŭropaj lingvoj kaj Esperanto leteron plede por Esperanto, adresitan al Geografia Societo en Antverpen. Dum la jaroj 1918-1920 la estonta fama verkisto Julio Baghy gvidis E-kursojn en la urboj Nikolsk-Ussurijskij kaj Vladivostok. Poste pri tiuj eventoj li verkis la romaneton por Esperanto-komencantoj "La verda koro".

Alia verkisto Vasilij Eroŝenko malgraŭ sia blindeco multe vojaĝis tra la mondo helpe de Esperanto. Vladivostokon li vizitis kelkfoje, en 1914, 1921, 1929, 1930, traveturinte al kaj el Japanio kaj Ĉukotko. Bonege posedante la japanan V.Erosenko verkis en tiu lingvo multajn rakontojn. En 1922 li prelegis pri rusa literaturo kaj aliaj temoj en Pekina universitato kaj edukista kolegio por virinoj.

En Fora Oriento komencis sian agadon ankaŭ alia fama esperantisto (ekde 1910) Innokentij Seriŝev, ortodoksa pastro kaj pedagogo. Havante 200 korespondantojn en 80 landoj, li sukcese vojaĝis tra la mondo, inkluzive Japanion, Ĉinion kaj Aŭstralion. En 1922 li laboris en Manĉurio (Ĥarbin), publikigis siajn verkojn en "Heroldo de Azio". En 1924 li fondis en Ĥarbin Esperanto-eldonejon "Oriento", kie estis presita en julio 1925 la ĵurnalo sub la sama titolo. En 1924 Seriŝev instruis Esperanton en Pekina Esperanto-lernejo. La 13-an de decembro 1924 okaze de la naskiĝtago de L.Zamenhof li elpaŝis kun granda raporto pri la kunlaboro de Okcidento kaj Oriento. En 1928 Seriŝev forveturis tra Japanio al Aŭstralio, kie dank' al lokaj esperantistoj li trovis konvenan laboron. Lia fratino Varvara estis aŭtoro de la rimarkinda porinfana Esperanto-lernilo "Verda steleto" (1928).

Fraŭlino ricevis donace multekostegan papagon. Tamen post kelka tempo ŝi trovis, ke la vortoprovizo de la birdo estas ne plej konvena al la virinaj oreloj. Dum pluraj tagoj ŝi penadis instrui la papagon pri decaj vortoj – sed la klopodoj estis senrezultaj. Post vica provo ŝi ekkoleris kaj enŝovis la kaĝon en fridujon, klapferminte la pordeton. El la fridujo aŭdiĝis blasfemoj, sakroj... sed subite iĝis absoluta silento. Ŝi atentis kelkan tempon – eĉ ne unu sono! Ektimiĝinte, ŝi malfermis la fridujon, elprenis la kaĝon. La papago sidis rimarkeble paliĝinta kaj febranta. Ĝi tuj ekparolis:
– Multestimata sinjorino! Mi sentas neimageblajn konsciencriproĉojn, ke dum longa tempo ĝenis vin, parolante maldecaĵojn. Mi petegas pardonon kaj solene promesas, ke plu neniam kaj neniukaze diros ion similan...
La kontenta fraŭlino metis la kaĝon al ĝia kutima loko, kaj la birdo daŭrigis:
– Sed, je ĉio sankta! Pri kio kulpis tiu kompatinda kokido en la fridujo??? ***(esperanto-anekdot)***

Esperanton oni disvastigis ne nur en la grandaj urboj kiel Vladivostok, Ĥabarovsk kaj Blagoveŝĉensk, sed ankaŭ en Ĉita, Ussurijsk, Ŝkotovo, Ĉernigovka, Simanovsk, Nikolaevsk sur Amur, Zavitaja k. a.

Dum la revoluciaj jaroj (1917-1922) kaj poste Esperanton uzis kiel rimedon por monda proletara internaciismo la famaj revoluciuloj Vsevolod Sibircev, Konstantin Suĥanov, Jakov Kokuŝkin, Nikolaj Matveev (Bodrij). La ĵurnaloj "Krasnoje Znamja" (Ruĝa standardo) kaj "Juna komunisto" aperigis artikolojn pri novaj Esperanto-kursoj por laboristoj kaj lernejanoj, pri uzado de Esperanto en internacia edukado de junularo. En 1932 en Ĥabarovsk estis fondita For-Orienta Sekretariato de Internacio de Proletaj esperantistoj kun la partopreno de esperantistoj de USSR, Japanio, Ĉinio kaj aliaj landoj.

Kiel jam estas sciate, en la jaroj 1937-1938 la gvidantoj de Sovetrespublikara Esperantista Unio estis arestitaj kaj Esperanto-movado en la lando disfalis. Multaj esperantistoj en koncentrejoj uzis Esperanton kiel sekretan lingvon kaj laŭeble savis unu la alian.

Nur post la dua mondmilito kai precipe okaze de la Tutmonda festivalo de junuralo kaj studentoj en Moskvo (1957) Esperanto-movado en Sovetunio poiomete komencis kreski. Ekzemple, en Blagoveŝĉensk en 1958 estis eldonita la lernolibro de A. Kerner "Esperanto en 12 lecionoj". En Fora Oriento prelegis pri Esperanto lektoroj de la societo "Scio". Estis rerajtigitaj kaj liberigitaj iamaj esperantistoj. Iom poste ili kune kun la aliaj, pli junaj esperantistoj lanĉis Esperanto-kursojn kaj fondis societojn en Petropavlovsk-Kamĉatskij (1975), Vladivostok (1980), Magadan kaj Habarovsk (1981), Aldan (1990).

La komuna Esperanto-organizo en Fora Oriento de Rusio tiam ne ekzistis, pro tio la kluboj agadis memstare. Ekzemple, en 1984 Vladivostokaj esperantistoj enkadre de Scienca Studenta konferenco ĉe la Supera Mar-Naviga lernejo aranĝis la sekcion "Interlingvistiko kaj Internacia Edukado", kiun patroprenis esperantistoj el Tomsk, Kujbiŝev kaj Krasnojarsk. En 1985 Vladivostokaj esperantistoj organizis la Internacian ekspozicion de infana desegnaĵoj. En 1990 okazis du regionaj Esperanto-renkontiĝoj – maje en Vladivostoko kaj novembre en Ĥabarovsk, kie oni decidis fondi la Asocion de Fororientaj esperantistoj. Poste estis lanĉita la koncerna bulteno "Kuriero", kiu estis eldonata ĝis 1992.

Estis aranĝitaj post longa interrompo ankaŭ internaciaj renkontiĝoj: 1990, vizito de "Oomoto"-karavano al Ĥabarovsk, Naĥodko kaj Vladivostok; 1992 – Internacia Simpozio "Pacifiko. Lingvo. Kulturo. Kunlaboro" (Vladivostok) kun partopreno de Esperantistoj el Japanio, Ĉinio kaj Koreio. Inter rusianoj estis reprezentantoj el Moskvo, Magadano, Petropavlovsk-Kamĉatskij, Komsomolsk sur Amuro, Aldan kaj Vladivostok. Ekde 1990 vigliĝis ligoj inter japanaj kaj for-orientaj esperantistoj. Okazis reciprokaj vizitoj de delegacioj inkluzive de la infanaj (1990, 1993, 1995). Laŭ invito de Hokajdaj esperantistoj kelkaj membroj de la Esperanto-klubo "Pacifiko" partoprenis la 85-an Japanan kaj 62-an, 64-an Hokajdajn Esperanto-kongresojn en 1998 kaj 2000.

La eksprezidanto de Vladivostoka Esperanto-klubo Sergej Anikeev, instruante en Hakodate-filio de For-Orienta Ŝtata Universitato samptempe gvidis E-kurson por japanoj. Poste grupo de entuziasmuloj fondis Esperanto-rondeton, kiu ĝemeleĝis kun Vladivostoka Esperanto-klubo en 1998. Hokajdaj esperantistoj vizitis en 1999 Vladivostokon, Ĥabarovskon kaj partoprenis la Internacian studentan kongreson, organizitan de For-Orienta Ŝtata Teknika Universitato, kie Esperanto estas instruata kiel nedeviga studobjekto. Krom Vladivostoko, estis vizitoj de japanaj esperantistoj al Petropavlovsk-Kamĉatskij.

Certe, For-Orientaj esperantistoj kontaktas ankaŭ kun esperantistoj de Ĉinio, Koreio kaj aliaj landoj. Grupo de Vladivostokaj esperantistoj partoprenis en 1992 la 5-an Pacifikan Esperanto-Kongreson en Qingdao, vizitis Pekinon, Ĥarbinon kaj ties Esperanto-societojn. Post unu jaro la grupo de ĵurnalistoj de "El Popola Cinio" vizitis Vladivostokon, Ĥabarovskon, Moskvon, Sankt-Peterburgon. Pri tiu vojaĝo ili publikigis en sia revuo grandan artikolon.

La nuna prezidanto de Vladivostoka E-klubo A.Titajev dum siaj oficvojaĝoj partoprenis la aranĝojn de Korea Esperanto-Asocio kaj Seula Esperanto-kultura Centro. En majo 2001 fama korea Esperantisto, profesoro So Gilsu oficvojaĝante Vladivostokon ne nur vizitis la lokan klubon, sed ankaŭ dum la oficialaj intertraktoj uzis Esperanton.

En 2000 denove estis lanĉita la informbulteno de Asocio de For–Orientaj rusiaj esperantistoj sub la nova titolo "La Pacifika Kuriero", kiu estas dissendata al multaj lokoj de Fora Oriento kaj Orienta Siberio kaj esterlanden, plejparte al Japanio (Hokajdo). La Hokajdaj esperantistoj reciproke sendas sian "Heroldon de HEL".

Antaŭ 110-jariĝo de Esperanto-movado en nia regiono oni povas konstati, ke sukcesoj en tiu alloga movado dependas de ni mem.

***Aleksandr B. Titajev (Vladivostok)***

## "INDIĜENAJ DIALOGOJ" – KIO, KIAL, KIEL?

**Informeto:** ni vivas en la tempo, kiun UN deklaris la Jardeko de la Indiĝenaj Popoloj.

**Ideo:** naiva, kiel multego el la esperantistaj iniciatoj. Kunigi indiĝenajn popolojn pere de Esperanto kaj Interreto.



**Monrimedoj**: nulaj.

**Rezulto**: la projekto "Indiĝenaj dialogoj" (ID), startinta en 1999, engaĝis jam dekojn da aktivaj anoj el 5 kontinentoj. Estas kreita TTTejo de ID <http://www.idnetwork.nl/central/esp>. Okazis 2 internaciaj kursoj kaj pluraj regionaj (en Afriko, Azio, Latina Ameriko kaj en Rusia urbo Siktivkar). Estas elspezitaj pluraj centmiloj da "sponsoraj" dolaroj.

**Gageto**: la projekto petis subvencion de la Nederlanda ministerio pri eksterlandaj aferoj. "Ne", – diris koncernulo. Sed en tiu stranga lando ne sufiĉas rifuzi. Necesas klarigi la kialojn. Feliĉe, la malakceptaj argumentoj estis ridindaj. Kaj oni konsilis al la petintoj plendi kaj postuli eĉ pli grandan subvencion. (Imagu: plendi pri rifuzo "sponsori"!) Rezulte (mi komprenas, ke por digesti tion oni devas havi superfantazion) la argumentoj de la plendantoj estis konsideritaj pravaj – kaj la ministerio efektive pagis eĉ pli ol estis petite unuafoje!

**Kursoj:** la unua kaj la dua internaciaj okazis en la plej multekosta vilaĝo de Nederlando (Wassenaar, 15 minutojn perbuse de la Haga centro). Tie loĝas ĉefe diplomatoj, riĉuloj kaj… ni (ve, nur 3 semajnojn).

En la granda lernosalono – bildoj pri la indiĝenaj popoloj, ŝildoj kun la nomoj de koncernaj objektoj kaj piano. Nenio – hazarda. La piano, ĉar la kurso abundas je kantoj, la ŝildoj, ĉar tiel oni senkonscie memorfiksas E-vortojn, la bildoj, ĉar unu el la kursaj dimensioj estas – interkonatigo de la indiĝenoj. La lecionoj pasas duetape. Komune por ĉiuj (ĉefrolas unu el la iniciatintoj de la projekto, kapablega psikologo kaj instruisto, simple bonega homo Sylvain Lelarge; helpas fama Ĉe-instruistino el Hungario K.Smideliusz, la kunlaboranto de la Internacia Esperanto-Instituto en Hago, argentinano A.Orellana Rojas, komputil-lingvisto A.Leoni el Kostariko, kaj la subskribinto; ĉiuj kune – teamo; kunlaboras ankaŭ fakulino pri fonetiko, kiu helpas pri prononcaj problemoj). Post la komuna lernado – lecionoj laŭ la pontlingvoj (angla, franca, hispana kaj rusa).

**Miaj suferoj:** kiam unuafoje mi vidis la 5-personan "delegitaron" de Rusio, mi komprenis, ke pli ol duono venis por ne maltrafi "haljavon" (biletoj kaj restado estis por la kursanoj senpagaj) kaj unu el la ceteraj anoj estas neimageble malkapabla pri lingvoj. La suferojn pligrandigis la fakto, ke dum ĉiuj aliaj kursanoj senĉese lernadis eksterlecione, niaj homoj spektis televidon, promenis kaj ĉiel malstreĉiĝis, kio plurfoje provokis malflatajn rimarkojn de la teamo. Finiĝis per tio, ke ĝuste la ruslingva grupo montris la plej bonajn test-rezultojn kaj ĝuste Rusia reprezentanto montris grandegan aktivecon post la reveno hejmen, sed pri tio iom sube. Nun –

**pli pri la kursoj:** feliĉe, ili grandparte baziĝis sur la sugestologiaj principoj. Por ne detali, mi menciu nur kelkajn iliajn specifaĵojn. Speciala atento al senkonscia memorfiksado, plena malrigidigo – psikologia, fizika, intelekta – de la kursanoj, kreo de integra kolektivo el apartaj lernantoj. Rezulte – la lecionoj pli similis provludojn de teatro: klaŭnaĵoj, pantomimo, kantado, rolado, ludoj…

**Plia gageto:** la unuan Siktivkaran kurson decidis partopreni Sylvain. Vasilij (pri kiu

temos sube) komisiis al certa homo renkonti lin en Ŝeremetjevo kaj transaviadiligi. Ni kursas. Telefonsonoro. Parolas K.Smideliusz: "Neniu renkontis Sylvainon. Li ne havas la bileton al Siktivkar nek vian telefonon". Tuj poste: "Halo, Vasilij! Mi ne povas trovi Sylvainon!" Rezulte – Vasilij kun du telefonaŭskultiloj samtempe, kunigante ambaŭ misŝanculojn pere de la hungara asistanto. Cetere, li diras al la franco, ke la virino, kiu penas renkonti lin aspektas simile al A.Pugaĉova. Kaj kion faras Sylvain? Li venas al informa giĉeto kaj demandas: "Ĉu vi povus klarigi al mi, kiel aspektas fama kantistino Pugaĉova?"

**Pliaj suferoj:** la unua internacia kurso estis ĝenerale unua tiaspeca. Neniu havis koncernan sperton. Pro tio S.Lelarge, la ĉefa respondeculo, laboregis ĝis preskaŭ tute sendormaj noktoj kaj konstante improvizis. Per si mem tio ne estas malbona, sed ni, la teamanoj, neniam sciis, kio sekvos post unu minuto kaj kiun rolon ni ludos en tio! Finfine okazis krizo, dum kiu persone mi tute serioze pensis forveturi. Sed la fakto, ke neniu povus anstataŭi min dum la kurso estis unu el la decidaj argumentoj por tamen resti. Sylvain tuj komprenis la danĝeron kaj ekde tiam ni ĉiumatene havis programon por la tuta tago kaj regule kunvenis teame. Krizoj ne ripetiĝis.



**Plia gageto:** inter la kursanoj estis terure komunikema berbera knabo el Maroko. Foje ni diskutas pri iu indiĝena problemo. Gvidas S.Lelarge, kiu rimarkas, ke la marokano konstante faras geston, signifantan "ni faru paŭzon". Ĉar niaregule ĉiu rajtis eliri, se necese, Sylvain iom koleriĝas, sed entreprenas nenion. La diskuto venas al la fino – kaj la berbero eksplodas: "Kial vi donis parolon al ĉiuj, krom mi?" – "Sed vi ja ne petis!" – "Kion do mi faris per la gesto?" Evidentiĝis, ke tio, kio por francoj signifas paŭzon, por berberoj – peton de parolo. Tiel ni havis komunik-problemon ligitan kun diverseco de kulturoj. En la postaj kursoj tiu aspekto estis aparte pripensita kaj nun ĝi estas unu el la nepraj eroj de ĉiu IDa aranĝo.

**ID en Rusio:** lerninto de la unua internacia kurso, tute serioza kaj konscienca homo, V.Kiselov (gvida persono en la hierarkio de la Plenumkomitato de la Kongreso de komi-popolo) neniel povis decidi por si mem – ĉu la tuto estas nur stultaĵo aŭ io potenciale grava. Sed vidante, ke la ĉeforganizantoj (Sylvain kaj lia edzino Bessi Schadee) sindediĉe kaj efike ŝvitegas por evoluigo de la projekto, kies ideoj al Vasilij plaĉis, li riskis. Reveninte hejmen, li persiste plulernis Esperanton. La edzino kaj pli aĝa filino kontraŭvole aŭskultante senĉesajn E-kasedojn, komence primoketis, poste jam koleregis: "Elŝaltu vian Esperantaĉon!". Rezulte – ili mem venis al ID-kurso: al la unua Siktivkara kurso – la edzino, al la dua – la filino. Sed per la propra familio Vasilij ne kontentiĝis. La E-iga juko daŭris. Vasilij komencis sondi surloke por konstrui tie lokan ID-bastionon.

**Interluda gageto:** por la dua kurso en Siktivkaron venis franco Ph.Chavignon. Ni sidas en salono de preventa sanatorio (kie okazis la kurso) kaj interparolas Esperante. La pordo estas malfermita. Preteriras virino kun infanoj. Tuj ŝi revenas kaj diras ruse: "Ha, Esperanto!" Mi interesiĝas: "Kial vi konkludis?" Ŝi (Esperante): "Ĉar mi estis iam la prezidanto de la loka klubo". Sekvas konversacieto. Philippe estas surprizita. "Stranga urbo estas tiu Siktivkar. Ĉu vi scias, kio okazis hodiaŭ matene?" – "?" – "Mi kun Dolĉemulo (ĉiu kursano havis pseŭdonimon – A.M.) venis al Vasilij en lian oficejon (la registara domo de Komi-respubliko – A.M.). Ni staras koridore kaj parolas Esperante. Subite en la koridoron eliras homo kaj prezentas sin nialingve: "O.Ŝtraler, vicministro pri naciaj aferoj de Komi-respubliko (malnovaj SEJM-aktivuloj certe memoras Olegon – A.M.)". Kaj li flue pluparolas. Ĉu vere ĉi tie amasegas esperantistoj?"

**Iom serioze:** la dua ID-kurso en Rusio estis vere impona. Al ĝi kontribuis prelege aŭ ali-kunlabore la ĉeforganizinto (Vasilij rakontis pri la nacia movado en Komi-respubliko), deputito de la Ŝtata Dumo, vicministro kaj departament-estrino de la ministerio pri naciaj aferoj de Komi-respubliko, gvida figuro en la produktado de komi-lingvaj lerniloj (pro tio ŝi kaj la kolegoj ĵus ricevis Ŝtatan Premion de Komi-respubliko) k.a. nemovadanoj. Frekventis la kurson redaktorino de Komi-radio. Ĉeestis ankaŭ gvidantino de laboratorio pri dulingva edukado de etuloj. Cetere, ŝi venis nur por vidi la metodon. Pli ol tio, ŝi avertis Vasilij-on, ke se ĝi estas fuŝa, ŝi faros ĉion por ke oni ne plu organizu tiujn kursojn. Finiĝis per tio, ke la virino anstataŭ spekti deekstere, decidis plene aliĝi al la kurso kaj disiĝonte donacis al la instruinto spickukon kun la skribaĵo "Al tiu, kiun mi amas". Vidinte nian "varman kompanion" en la pasintjaraj kursoj, petis permeson aliĝi tre "esperantisteca" (mi celas fervoron kaj karismon) instruisto pri geografio, kiu nun planas fondi E-rondeton en sia lernejo. Bona laboro de Vasilij kaj eventuale mia libro (ĝin 100-ekzemplere aĉetis la Plenumkomitato de la kongreso de komi-popolo por senpage distribui al bibliotekoj, ĵurnalistoj kaj aliaj utilaj homoj) preparis bonan grundon por informa efiko. Pri la kurso raportis lokaj televido, radio, gazetoj. Estas ŝanco, ke en Siktivkar kreiĝos regiona sidejo de ID en Rusio.


*Aleksandr Sergeeviĉ Melnikov la 8-an de aŭgusto havis 50-jaran jubileon! Gratulojn en la nomo de REGo!*

**Sugeste kaj pete:** la projekto neniel estas poresperantista entrepreno. Kiel diris ĝia kunlaborantino Bessie Schadee: "Kaj Esperanto kaj la projekto estas nur telefono. Ili tre helpas kunlabori por solvi indiĝenajn problemojn, sed neniel rekte solvas ilin." Tamen sukceso de la projekto kontribuus al sukceso de la movado. Aliflanke, la movado povas helpi al sukceso de la projekto. Kio vere bezonatas de la movado – iel patroni la rusiajn projektanojn. La kursintoj, kiuj loĝas ekster Siktivkaro, estante sen kontaktoj, E-lerniloj kaj morala subteno, tre baldaŭ rilatos al ĉio okazinta nur kiel al agrabla pasinteco.

**Kion povas fari vi mem:** 1) proponi propran patronecon (vidpunkte de regulaj homaj kontaktoj, eĉ se korespondaj, helpo en lingvo-lernado, informado pri interesaj E-aranĝoj, kreado kaj funkciigo de E-klubo ktp); 2) helpi trovi eventualajn "sponsorojn" por iuj aspektoj de la projekto; ĝis nun mone kontribuis ĉefe individuoj, bankoj, komputilaj firmaoj kaj E-organizaĵoj; al nerusiaj IDanoj helpis ankaŭ internaciaj porindiĝenaj fondusoj, kiuj principe ne volas trakti kun rusianoj pro ĝenerala malfido al rusiaj (mal)respondeculoj; 3) **informi en indiĝenaj medioj** pri la projekto kaj **al ID** pri potenciale gravaj eventoj, kie indus partopreni; 4) sendi viajn **proponojn** (eĉ la plej fantastajn) por la strategio kaj taktiko de la projekto.

**Fermavorte:** kompreneble, mi povus paroli pri la projekto multe pli, sed necesas ie halti. Aliflanke, eble mi misprezentis iun epizodon (la memoro ne ĉiam fidelas), sed tio ne ŝanĝas la esencon. Gravas, ke ID estas **subteninda** iniciato, kiu povas efektive helpi al indiĝenoj kaj per tio helpi al la movado. Interesitoj skribu al la artikol-aŭtoro <aleks-meln@mail.ru>. Cetere, por la rusiaj IDanoj estas planite eldoni informan ruslingvan retbultenon. Kiu interesiĝas pri ĝia ricevo, bv. peti ĉe la redaktanto kaj subskribinto. Krome, interesitoj povos baldaŭ vidi fotojn pri la projekto en la TTTejo de la Rostova E-Centro <www.rostov-esper.narod.ru >.

***Aleksandr Melnikov (Rostov-na-Donu)***

*P.S. Lastatempe en la konsisto de la projekta teamo okazis ŝanĝoj, sed pri tio alifoje.*



## EKSPEDICIO

La 30-an de julio – 12-an de aŭgusto, 2001 okazis vica 16-a Ekspedicio laŭ la rivero Dnestro. Organizis ĝin anoj de Odesa junulara E-klubo “Verdaĵo”; entute partoprenis 23 personoj el Odeso, Kirovograd (Ukrainio) kaj Lodz (Pollando).

La ekspedicio estis dediĉita al naturesploro kaj naturprotekto de belaj ĉirkaŭaĵoj de Odeso-Dnestra delto, unu el tutmonde protektataj akvo-marĉaj teritorioj. La partoprenantoj de la Ekspedicio ekskursis al lago Blanka, kie pompe floris tiutempe blankaj akvaj lilioj, aŭ nimfeoj. Sur flosantaj rondaj folioj de tiuj plantoj nestis blankvangaj ŝternoj. Ĉi-jare la alta akvo staris tre longe, kaj pro tio la birdetoj ne povis elkovi idojn ĝustatempe, do eĉ komence de aŭgusto ni vidis iliajn nestojn el sekaj branĉetoj kaj sur ili – po 2 brunetaj ovoj. Kaj en kelkaj nestoj videblis eĉ ĉarmaj lanugaj buletoj – ĵus kovitaj birdidoj.Sur malgranda parto de la lago ni kalkulis 170 nestojn kaj ringumis 70 birdidojn. Sekvajare ni ekscios, kiom da birdoj elkreskos kaj revenos al sia patrujo.

Alia bonfara afero de nia ekspedicio estis konstruo de nesto por aglo. Haliaetoj estas raraj rabobirdoj, kiuj vivas ĉiam apud akvo. Longo de ĝiaj plene etenditaj flugiloj atingas eĉ 2 metrojn. Kaj por tiu “birdeto” kaj ĝiaj 2 infanoj ni konstruis neston sur la arbo. La nesto konsistis el arbotrunkoj kaj fortaj branĉoj, diametre pli ol 2-metra. Ni esperas, ke haliaeto (blankvosta aglo) aprezos nian gastamon kaj eklоĝos en la nova domo. Estus bone, se ankoraŭ unu juna paro de agloj najbaros nian ekspedicion “Dnestro-2002”.

Interalie, la sovaĝan vivon de Dnestra delto povas vidi ne nur tiuj kuraĝuloj, kiuj venis al ni por vivi en tendoj kaj ĉiutage senti la veran naturan vivon inter verdaĵo, kiam la suno leviĝas kaj subiras ambaŭflanke de la rivero, ordonante la tutan nian tagordon. Certe, aromon de freŝa fojno, teneran plaŭdadon de riverondoj, kareson de suda aŭgusta suno povas rememori nur tiuj, kiuj vere travivis tion. Sed vidi la sovaĝan naturon de la Dnestra delto povas ĉiu, sur la kasedo “Sovaĝa vivo de sudaj kanejoj”, produktita de anoj de Odesa filio de Ukrainia Birdoprotekta Societo, Odesa junulara Esperanta klubo “Verdaĵo” (Ukrainio) kaj Jokohama Esperanto-Rondo (Japanio). La premiero de la filmo okazis dum SAT-Kongreso en Nagykanizsa (Hungario, 2001); poste ĝin spektis partoprenantoj de la UK en Zagreb, Kroatio. Dum la Universala Kongreso la filmon oni montris 4-foje, kaj ankaŭ aparte dum la Junulara Programo.

Odesa junulara E-klubo “Verdaĵo” (la verda – koloro de juneco, de naturo kaj de Esperanto) ĉiam pretas akcepti gastojn kaj montri al ili nian mirindan naturon kaj nian belan urbon. Ni renkontiĝu dum “Dnestro-2002”!

***Tatjana Auderskaja (Odeso)***

> Tri astronaŭtoj enkosmiĝas por trimonata kosmovojaĝo. Unu el ili estas usonano, alia estas italo, kaj la lasta estas bervalano. Kiel por ĉiu kosmovojaĝo, ili rajtas kunporti po du kilogramojn da personaj aĵoj. Do, la usonano kunportas skatolojn da kokakolo. La italo kunportas spagetojn. Kaj la bervalano kunportas cigaredojn. La kosmomisio okazas normale, kaj ĉe la fino la astronaŭtoj surteriĝas. La usonano forĵetas la malplenajn kokakolskatolojn en rubujon. La italo klarigas detale ke la pastaĵoj estis preparitaj de lia panjo, sed ke ili estintus pli bonaj kun kianti-vino. La bervalano kuregas ĉien sur la kosmodromo, kun cigaredo en la buŝo, tremegante per ĉiuj membroj, demandante: Ĉu iu havas alumeton!? ***(esperanto-anekdot)***

## LA INSTRUISTOJ KONFERENCIS

La 35-a ILEI-Konferenco okazis en Lovran, Kroatio, de 28.07 ĝis 04.08. Situinta ĉe belega marbordo ĝi altiris preskaŭ 60 partoprenantojn el 20 landoj. Kvar ĉefaj elementoj

konsistigis ampleksan programon inkluzive de alloga ekskursa tago tra la duoninsulo Istria.

1. La Komitato elektis novan estraron por trijara deĵorperiodo: Mauro La Torre, prezidanto – rilatoj kun AIS/IEI; Stefan MacGill, vic-prezidanto – eldona agado; Agneta Emanuelsson, sekretario – membraro, landaj asocioj kaj ekzamenoj; Boo Mee Kim Lindblom – kasisto; Sabine Trenner, help-sekretario – lerneja agado; Jennifer Bishop, estrarano pri konferencoj kaj por flegi kontakton kun FIPLV; Radojica Petroviĉ, estrarano pri instrusciencа esplorado, universitata agado, TEJO kaj instruista trejnado.

2. Projekto Interkulturo post celebri ĉe UK dujaran enkondukan periodon intencas daŭrigi per kontribuo de dungota helpanto kun komputikaj kapabloj kaj per pli efika lerneja kontakto de la nova help-sekretario.

3. 2 novaj sekcioj estas akceptitaj: Benino kaj Kroata Esperanto Ligo.

4. Universitata agado estas kunordigota kaj promociota.

Interalie:

– ILEI membriĝis al Federation Internationale de Professeurs des Langues Vivantes (FIPLV);

– Rene Triolle kaj Mireille Grosjean reprezentos ILEI ĉe UNESKO;

– propono de nova Regularo por Ekzameno de instru-kapablo de Esperanto estas prezentita;

– diplomiĝis kiel Cseh-instruisto Natalja Kasimova kaj Ruben F. Asensio;

– prelegis Mauro la Torre, Stefan MacGill, Ron Glossop, Bill Maxey, Hector Jimenez, Johano Negrete, Ilona Koutny, Juan Ramon Rodriguez Gomez kaj Irina Gonĉarova, kies tekstoj aperos en sekvaj numeroj de Internacia Pedagogia Revuo (IPR).

***Jennifer Bishop (Aŭstralio)***

Novan belan ttt-ejon funkciigis E-Asocio de Suda Afriko laŭ la adreso <http://esperanto.za.org>. Tie oni povas kiel kutime trovi informojn pri Esperanto kaj pri la lando. ***(retaj informoj de uea)***

## E-PARTO DE LA URBA FESTO EN IVANOVO

La 4-an de aŭgusto oni festis 130-jariĝon de la urbo Ivanovo. La festado estis amasa, kvankam ne tro impona – ja la urbo ne riĉas. I.a. en la programo de la festado aperis Festivalo "Uvleĉenije" – titolo je unu litero diferenca de nia februara Festivalo "Uvleĉenija" (Festivalo de Interesoj). Laŭpriskribe temis pri placo, sur kiu estis sin prezentontaj diversaj kluboj kaj hobioj. Iom pripensinte la aferon, ni decidis simple partopreni, ne atendante specialan inviton. Do, niaj homoj venis al la organizantoj kaj interkonsentis, ke ankaŭ ni havos lokon enkadre de la Festivalo.

La festivalo mem estis parto de la promenplaco, ĉirkaŭita de bierbutikoj, vendistoj de molaj ludiloj, farbpilka pafejo ks. El pluraj antaŭanoncitaj kluboj venis nur ni, klubo de historiaj modeloj kaj radglitistoj. Nu, ĉar la popola promenejo estas la loko, kie oni serĉas "panon kaj cirkaĵojn", ni estis ne la plej vidinda ero – kun niaj libroj kaj fotostandeto (kaj foje – gitarakompanataj kantoj). Des pli apud la glavarmitaj historiaj modelistoj kaj saltantaj radglitistoj.

Sed iom da homoj el la plurmila amaso ĉirkaŭ ni venadis ankaŭ al nia tablo, i.a. niaj perditaj kaj duonperditaj samideanoj. Entute pri Esperanto ĉe nia tablo dum la 5 horoj de nia starado (laŭvice deĵoris kelkaj klubanoj) pri E-o informiĝis ĉirkaŭ 50 personoj. Ankoraŭ centoj – aliradis, vidis, ke temas pri Esperanto kaj iris plu serĉi amuzaĵojn. Sed eble io pozitiva ankaŭ en iliaj kapoj restos.

Ni decidis lerni de la sperto kaj sekvan fojon – septembre, kiam ni planas surstrate reklami nian Lingvan Festivalon, ni provos fari iom pli viglan sinprezenton.

***Junulara E-teamo de Ivanovo***

## REVENE AL LA TEMO

En REGo № 1(1) estis mia artikoleto pri konataj televidistoj, iam havintaj rilaton al Esperanto aŭ interlingvistiko: I.Usaĉov, A.Uĥov, S.Dorenko. Nun al tiu listo eblas aldoni ankoraŭ unu nomon. Ĉi-maje en la programo "Vremeĉko" (TVC) eklaboris Valerij Hiltunen, kiu antaŭe estis ĵurnalisto gazeta: dum multaj jaroj li gvidis la popularan lernejanan rubrikon "Alij parus" en "Komsomolskaja pravda", poste laboris en "Literaturnaja gazeta" kaj aliaj paperaj amasinformiloj.

Antaŭ trideko da jaroj Valerij, tiam studento de ĵurnalista fakultato de Moskva Universitato, lernis Esperanton en rondeto, kiun gvidis mi. Kaj kvankam li ne iĝis aktiva E-isto, poste li (estante ĝenerale homo malrutinema kaj allogata de ĉio neordinara) ĉiam esprimis intereson kaj simpation al Esperanto, kiam lin kontaktis mi aŭ aliaj E-istoj. Ekzemple, en 1987 V.Hiltunen, diference de aliaj invititoj, volonte ĉeestis kiel honora gasto en la malfermo de jubilea E-ekspozicio, aranĝita en la Fremdlingva biblioteko.

Municipa ret-servilo de Ribinsk aperigis sur siaj paĝoj E-lingvan informon, kiu reklamas la urbon kiel belan turismejon kaj promesas renkontiĝojn kun la membroj de la loka E-klubo. Jen la adreso: <http://www.rybinsk.ru/adm/adm_news.htm>. Ege subteninda iniciato! ***(Andrej Grigorjevskij)***

Espereble en "Vremeĉko" li nestiĝis firme: tie aperis eĉ lia persona rubriko "Fabeloj de oĉjo Hil". Do se vi deziros komuniki al tiu populara programo iun interesan informon, ligitan al Esperanto — telefonu tien: (095) 959-1285, -1287, -4428, -4429, petu kontakton al Valerij Hiltunen, kaj vi ne bezonos elspezi valoregajn sekundojn por klarigi, kio estas Esperanto.

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## KONCENTREJA MEMOREJO DACHAU: INFORMOJ EN ESPERANTO

La oficiala retpaĝaro pri la memorejo de la nazia koncentrejo en la germana urbo Dachau estas nun legebla ankaŭ en la internacia lingvo. La memoreja administracio permesis la publikigon de la traduko, petis pri regula aktualigo de la traduko kaj instalis retligon al ĝi en siaj propraj, germanaj, paĝoj <http://www.kz-gedenkstaette-dachau.de/gedenkstaette//> (la retligo estas sub la rubriko "Links" kaj tie "Fremdsprachige Texte: Esperanto"). La permeso estas des pli ĝojiga, ke antaŭ pluraj jaroj la "komitato de Dachau", la organizo de la eksmalliberuloj, ankoraŭ rifuzis la permeson traduki kaj eldoni informfolion en Esperanto. Kompare al la germana originalo, la internacilingvaj retpaĝoj estas suplementitaj per klakeblaj mapoj, kiuj montras klarigojn pri la klakitaj partoj. Multaj retligoj kondukas al aliaj memorejoj de la nazia persekutado: al aliaj koncentrejaj memorejoj, al fondaĵoj kaj al la memorejo Jad Vaŝem en Israelo kaj la Usona Nacia Memora Muzeo "Holokaust". Iliaj paĝoj (dume) ne ekzistas en Esperanto. La memorejo en Dachau troviĝas sur la tereno, kie nazioj en 1933 instalis sian unuan koncentrejon por malliberigi politikajn kontraŭulojn kaj aliajn, pro etnaj aŭ religiaj kialoj, persekutatajn personojn. Ekspozicioj montras al vizitantoj la kruelecon de la nazia reĝimo, por eviti ke ĝi forgesiĝu, ĉar kiu ne konas la pasintaĵojn, estas kondamnita ilin ripeti, laŭ diro de la filozofo Georgo Santajana.

***Reinhard Fössmeier (ret-info)***

## POLA RADIO ĈIUTAGE PAROLAS EN ESPERANTO

E-elsendoj de Pola Radio apartenas al la plej malnovaj, konstante aŭdiĝantaj ĉiutagaj programoj en la Internacia Lingvo. Jam de pli ol 40 jaroj esperantlingvaj elsendoj de Pola Radio kreas la ĉiutagan Esperantan lingvomedion por esperantistoj en la tuta mondo. Ko-

mence povis ĝui ilin precipe eŭropaj esperantistoj, de kelkaj lastaj jaroj tiu ĉi lingvomedio dank' al interreto estas tutmonda.

Esperanto-Redakcio disponigas ĉiutage programojn pri la diversfaceta vivo en Pollando, en niaj novaĵbultenoj, komentarioj speguliĝas gravaj eventoj eŭropaj kaj internaciaj. Multan lokon en la programo de E-Redakcio de Pola Radio okupas problemoj de la lingvokomunikado kaj aferoj de E-movado. Apartan lokon en tiu ĉi parto de la programo okupas rektaj sonraportoj pri la Universala Kongreso de Esperanto kaj kolektitaj sonmaterialoj (intervjuoj, interparoloj, sonscenoj) pri diversaj E-aranĝoj, kiujn – kiel gasto – partoprenas reprezentantoj de la E-Redakcio.

La elsendojn vi povas aŭskulti per mallongaj ondoj, satelite kaj interrete. Jen la detaloj pri la mallongonda ricevo laŭ la Universala Tempo (UT): je la 13.30 h. – 41,18 m, 41,24 m (= 7285, 7275 kHz) kaj ripeto je la 18.00 h. – 42,07 m (= 7130 kHz). La adreso de la retelsendoj de Pola Radio en Esperanto estas <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>.

Ĉe la adreso <http://www.radio.com.pl/esperanto_eo.asp> troviĝas la TTT-paĝo de la Esperanto-Redakcio. Sur niaj paĝoj ni afiŝas ĉiutage la tekstojn de niaj informbultenoj.

Tre gravaj estas por ni la korespondaj reagoj de niaj geaŭskultantoj pri la aŭskultitaj programoj. Tiuj korespondaĵoj, raportoj pri aŭdebleco estas la sola pruvo por la aŭtoritatuloj de Pola Radio, ke la E-elsendoj plenumas sian rolon, ke ili estas aŭskultataj, ke ili estas bezonataj. La plej interesaj korespondaĵoj (pri la enhavo de la elsendoj, recenzoj de la unuopaj programeroj, sugestoj) estas premiataj per multaj, diversaj, objektaj premioj en nia ĉiumonata konkurso por la plej interesaj korespondaĵoj. Jen estas la kontakto-adresoj: poŝte – Esperanto-Redakcio de Pola Radio, Radio Polonia, 00-977 Varsovio, p/k 46; rete – <esperanto-redakcio@radio.com.pl>.

***Barbara Pietrzak, la estro de la E-Redakcio de Pola Radio***

---

Edzino: Kion vi farus se mi mortus? Ĉu vi denove edziĝus?
Edzo: Ne, kompreneble ne.
Edzino: Ĉu vi ne kontentas pro nia edziĝo?
Edzo: Karulino! Evidente mi kontentas pro tio!
Edzino: Do, sekve, kial vi ne volus denove reedziĝi?
Edzo: Jes, en ordo. Jes, mi supozas ke mi denove edziĝus.
Edzino: Ĉu vi dormus kun ŝi en nia lito?
Edzo: Nu, tio estus taŭga, ĉu ne?
Edzino: Kaj ĉu vi demetus la fotojn pri mi el la muro, kaj anstataŭus ilin per fotoj pri ŝi?
Edzo: Mi supozas ke oni konsideras tion deca agmaniero.
Edzino: Kaj mi supozas ke vi permesus al ŝi ludi per miaj golfludaj klaboj?
Edzo: Evidente ne! Ŝi estas maldekstrulino. ***(esperanto-anekdot)***



# LIBRA REVUO


## E-EKSPOZICIO EN BIBLIOTEKO

La 26-an de julio en Kostroma regiona scienc-teknika biblioteko okazis solena malfermo de ekspozicio, dediĉita al la 114-a datreveno de la apero de Unua Libro.

Por publiko estis kolektitaj libroj de KETo-anoj (Kostroma E-Teamo) kaj libroj de la biblioteko, entute – ĉ. 50 titoloj. Inter ili estis: represaĵo de la Unua Libro mem, apartaj paĝoj kun tekstoj, kun la kuponoj, kun la versaĵo "Ho, mia kor'!", vortaroj diverslingvaj, lernolibroj. Estis prezentitaj ankaŭ la libro de Janka Kupala kun 82 tradukoj de lia versaĵo "A Ĥto tam idze?" (Do, kiu venas?), Hungara antologio, B.Prus "Faraono" (eldonita en 1907), "Malprudenta scivolulo" de Servantes (1955, Hispanio). Inter la periodaĵoj estis "La Ondo de Esperanto", "Esperanto", "Monato", "Kontakto", "Paco", "Juna amiko", "Sennacieca revuo" kaj aliaj.

La biblioteka estraro bonege kunlaboris kun ni, invitis televidon, anoncis la malfermon en loka radio. Min intervjuis 4(!) lokaj televidkanaloj, mi rakontis pri la libroj, respondis la demandojn de ĉeestintoj. Nian klubon kunprezentis 3-4 homoj, kiuj ankaŭ rakontis pri siaj hobioj, pri la bezono lerni Esperanton. Ĵurnalistojn interesis preskaŭ samaj demandoj: 1. Por kio oni lernas Esperanton? 2. Kiom da e-istoj estas en Kostroma, kiuj ili estas? 3. Kion donas Esperanto al homoj? 4. Kial Esperanto estas malvaste konata?

> Anatolo Gonĉarov (ab.ja. 65, Sankt-Peterburg, 197022; rete <anatolog@mail.ru>) peras la literaturan E-revuon "Fonto" (Brazilo), 12 numeroj jare. La abonkosto ekvivalentas 60 nederlandajn guldenojn.

Post la prezento, kiam ĉiuj foriris kaj ni restis solaj, en la halon eniris 4 homoj, kaj nekonata viro suprize diris: "Saluton!". Okazis, ke Colin Simmonds (Birmingham, Anglio) akompanata de Tatjana G.Loskutova (Ivanovo), Irina Galicina (Ivanovo) kaj komencantino el Kostroma dum vizito al nia urbo eksciis pri la ekspozicio kaj venis. Ni konatiĝis, parolis en Esperanto pri nia klubo, ekspozicio, fotiĝis. Do, nian solenan malfermon vizitis ne nur aliurbanoj, sed ankaŭ eksterlandano!

Komence de aŭgusto mi komencis rapidkurson por ekinteresiĝintoj.

***Aleksej Kuznecov (Kostroma)***

## APERIS JARLIBRO 2001

Portreto de Gaston Waringhien malfermas la Jarlibron 2001 de UEA, kiu tiel omaĝas la 100-an datrevenon de la naskiĝo de tiu granda esperantologo kaj Honora Membro de la Asocio. En la unua parto, eldonita ankaŭ aparte kiel Gvidlibro 2001, aperas adresoj k.a. informoj pri la organoj, instancoj kaj servoj de UEA kaj TEJO, same kiel pri landaj, fakaj, edukaj kaj kulturaj organizaĵoj, bibliotekoj k.a. establoj, sendepende de tio ĉu ili havas ligon kun UEA aŭ TEJO. Oni trovas ankaŭ la Esperanto-rezoluciojn de Unesko kaj la dokumenton pri gvidlinioj por informado pri Esperanto, akceptitan pasintjare. Du trionoj el la 304 paĝoj konsistas el la adresaro de la Delegita Reto de UEA kun 1945 individuoj en 98 landoj (1960 en 99 landoj en Jarlibro 2000). Estas 46 ĉefdelegitoj, 1056 lokaj delegitoj, 153 vicdelegitoj, 58 junularaj kaj 1437 fakaj delegitoj. Krome en Brazilo estas 5 regionaj delegitoj. La fakdelegitoj reprezentas ĉ. 750 diversajn fakojn. Duono de la membroj de la Delegita Reto estas kon-

taktebla ankaŭ en la komputila reto. Retadreson publikigas 927 delegitoj, t.e. 48% el la tuta delegitaro. Tiu nombro rapide kreskis lastatempe: ili estis 572 (29%) en la Jarlibro 1999 kaj 744 (38%) en tiu de 2000. Kun eldonkvanto de 7500 ekzempleroj la Jarlibro estas la plej grandkvanta regula eldonaĵo en Esperanto. Tial ankau ĉi-jare kelkdeko da en– kaj ekster-movadaj organizaĵoj, eldonistoj, turismaj k.a. entreprenoj utiligas ĝin kiel reklamforumon. Fine de la Jarlibro la individuaj membroj de UEA ankaŭ ĉi-jare trovas rabatkuponon de la Libroservo de UEA.

***CO de UEA***

## STRANGECO KAJ UTILECO

***Opinio pri la libro de Halina Gorecka kaj Aleksander Korĵenkov "Esperanto en Ruslando: Historia skizo" (Jekaterinburg, 2000)***




***La "Historia skizo" estas bezonata kaj utila libro.***

Dum la pasintaj jaroj en Rusio kaj ekssovetiaj landoj aperis diversĝenraj libroj, rilatantaj al la historio de la movado. Ili estas tre diversaj laŭ la kvalito kaj enhavo. La plej frue verkita rememorlibro estas "Rememoroj de centprocenta esperantisto" de A.Saĥarov. La plej scienca laŭ la enhavo estas la interesega dika traktaĵo "Historio de la mondolingvo" (E.Drezen). La plej ordigita forme kaj pro tio iom timiga estas "SEJM. Historia skizo" (D.Cibulevskij). La plej popularstila estas "Legendoj pri SEJM" (M.Bronŝtejn). La plej romantika estas "Ne nur legendoj, ne nur pri SEJM", kiun V.Samodaj verkis responde al la libro de Bronŝtejn. Kaj kelkaj aliaj libroj, grandaj kaj malgrandaj, sed gravaj por leganto. Sed mankis tiu unu, kiu povus resumi kaj fari konkludojn pri la fora kaj ĵusa historio de E-movado en nia lando.

La aŭtoroj de la "Historia skizo" sukcesis enigi en la malgrandan broŝuron (nur 40 paĝoj) longegan periodon de pli ol centjara historio de nialanda E-movado. Dank' al ĉi tio la libron povas tralegi verŝajne ĉiu interesiĝanto kiu posedas Esperanton en almenaŭ meza nivelo. Ja ekz. laŭ nia sperto "La danĝeran lingvon" de U.Lins nemultaj sukcesis finlegi ĝuste ĉar ĝi estas tro ampleksa, kvankam sufiĉe multaj esperantistoj akiris ĝin. Krom tio la "Historia skizo" taŭgas por uzo dum E-kursoj, kio estas verŝajne la plej grava avantaĝo de la libro. Ankaŭ gravas, ke pro malgranda kosto ĝi estas aĉetebla preskaŭ por ĉiu.

Pro la malgranda amplekso, la libro ne tro ŝarĝas leganton per faktoj kaj nomoj. Ĝin eblas tralegi dum kelkaj horoj. Certe, por ĝenerala skizo la facileco estas bona kvalito, sed verŝajne la leganto rajtas postuli ion pli seriozan, ol simpla gazeta artikolo. Aliflanke, jam en la tria linio de la antaŭparolo la aŭtoroj substrekas, ke la libro estas nur baza helpilo por kursgvidantoj. Ĉu tio signifas, ke la aŭtoroj planas ion pli seriozan por la promesita dua eldono?

***La "Historia skizo" estas stranga libro.***

Ni mem estas en E-movado ne tro longan tempon, kaj pro tio ni ne povas plene pritaksi la informojn, liveritajn en ĉi libro. Tamen la periodo de "La sendependa Rusio" pasis antaŭ niaj okuloj, kaj preskaŭ ĉiujn eventojn ni partoprenis. Do, por ni estas strange kaj malagrable, ke la plej grava okazaĵo en nia movado en la 1990-aj, laŭ opinio de la aŭtoroj, estas la konflikto inter Jekaterinburga kaj Moskva centroj de la movado. La aŭtoroj ne pravas – la kverelon eĉ ne rimarkis la plejparto de la esperantistoj. Kaj ĝi (la kverelo) neniel influis la

movadon, ĉar evidentiĝis, ke la jekaterinburga E-grupo facile povas vivi sen la cetera landa movado, kaj la cetera movado eĉ pli facile povas vivi sen la jekaterinburga E-grupo .

La aŭtoroj substrekas la gravajn rolojn de SEU-REU-REA. Sed ĉu krom ili en Rusio ne ekzistis aliaj E-organizaĵoj: la junulara SEJM-2, forta sed bedaŭrinde malvaste konata movado de E-nevidantoj, Taŝtagola Junulara E-Centro (dum la pinto de sia aktivado) kaj aliaj? Kial la aŭtoroj opinias, ke la kongres(et)oj de SEU-REU-REA estas pli gravaj ol SEJT-oj, trairintaj ĉiujn krizojn, aŭ festivalo EoLA, kiu nun estas la sola tutrusia kultura aranĝo regule okazanta en nia lando ekde 1988 (kaj ne nur en Rusio, sed ankaŭ en Belorusio kaj Ukrainio)? Ni partoprenis kaj tiujn, kaj aliajn aranĝojn, kaj ni povas diri, ke ne eblas kompari la plejparton de REKoj, kiuj kutime estis tre magraj kaj eĉ enuaj, kaj EoLAjn, kiuj preskaŭ ĉiam estis allogaj kaj interesaj.

En Germanio okazis tutmonda idista kongreso. Laŭ la havataj informoj en ĝi partoprenis 14 personoj el 5 landoj! Oni notas, ke antaŭ 4 jaroj la kongreso estis multe pli amasa – 20-persona. Aperas ankaŭ komentoj, ke preskaŭ ĉiuj idistoj estas samtempe esperantistoj aŭ venis al Ido tra E-movado. ***(Andrej Grigorjevskij)***

Kaj, se paroli pri SEJM-2, ni opinias, ke ĝi estis dum la 1990-aj jaroj pli grava kaj, sendube, pli aktiva ol SEU-REU-REA. Se iu dubas pri tio, bonvolu rememori, ke SEJToj estis regule organizitaj dank' al aktivado de SEJM-2 kaj lokaj ***junularaj*** kluboj. Kaj estas neoponebla fakto ke la SEJToj kaj EoLAj estas la plej amase vizitataj kaj riĉ-enhavaj renkontiĝoj. Estas tre bedaŭrinde, ke en la gazetaro ĉi aranĝoj estis tre malofte objektive priskribitaj. Ankaŭ indas rememori la pinton de la agado de SEJM-2: la 51-an Internacian Junularan Kongreson de TEJO apud Sankt-Peterburg (la UNUA vere granda kaj sukcesa postmilita internacia E-aranĝo en nia lando). La IJK (kolektinta pli ol 300 personojn) estis organizita nur pere de la funkciuloj de SEJM-2. Ve, la aŭtoroj ne tre ŝatis veni al la supremenciitaj E-aranĝoj, sed tre ŝatas (jes, same kiel moskvanoj) serĉi kontraŭulojn kaj batali. La aŭtoroj ial preskaŭ tute preteratentis la aktivecon de lokaj junularaj asocioj kaj kluboj. Kiel (nemenciitan) ekzemplon ni povas nomi la furoran agadon de moskva E-klubo MASI en 1995-97, kaj la eksplodon de E-aktiveco en Ĉeboksari (Ĉuvaŝio), kio kondukis al establo de regiona ***funkcianta*** junulara E-Asocio (JEAĈR), sukcese kunlaboranta eĉ kun la lokaj oficialaj instancoj,

Kaj plia gravega manko, kiu rilatas al SEJM-2. Por ni estas tre amare ne trovi fine de la libro en la listo de meritoplenaj esperantistoj la homojn, kiuj efektive laboris por la rusia E-movado en la 1990-aj. Verŝajne, la aŭtoroj opinias, ke la agado ***de*** junularo (aŭ ***por*** junularo) ne estas honoriginda, kaj ke SEJM-2 okupiĝis pri malgravaĵoj kaj bagateloj, kaj sekve la mencion meritas nur pli aĝaj geesperantistoj. La aŭtoroj krude eraras, se opinias ĉi tiel – en la malfacilegaj 1990-aj la rusian E-movadon gvidis antaŭen Je.Lebedeva, A.Ananjin, G.Kokolija, I.Gonĉarova, A.Blinov, A.Alaskin (Liskov) – plejparte dank' al ĉi tiuj homoj ĉio funkciis en nia movado kaj SEJM, kaj okazis preskaŭ ĉiuj E-renkontiĝoj (***inkluzive*** de SEU-REU-kongresoj) dum la 1990-aj, kaj, certe, ĉiuj ili meritas la honorigon, same kiel la pli aĝaj geesperantistoj. La ankaŭan mencion meritas multaj aliaj, sed ĉi tiuj ses – pleje.

***La "Historia skizo" estas tre stranga libro.***

Finleginte la tekston, ni komencis legi la biografietojn. Kaj ni estis parte ŝokitaj kaj parte nekomprenintaj: kial la aŭtoroj insiste substrekis la hebrean naciecon de multaj rusiaj homoj? Ĉu la libro estas rakonto pri ***rusa*** E-movado aŭ pri ***rusia***? Espereble okazis iu misfaro, kaj tio ne estas montro de naciismo. Certe, kiam temas pri iu ***eksterlanda*** esperantisto, tiam necesas scii ties devenlandon por kompreni – de kie la persono estas. Sed kiucele la aŭtoroj bezonis klarigi al la legantoj naciecojn de ***rusiaj*** esperantistoj? Kaj eĉ se akcepti, ke la aŭtoroj havis iun celon, tiukaze kial ili nenion diris pri la ruseco, beloruseco, ĉuvaŝeco

k.t.p., sed jes pri hebreeco? La situacio estas absurda – apud iuj nomoj staras "judo", sed apud la aliaj – "kemiisto", "lingvisto", "kapitano". Ĉu la aŭtoroj opinias, ke judo estas profesio, aŭ kapitano estas nacieco?

Tamen en la fino ni volas ripeti, ke la "Historia skizo" restas bezonata libro. Kaj ni esperas, ke la mankoj de la unua eldono estos riparitaj.

***Postparolo***. Origine ni verkis ĉi artikolon por "La Ondo de Esperanto". Ties redaktoro ne konsentis publikigi ĝin, motivinte, ke estus malmodeste, se la eldonintoj publikigos du recenzojn pri sia libro (la aperinta recenzo estis, certe, plejparte laŭda). Sed s-ro redaktoro promesis komenti ĉiun diskutindan eron. Ni pacience atendis unu jaron (ekde septembro 2000), sed ĉi-rilate nenion ricevis. Tial ni decidis aperigi nian pliĝustigitan artikolon sur la paĝoj de REGo, kies redaktoro estas pli publikigema.

***Grigorij Arosev, P.Fiŝo (Moskvo)***

## IMPONA MEMORLIBRO PRI IVO LAPENNA

Aperis impona memorlibro pri Ivo Lapenna, la arkitekto kaj konstruinto de la moderna UEA, kiu komencis sian monumentan agadon por Esperanto ĝuste en la ĉi-jara kongresurbo Zagrebo. Eseoj memore al Ivo Lapenna aperis sub aŭspicioj de Internacia Scienca Instituto Ivo Lapenna. Ĝi estis eldonita de Torben Kehlet, al kiu la sorto tamen ne permesis vidi ĝian finan aperon. La 31-an de majo li subite forpasis dum li estis faranta, kune kun s-ino Birthe Lapenna, la lastajn prespretigajn tuŝojn pri la libro. Memorpaĝo komence de la libro omaĝas al tiu elstara Esperanto-eldonisto.

La 417-paĝa libro, redaktita de Carlo Minnaja, kunigas 47 kontribuaĵojn de 29 verkintoj. La tekstoj konsistigas fascinan mozaikon de personaj rememoroj pri homo kaj amiko kaj de studoj pri la agado de Ivo Lapenna sur plej diversaj kampoj, apud kelkaj eseoj malpli rekte ligitaj al Lapenna.

Krom plenkolora kovrila portreto de Lapenna, la allogon de la libro kreskigas abunda kolekto de fotoj el la privata kolekto de s-ino Lapenna. Akompanas la libron ankaŭ kompakta disko kun tri paroladoj de Ivo Lapenna. Tiel ankaŭ la juna generacio povas sperti la parolarton de la legenda oratoro.

Ĉiu, kiu interesiĝas pri la esperantistoj kaj la movado en Kartvelio, povas viziti la retpaĝojn de la Informejo de Avtandil Abuladze ĉe la adreso <http://www.geocities.com/abuladze_2000/start.htm> kaj trovi tie multon interesan.

La Libroservo de UEA estas la ĉefdistribuanto de la libro. Ĝia vendoprezo estas 45 eŭroj, kun triona rabato por samtempa aĉeto de ne malpli ol 3 ekzempleroj. La kontribuintoj ricevas aŭtoran ekzempleron kiel donacon de UEA.

***Gazetara Komuniko de UEA***

## LA RETAJ VERSIOJ DE "MONATO" KAJ "EL POPOLA ĈINIO"

"MONATO" estas eldonata ne nur en formo de papera magazino, sed ekde nun ties tekstoj estas sendataj ankaŭ rete al petantoj. La tekstoj estas sendataj al la abonantoj regule tra la tuta monato kaj unufoje monate kiel en la magazina versio. Provizore la reta versio de "MONATO" estas senkosta. Verŝajne ekde la unua de januaro 2002 la servo iĝos pagenda. Ekzistas du retaj versioj: la askia versio kaj la unikoda versio. Por aliĝi vi sendu retmesaĝon al <servilo@fel.esperanto.be> kaj skribu en la temlinio du vortojn: "subscribe

Ekde la fino de 2000 aperas la reta "El Popola Ĉinio". Ĝi havas 12 partojn, t.e. Novaĵoj, Socioj, Kulturo, Esperanto, Inter Ni, Homaro kaj Naturo, Turismo, Ekonomio, Arto, Scienco kaj Eduko, Kuirarto, Sur Nia Librobreto, kun 45 rubrikoj entute. Krome estas ankaŭ specialaj raportoj pri interesaj temoj. La reta EPĈ estas legebla en <www.espero.com.cn>,

monato-x" por la askia versio, aŭ "subscribe monato-xhtml" por la unikoda versio. Se iam poste vi volas nuligi vian senpagan abonon al la reta versio de "MONATO", vi povas fari tion sendante novan retmesaĝon al <servilo@fel.esperanto.be>. Skribu en la temlinio la vortojn "unsubscribe monato-x" por malaboni la askian version, aŭ "unsubscribe monato-xhtml" por malaboni la unikodan version. ***(soc.culture.esperanto)***

<www.chinareport.com.cn>, <www.china.org.cn/world>.
Estas ĉiam bonvenaj viaj kontribuaĵoj, proponoj kaj sugestoj pri la enhavo, paĝaranĝo kaj lingvaĵo de la reta EPĈ. Kontaktiĝu kun: El Popola Ĉinio, P.O. Kesto 77, CN-100037 Beijing, Ĉinio; retpoŝto <epc@china-report.com> ***(La redakcio de EPĈ)***

## INTERNACIA FOTOKONKURSO

Post la sukcesaj konkursoj en 1998, 1999 kaj 2000 la redakcio de "La Ondo de Esperanto" invitas al partopreno en la kvara Internacia Fotokonkurso.

La konkurso ne estas ligita al deviga temo. En la konkurso rajtas partopreni ĉiu deziranta fotemulo amatora aŭ profesia, sendepende de la loĝlando kaj lingvokono. Unu persono rajtas partopreni per maksimume kvin fotoj. La minimuma formato estas 10x15 cm. La fotoj povas esti koloraj aŭ nigra-blankaj, vertikalaj, horizontalaj kaj aliformataj. Fotoj senditaj komputil-rete ne estas akceptataj.

La konkursajn fotojn bonvolu sendi unuekzemplere al "La Ondo de Esperanto". La fotoj devos atingi la redakcion antaŭ la 15-a de decembro 2001.

La konkursaĵoj devas esti subskribitaj per pseŭdonimo. En aparta koverto kunsendata devas esti enmetita slipo kun la pseŭdonimo, aŭtenta nomo kaj poŝta adreso de la aŭtoro. Oni povas aldoni titolon aŭ klarigan noton al la fotoj, sed tio ne estas deviga.

En la konkurso ne rajtas partopreni fotoj, kiuj jam estis premiitaj aŭ publikigitaj. Tripersona juĝkomisiono aljuĝos premiojn al la laŭreatoj:

***1-a premio:*** du minimumaj ruslandaj monataj salajroj kaj abono al "La Ondo de Esperanto"
***2-a premio:*** unu minimuma ruslanda monata salajro kaj abono al "La Ondo de Esperanto"
***3-a premio:*** abono al "La Ondo de Esperanto"

Specialan premion (libroj de "Sezonoj" kontraŭ ekvivalento de unu minimuma ruslanda salajro) ricevos la plej bona foto teme ligita kun Esperanto.

Ĉiu premiito ricevos diplomon. La organizantoj rezervas al si la rajton ĝis la 31-a de decembro 2003 aperigi la ricevitajn fotojn en paperaj kaj elektronikaj eldonaĵoj kaj en ekspozicioj. Sukcesojn!

La eldonejo "Sezonoj" kaj la revuo "La Ondo de Esperanto", prizorgataj de Halina Gorecka kaj Aleksander Korĵenkov, forlasis Jekaterinburgon. Ilia nova adreso: p/k 1248, Kaliningrad, RU-236039; retadreso: <sezonoj@yandex.ru>.
Al la eldonejo "Sezonoj" UEA-Estraro asignis la subvencion "Cigno", sume 5 mil eŭroj, por elstara progresigo de E-movado en Orienta Eŭropo kaj por subteni starigon de nova E-centro en Kaliningrad.

## DENOVE PRI LA VORTAROJ

Sinjoro P.Fiŝo ial opinias (vidu REGo № 3 (5), 2001), ke oni malestimas la vortarojn de E.A.Bokarev pro iliaj nesufiĉaj enhavoj. Li celis unuavice la komencantojn, sed mi eksentis (eble erare) kaŝitan riproĉon al miaj pensoj pri ĉi vortaroj. Certe mi ne mokis ilin, sed mi volus klarigi al aliaj kelkajn detalojn.

Nuntempe la vortaroj de Bokarev estas solaj fontoj por komencantoj. Nur la posedantoj

de la lingvo (daŭrigantoj, progresantoj) povas riĉigi sian personan vortaron pere de PV aŭ PIV (se oni ilin havas),

Estas klare, ke ĉiu vortaro solvas multajn taskojn, parton de kiuj menciis estimata s-ro P.Fiŝo. Mi provu sumigi ĉi taskojn. Unue, ĝi normigas la uzon de koncernaj vortoj (radikoj), vortesprimoj. Due, ĝi helpas al lernantoj (komencantoj) ekposedi la lingvon kaj riĉigi sian vortprovizon. Trie (sed ne laste), ĝi respegulas aktualan staton de la lingvo. Se la unuajn du taskojn la Bokarev-vortaroj plenumas pli malpli efike, kio pri la tria?

La opinio de E.Groĵan-Mopen (E.Grosjean-Maupin) estis ĝusta por la komenca etapo de lingva evoluo de Esperanto. Sed pasis preskaŭ cent jaroj, kaj la situacio en interlingvistiko kaj leksikografio ŝanĝiĝis. Ĉu indas nun rezervi por ajna vortaro nur la rolon de la lingva suplemento al iu gvidlibro tra Rusio aŭ de lernolibra vortaro?

Alia rezono. Provu s-ro P.Fiŝo same kiel en la rusa lingvo priskribi sian loĝejon aŭ sian promenon tra urbo aŭ arbaro! Plej verŝajne ĉe li mankos vortoj de ĉiutaga vivo. (Certe eblas uzi priskribantajn vortojn, sed tio ne solvas la problemon.) Li legu sur la sekva paĝo la recenzon de moskvano Paŭlo Leto, kiu plendas pri manko de teknikaj, sciencaj radikoj en la ĉiutaga Esperanto. La respektivajn radikojn certe eblus trovi en la Esperanta-rusa vortaro, se … Se oni posedas ĉu specifajn rusajn vortarojn (ne temas nur pri libro), ĉu latinan aŭ malnovgrekan lingvon. Tiam oni ekkonos la vortradikojn de scienca, medicina aŭ teknika tavolo.

Ĉu por ni en elementa lernejo sufiĉis tralerni abocon (abocolibron) por ekposedi la rusan ĝis nuna stato? Tute ne. Sendube neniu rajtas malestimi sian abocolibron, sed ĉu ĝi sufiĉis por ni? Kaj nunaj komencantoj plejparte ne estas infanoj, sed plenkreskuloj. Apenaŭ ilin kontentigos la nuna enhavo de la vortaroj. Mi opinias, ke la diferenco inter enhavoj de ambaŭ vortaroj nek helpas al homoj ellerni la lingvon, nek allogas eksterulon al lernado de Esperanto.

Aldone eblas diri jenon: akceptante ideon de pontolingvo necesas noti, ke por alilanda esperantisto estos sufiĉe malfacile ekposedi rusan lingvon, uzante la modestan vorttrezoron de la rusa-Esperanta vortaro.

***Sergej Beznosko (Ĉeboksari)***

## LA DUA LEGINDA




Antaŭ nelonge "Impeto" ĝojigis min per la nova libro ".RU" de Grigorij Arosev. Se mi ne konus la aŭtoron, mi trovus, ĵetinte rigardon al la lasta paĝo, ke la simpatia knabo (vidu foton en la sama paĝo) versimile estas la unua Esperanto-poeto, eldoninta al sia ĵusa plenaĝiĝo (en Britio – aĝo de 21 jaroj) jam du (!) poemkolektojn. Mi eĉ ekenvius eble...

Sed mi tuj diru ke la aŭtoron mi konas ekde lia ne tro fora infanaĝo, tre ŝatas kaj eĉ supozas iom parencan animon spite al multaj diferencoj inter ni. Mi nur kun hororo kaj forta pento supozas, ke mi iel timigis la knabon en lia infanaĝo, ĉar en la poemo (kanto?) "Ŝtono Bruna", kune kun la ekstreme plaĉaj refrenoj "... Ĉiunokte Ŝtono Bruna bierumas sub la luno..." aperas tiom fortikaj plentimaj versoj:

Min klinis la sekreta ŝarĝ'
blovanta kontraŭ la vizaĝ',
ĝi premas min per sia pez'
tagmeze kaj dum noktomez'...

Pardonu, kara. Ne intence...

Krom tio mi diru plenserioze, ke mi opinias la libron multe pli forta ol la unua "Sonet'", aperinta antaŭ tri jaroj. La junulo kreskas, la poeto iras supren. Eble pro tio, ke la libron li dediĉis al la amata virino, do, strebis montri la plejbonon. Eble, kaj eĉ certe, ankaŭ pro tio, ke li pli serioze fosas la riĉan lingvogrundon de Esperanto kaj pli atentas personan poezian lingvaĵon. Tiuj du kaŭzoj, laŭ mi ebligis aperon de kelkaj poemoj kaj poempecoj firmaj, potencaj, kiel tiu nelonga, kiun mi nepre volus citi plene en mia recenzeto, sed citos nur parton, por instigi ĉiujn al lego de la cetero:

Viro de mia revo de mia viv'.
Strangas konsci' ĉi tiu – ĉu estas lud'?
Ĉu por la rev' ekzistas kial', motiv'?
Mi fluas peĉe, vakse en la apud'.
Ĉio leĝere glitas en nia kun',
Mi vin karesas ĝue sen ajna dev'.
Ĉio palpeble glatas en nia nun',
Viro de mia vivo de mia rev'.

Sendube ĝue frandos legontoj la poemojn "Daŭbo", "Rubando". Cetere, ĉiuj poemoj kaj eĉ rakontoj el la esperanto-parto de ". RU" estas legindaj. Ankaŭ por trovi kelkajn ridindajn aferojn, ekz. "bove melkas" en "Duonsonĝo", aŭ por ne rimarki ilin pro estimo al la aŭtoro.

И в русской части новой книги мне, старому ворчуну, некоторые строки показались примечательными. Значит прогресс имеет место быть.

Mi sincere deziras, ke ".RU" trovu sian legantaron, kaj Griŝa Arosev – inspiron kaj postulemon al la propra persono por ke sufiĉe baldaŭ aperu nova frandenda poemaro.

***Brunŝtono***

## MONDOJ

***34 Esperantaj rakontoj, rikolto 2001 – eld. Kleks, Pollando, 2001***




Loĝas en pola urbo Bielsko-Biała bona esperantisto Georgo Handzlik. Li verkas kaj plenumas kantojn en Esperanto, aperigis du kasedojn kaj kompaktdiskon. Tio jam sufiĉus por lasi videblan spuron en E-kulturo (ĉar laŭ mi la kantoj estas vere bonaj, ĝuste tion en nia lando oni nomas "aŭtora kanto"). Sed li faras por ĝi ankoraŭ ion, eble ne malpli gravan – li eldonas la librojn en Esperanto. En t.n. "nigra serio" de lia eldonejo KLEKS aperis jam "La Lada Tambureto" de Günter Grass (trad. T.Chmielik), "Marta" de Eliza Orzeszko (trad. L.Zamenhof) kaj ankoraŭ kelkaj libroj. Kaj jen – vica donaco por ĉiuj ŝatantoj de E-literaturo, kolekto de 34 originalaj rakontoj de 30 aŭtoroj. La rakontoj estis kolektitaj tre simple: la eldonejo disvastigis alvokon al E-verkistoj sendi siajn rakontojn por tiaspeca kolekto. Brila ideo! Poste restis nur selekti la plej indajn rakontojn el inter pli ol 50 alsenditaj.

La rezulto de tiu laboro estas vere impona malgraŭ ke inter aŭtoroj de la rakontoj mankas multaj el la plej eminentaj E-verkistoj (verŝajne la senditaj de ili rakontoj estis malpli bonaj ol la selektitaj! – ŝerco). Sed ĉu vi povas imagi – en nia literaturo estas minimume 30 aktive verkantaj aŭtoroj (kaj temas nur pri prozo, eĉ pli mallarĝe – pri rakontoj, ekzistas ja ankaŭ ne malpli multaj romanistoj kaj poetoj). Ĉiun rakonton antaŭas kurta sinprezento de la aŭtoro en formo de respondoj al diversaj respondoj plus la mapo, kie estas indikita "mia loko sur Tero" de la aŭtoro. Kelkaj

aŭtoroj metis ĉi tie la mapon de tuta Tero kun la klarigo “mondcivitano”, “neniulandano”… Pro tio sur la kovrilo estas skribita “30 esperantlingvaj verkistoj el 5 kontinentoj”, ĉar la kvanto de prezentitaj landoj ne kalkuleblas.

Kio koncernas la rakontojn mem, ili estas vere diversaj kaj plejparte interesaj. Verŝajne ĉiu leganto trovos ĉi tie rakontojn, impresajn por la animo, koro aŭ cerbo. Estis nur unu rakonto, kiu ŝajnis al mi vere nekomprenebla kaj ne taŭga por la kolekto. Kiel diris al mi poste Georgo Handzlik, ili speciale decidis meti unu tian rakonton en la libron por ke ĝi estu vere reprezenta kaj montru ankaŭ tiaspecan kreadon. Verŝajne troviĝos leganto(j), al kiu(j) plaĉos ĝuste tia nebula verko. Provu trovi ĝin mem.

Al rusiaj legantoj devas plaĉi tio, ke nian landon reprezentas en Mondoj kvar aŭtoroj: Grigorij Arosev, Arthur Arteev, Mikaelo Bronŝtejn kaj Valentin Melnikov. Ili, same kiel la aliaj aŭtoroj ricevas de la eldonejo ekzempleron de la libro, Diplomon kun la danko pro la kontribuo kaj specialan medalon kun la surskribo “Verda laŭro 2001 de la Eldonejo KLEKS”.

Menciindas ankaŭ, ke la eldonejo planas aperigi tiajn kolektojn ĉiujare. Sukcesojn al ili!

De nia flanko estas planate en sekvaj numeroj de REGo rakonti pri la eldonejo KLEKS kaj aliaj ĝiaj libroj.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

## JoMo FRIPONAS!

*La unua kodisko registrita en propra Vinilkosmo-Son-Studio!*




JoMon oni ne plu bezonas prezenti, li jam sufiĉe famas. Li multe koncertas en Esperantujo, ĉu kun la bando Liberecanoj, ĉu sola. Pro tio oni ofte petis ke JoMo registradu tiun personan etoson kiu kutime ĉeestas liajn solo-koncertojn, ekzemple en Kerkrade (IJK), Ostrava (IMUR), Ĉeboksari (Lingva Festivalo), Torino (IJF), Wetzlar (IS), diversaj EoLAj, KAFE kaj IJKoj.

Vi ja scias ke JoMo estas fripono. Lasite libera en la tutnova studio de Vinilkosmo, kaj kaŝite de la mondo, la kantisto ne povis kontraŭstari sian emon aldoni “kelkajn” pliajn akustikajn instrumentojn kaj voĉojn. Tial tiu ĉi soloalbumo ne nur fidele respegulas la scenejan etoson de la koncertoj de JoMo kiam li ludas Sooooola!, sed havas ankaŭ etajn plusojn.

Jen ege multstila kodisko de JoMo kun gajaj kaj dancigaj kantoj latinamerik-etosaj, kantriaj, slavecaj, kaj eĉ blusaj, kun tekstoj elvokantaj la espomovadon, pacon, amon, liberecon, apartan atentan zorgon al nia kara planedo, naturo, kaj la Homaro. En la kanto “En la IJK” kunkantis lokaj esperantistoj, kaj en la porinfana kanto “Suno sunu” kunkantis esperantistaj infanoj. En ĝi aperas ankaŭ liberecana kanto memore al Buenaventura Durruti, mortinta dum la hispana civilmilito, kaj elstara espotraduko de “La Bambo” fare de A.Zocato.

Rezulte tiu ĉi kodisko estas etosiga, danciga, indega por varmaj noktoj de espaj renkontiĝoj ĉie en la mondo. Unuafoje ĝi estis prezentita okaze de la koncerto de JoMo en la 57-a IJK en Strasburgo, kie ĝi furoris!

“JoMo Friponas!” disponeblas ĉe la kutimaj libroservoj aŭ rekte ĉe Vinilkosmo. Eblas mendi kaj aĉeti ankaŭ rekte enrete pere de la retpaĝejo <http://www.vinilkosmo.com>.

***(ret-info)***

## SOROS VERKIS EN ESPERANTO

La 4-an de junio en Soros-fondaĵo en Moskvo okazis prezento de ruslingva versio de la libro de Tivadar Soros “Maskerado ĉirkaŭ la morto: Nazimondo en Hungarujo” (Тивадар Сорос. Маскарад. Игра в прятки со смертью в нацистской Венгрии. М.: 2001, Издательство “Рудомино”). La prezenton partoprenis George Soros, filo de la aŭtoro. Tivadar Soros (Teodoro Schwartz) estas elstara esperantisto, la fondinto kaj la unua redaktoro de “Literatura Mondo”, kiun li eldonis kune kun siaj amikoj K.Kalocsay kaj Ju.Baghy. Du liaj membiografiaj verkoj: “Modernaj robinzonoj” (1924) kaj “Maskerado...” (1965) estas originale verkitaj en Esperanto. En 2000 ĉe usona eldonejo “Canongate Books” aperis anglalingva varianto de “Maskerado…”, kiun editoris kaj tradukis el Esperanto prof. Humphrey Tonkin (li prelegis pri Teodoro Schwartz dum la 84-a UK en Berlino en 1999). La rusa versio estas traduko el la angla. Ĝi enhavas antaŭparolojn de filoj de T.Soros – Paulo kaj Georgo, kaj ampleksan postparolon kaj notojn de H.Tonkin, kun vastaj mencioj pri Esperanto. ***“Impeto”***

## ORAJ KANTOJ

REU, REJM kaj Tiĥvina E-klubo entreprenas registradon kaj aperigon de muzikdiskoj kun la plej popularaj kantoj de sovetia kaj rusia E-movado. Registradon de la unua disko estas planata okazigi oktobre 2001 en Tiĥvin. La kantoj estos plenumataj de grupo de la plej popularaj E-kantistoj (simile al ruslingvaj diskoj “Pesni naŝego veka”).

Lige kun tio estis anoncita la konkurso por la plej bona titolo de la disko. Dum OkSEJT-41 en Kovrov kaj samtempe en la reto okazis voĉdonado pri la plej popularaj kantoj. Entute estas ricevitaj 42 plenigitaj voĉdoniloj.

Jen estas proponitaj variantoj por la titolo de la disko: Amata land’, Amataj kantoj, Anime kaj kore, Ĉiam viaj, Estas ni esperantistoj, Eterne junaj, Kaj denove sonas kanto, Kantoj de l’ verda koro, Kantoj de nia jarcento, Karesas koron, KoDo – Kantoj Dolĉaj, La kantoj de nia memoro, Ni renkontiĝos, Niaj eternaj kantoj, Ondoj de niaj kantoj, Ora disko, Oraj kantoj, Planedo Esperanto, Radianta disko, Ŝatataj kantoj, Tendaraj fajroj, Tendaraj kantoj, Tra pasinteco al estonteco, Tra tuta mond’, Verda, Verda horizonto, Verda Ondo 1, Vivu la stel’, Vivu la verda stel’.

Kaj jen estas la listo de la kantoj kun la kvanto de ricevitaj voĉoj: Ni renkontiĝos (40), Mia amatin’ (34), Zimbabve (32), La tempo somera (31), En tendar’ (28), Amata land’ (26), Ne, ne, ne... (24), Kanto de mulisto (23), Karesas koron (23), Komencantoj (23), Nokto ploras (23), Que sera, sera... (23), Vivu la stel’ (22), Drink-kanto (21), Jupi-Ja (21), Tendaraj fajroj (21), Ural’ (21), Estas bela vi knabin’ (20), Oriento (20), Tendara adiaŭa (20), Tra tuta mond’ (20), Aŭtuno (19), Din-Don (19), Dona-Dona (19), Ni vojaĝas (19), Guantanamera (17), Mariŝa (17), Sezonoj (17), Tumbalalajka (17), Valso en ritmo de pluvo (17), Vi kaj mi (17), Amataj, amitaj, amotaj… (16), Kukolo (16), La kri’ (16), Ĝis revido (15), La renkonto (15), Novaj kondiĉoj (15), Oĥ, rajdis, rajdis… (15), Revas mi (15), Ĉiu, ĉiu, ĉiu (14), Revelacio (14), Amu min (12), Malgranda miraklo (12), Turista kanto (12), Hoj, knabino, bruas haj... (11), Kanto pri SEJT (11), La pipo (11), Ciganeska (10), Estas mi esperantisto (10), Danco ĉe la fajro (8), Triptiko (8), El malproksima helo… (7), Marĝanĝa (7), Pasis jam (7), Tambura tango (7), Vivo-viveto (7), Revis mi pri forir’ (6), Somera mondo (6), Adiaŭ, la Esperantujo (5), Ĉokolado (4), Gaja bebo (4), Mi ne volas foriri (4), Klementin’ (3), Ĉe kafotablo (2).

Rezulte de la voĉdono estos elektitaj ĉ. 30 kantoj por la registrado. Kaj dudek-kelkaj la plej sukcese registritaj kantoj konsistigos la diskon.

# CERBE KAJ KORE



***redaktas Valentin Melnikov***

*Karaj legantoj! Dankon pro viaj leteroj kaj parolaj esprimoj de la amika subteno. Pro diversaj kialoj mi vere ne povis redakti la antaŭan numeron, sed nun jam ĉio bonordas. Do espereble ĉiuj novaj kajeroj denove ĝojigos vin. Mi strebos, ke via menuo estu altnivela, diversa kaj bongusta (kaj ke en ĝi laŭeble ne estu malbone kuiritaj, sengustaj kaj fiodoraj fiŝaj pladoj: eĉ se nia klubo ĉiam kunvenas ĵaŭde, tio ne estas sufiĉa kaŭzo por konsumi nur fiŝaĵojn)... Certe ni prefere ne rezonadu pri poezio, sed simple ĝuu ĝin – nu, vera poeto povas eĉ fari tiujn du aferojn samtempe. Kaj ne forgesu ankaŭ, ke "la mondo pluvivas, ĉar ĝi ridis"...*

*Via literatura redaktoro.*

## ORIGINALA POEZIO

## Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)

***

"Kial versas iu, pentras, kantas?" –
ofte voĉo mirigita sonas. –
"Kion tiu homo semas-plantas,
kion tiuj tempoperdoj donas?"

Kaj responde pretas li suspiri:
kion vere strebas li senlace?
Sed se li ne scias, kion diri,
ĝuste tial kreu li aŭdace!

Ridindigas oni lin aŭ flatas,
kaj eraras li aŭ estas prava –
se li sin por kreo ne kompatas,
tion, do, li kredas vere grava.

Vervigante la spiritan forton,
en la senkompata malkvieto
obeigas li l' obstinan vorton –
jam ne simple homo, sed poeto!

Kaj, serĉante sur la voj' poemon,
vivan sonon, vorton apostolan,
li konstruas ankaŭ sian memon,
sian propran mondon unusolan.

Pentras homoj, versas kaj komponas,
konfesante l' arto-religion.
Ĉu demandi, kion tio donas?
Kiu kreas, tiu scias, kion.

### LA VESPERAJ FENESTROJ

Vespere la domo apuda ridetas
per ĉiu fenestro-stel',
kaj pensojn amikajn sugestas aŭ petas
la densviola malhel'.

Fenestroj lumplenaj de iuj fremduloj
el tiu proksima dom'
simile al bondeziremaj okuloj
kuraĝon sendas al hom'.

Novaĵ' la malbona, alkrio la kruda,
la grinc' de ies rankor'...
Sed lumas fenestroj en dom' la apuda,
kaj la amar' fluas for.

Sonoras tra l' domo kaj kor' lumorkestroj
pri l' nova ĝoj' aŭ esper'.
Briladu pli multe da lumaj fenestroj
por hom' en tarda vesper'.

## NEKUTIMA RECENZO

*Kutime oni opinias recenzon suficê enua ĝenro. Seriozaj legantoj ricevas el ĝi utilajn informojn, sed tre malofte plezuron; la neseriozaj simple ne legas. Tamen ne ekzistas reguloj sen esceptoj, kaj vere talenta aŭtoro povas eĉ el recenzo fari lirikan poemon. Jen, bonvolu gustumi:*

## *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

### "LA HOBITO" DE J.R.R.TOLKIEN

La arbara senfino
kaj la monto silente minaca.
Super flam' kaj ruino
ŝvebas rev' de l' spirito aŭdaca.

Laŭ la vojoj sovaĝaj
flugas vok' de la praa mistero.

Tra l' sukcesoj miraĝaj
kaj danĝeroj briletas l' espero.

La hobit', elfoj, gnomoj
esti nanoj fabelaj ne ŝajnas.
Tutsimile al homoj
Ili riskas, eraras kaj gajnas.

Kiel eblas tragliti
subterejon de l' reĝo rankora?
Kiu povas eviti
brulan faŭkon de l' grako horora?

Timas iron kaj staron
la hobit' – kion taŭgan li havas?
Kial do l' kunularon
li multfoje defendas kaj savas?

La ferocaj obstakloj
sen bonŝancoj ne estus venkitaj,
kaj alvenas mirakloj
ĉiam save kaj rave subitaj.

L' aventuro tempesta
brilas kvazaŭ l' antikva juvelo.
La pratempo majesta
vivas plu en la nuna fabelo.

*Legante tion ĉi, mi subite eksentis strangan vizion: kvazaŭ nia ŝatata Maŝeto Koĉetkova kantas tion laŭ bela melodio, en sia kutima maniero. Ĉu la vizio povos iam realiĝi? Maŝeto, reeĥu – kion vi dirus? (V.M.)*

## HENANTA PEGAZO

*En REGo № 3(5) vi legis la rubajojn de persika poeto Palinur Duraki'. Literaturologoj antaŭnelonge malkovris, ke ankaŭ lia plijuna frato estis poeto kaj verkis en la sama tradicia ĝenro. Do nun ni prezentas al vi kelkajn ĵus trovitajn pecojn:*

### RUBAJOJ plu

***Al Nik-'-Ullah Gudeki'***

Anarkio ja estas patrino de l' ord',
Do evitas mi serĉon de ajna konkord'.
Kion ajn oni faru, pro ajna kaprico!
Se oponos vi – tuj mi replikos per mord'!

***Al belega Mirinda ****

Ĉarmulino, zorganta pri bela deklam',
Faras rondojn – pri tio jam multas la fam'.
Pasas dua, kaj tria, kaj kvara juneco –
Ne rimarkas ŝi tion, en streboj al am'.

***Al Par Ulem Fi Ŝi *****

Tra la mondo famiĝis mi per parolem'.
Mi parolas pri ĉio, ne gravas la tem'.
Ĉu nenion komprenas mi? Nu, bagatelo!
Mi ja celas, ke oni ekkonu min mem!

***Al Oĉouddin ibn Dada'***

Ĉiuj scias: min dotis talento kaj bel'.
Enmovade mi estas gravulo kaj stel'.
Eĉ se ĉio, de mi preparata, fiaskas –
Tutegale admiras mi min sen ŝancel'.

***Al ĉina ambasadoro Mi Nin,***
***okaze de lia enpostenigo***

Vian grandan foran landon reprezentas vi ĉe ni.
Do ni vidas: jen malico, monavido, kalumni'.
Eble tio bezonatas por sukcesa kariero...
Ho, ĉu vere same fias ĉiuj homoj en Ĉini'?!

***Al la decido okazigi en Teherano***
***tutmondan feston***

Okazigi decidis saĝul-kompani'
Grandan feston – por gloro de nia Uni'.
Ni apenaŭ ĝisvivos – kaj eĉ se ĝisvivos,
Tutegale neniu atentos pri ni.

***S'Ali Kok Duraki',***
***persika poeto***

----------------

* *Ŝia beleco estas vere fama. Onidire, eĉ freŝiga oranĝa trinkaĵo estas nomita je ŝia honoro...*

** *"Ulem" en la araba lingvo signifas "saĝulo", tiel oni tradicie nomas klarigistojn de la Korano. "Para" en la greka signifas "simile", "apude" aŭ "proksimume".*

# NIA HOMO – DE FORE

## Daniel Kolker (Israelo)

### ĈU MANKAS LA DEZIR'?

*Aŭtuno venis. Jam la sesdek tria...*
*...... mankas la dezir'.*
***V.Samodaj***

Jen venis naskiĝtago 66-a,
L' ciferkombino vere interesa.
Se iam mi ĝisvivos 69-on,
Ĉu memorigos tio plian ravon?..

### MADRIGALO AL ALLA FRIDMAN

Se mi estus almenaŭ duoble pli juna,
ol mi nuna –
tuj mi kurus vin peti de viaj gepatroj,
kaj rezulte de tio, min surkovrus cikatroj.

# ETERNA KLASIKO

## A.S.Puŝkin

### AL LA FONTANO DE BAĤĈISARAJA PALACO

Fontan' de Am', de am-kares'!
Jen al vi du belrozoj miaj.
Al mi de vi – parol' sen ĉes'
kaj viaj larmoj poeziaj.

L' arĝenta polvo en aer'
aspergas min je ros' malvarma.
Ho lirlu, lirlu fonto ĉarma –
al mi rakontu pri l' mister'!

Scivole esplorante l' sorton,
tralegis mi sur la marmor'
laŭdadon al Poluj' en for',
sed pri Maria – eĉ ne vorton.

Lumilo pala, la harema!
Ĉu tio estis en real',
aŭ vi, Maria, kaj Zarema
nur estis mita ideal'?

Ĉu sole el nebul' magia
aperis via belgeni',
kaj vin, senpekan, ho Maria,
poetoj kreis el neni'?

***

De l' majzefir'
alflugis spir',
kaj plu
en blu' –
Gvadalkvivir'.

Supreniris disko luna.
Aŭdu... ĉu... gitara son'...
Hispanino, tiom juna,
sin apogis al balkon'.

De l' majzefir'
alflugis spir',
kaj plu
en blu' –
Gvadalkvivir'.

For mantilon! La impeton
kontentigu per la ced':
tra la gisan parapeton
traŝoviĝu l' piedet'!

De l' majzefir'
alflugis spir',
kaj plu
en blu' –
Gvadalkvivir'.

## NOKTO

Alvoko mia, kaj karesa, kaj tenera
forflugas al vi tra la sonĝo efemera.
Ĉe mia solkuŝej', ĉe mia solkusen'
malgaje flamas la kandelo.
Kaj fluas la poem', ekfloras la poem' –

ĝi plenas nur je via belo.
En la obskuro al mi lumas la okuloj
kaj kvazaŭ sonas via voĉo kun kares':
"Karul', vi amu min – sen ĉes', sen ĉes'!

***Elrusigis Daniel Kolker (Israelo)***

# HI-HI KAJ HM...

## 13 ŜERCETOJ

– La plej taŭga momento venas en la plej maltaŭga tempo.
– Ĉiam diru al virino, ke ŝi estas ne sama, kiel la aliaj, se vi volas ricevi de ŝi la samon, kion de la aliaj.
– Ĉio iras glate – tamen preter...
– Seksumado estas afero de gusto – por unu ĝi estas malbona, por duopo – bona.
– Konsilo: por pli facile ellitiĝi matene, metu muskaptilon sur vian vekilon.
– Ideo venis en lian kapon kaj nun pene serĉas la cerbon.
– La edzo estis tute juna – la kornetoj nur iom komencis kreski.
– Drinkado sen solena parto perdas edukan gravecon.
– Edziĝinte mem – haltigu la amikon!
– Amo eternas, nur la partneroj ŝanĝiĝas.
– Ne rapidu al infero – sen vi oni ne komencos.
– Se la kapo doloras – ĝi ekzistas.
– Estas tiom bedaŭrinde, ke vi finfine foriras.

***Amike via, Oĉjo Dadaev (Moskvo)***



*renkontiĝo kun REGo-legantoj dum OkSEJT*

**LA 18-AN DE JULIO JE LA 11-A MATENE EN ĈEBOKSARI GEEDZIĜIS ALEKSANDR BLINOV KAJ JULIJA PAVLUNINA (JAM BLINOVA). GRATULOJN AL ILI! EN LA MONDO FARIĜIS JE UNU E-FAMILIO PLI MULTE!**



## Miaj pensoj, miaj saltĉevaloj, aŭ Kaĉo elpensa

Ĉiam estas interese legi ies pensojn, des pli se tiuj apartenas al movadano aktuala. Tial mi kun arda hasto konatiĝis kun la rakontoj de nunaj REJM-anoj (en REGo № 3 (5), 2001). Multo min impresis, tamen… Tamen la lasta parto de la artikolo de Slavik Ivanov min malkvietigis. Laŭ mia modesta kompreno tute ne decas elpensi ion ajn nur por aspekti pli moderna ol antaŭuloj.

Kontraŭstarigo “esperantistoj – E-lingvanoj” estas, laŭ mi, artefarita elpensaĵo. (Ĝenerale estas mirinde, ke REJM-estrarano, kiu respondecas ankaŭ pri informado, ne estas informita pri la difino de la nocio “esperantisto” el Bulonja Deklaracio, la 5-a paragrafo.) Ĉu ne ĉiu Esperanto-parolanto estas esperantisto? Ĉu ofta transiro de “E-lingvano” al “esperantisto” kaj reen ne pruvas formalecon de tiu klasifiko? Min mirigis ankaŭ la mencio pri “artefarita popolo”. Kredu min, gesinjoroj, mi ne estas parenco de artefarita ŝafino Dolli! (Ankaŭ interretanoj ja estas “artefarita sekte aspektanta popolo” kun sia “etnografio”. En tiu medio ekzistas ankaŭ specifaĵoj: amuzaj signoj, vortesprimoj, ŝercoj ktp.)

Ĉiu lingvo estas socia fenomeno. Esperanto krome estas internacia fenomeno. Antaŭ eklernado de iu lingvo indus respondi la demandon: por kio? Evidente por komunikiĝi. Logike aperas sekva demando: kion mi (li, ŝi ktp) volas diri en la angla, franca, … Esperanto? Diri ion nur por eligi fremdajn vortojn estas stulte. Sciigi pri sia interna, spirita, kultura enhavo aŭ ekscii pensomondon de alia homo – tio estas ĉefa kaj grava celo de komunikado en iu ajn lingvo. En Esperanto fari tion estas ĝenerale pli facile. Se rezigni sian nacian kulturan heredaĵon, ĉu oni interesos aliulon? Ĉu por vi estos interese paroli nur pri “vendo-aĉeto”? Ĝuste por eviti aspekton de “kvazaŭ etno” indas alporti siajn naciajn “lingvoaldonaĵojn”: versaĵojn, kantojn ks. Supo sen salo estas apenaŭ manĝebla. Krome, bona, bela E-lingvaĵo subkomprenas almenaŭ konatiĝon kun E-literaturo, E-kulturo, kiuj (jen miro!) estas aŭ originalaj aŭ tradukitaj naciaj kulturaĵoj. Ĉu instruisto Slavik Ivanov preferas instrui piĝin-Esperanton?

Li pravas, Esperanton eblas ellerni per ajna maniero: memstare, per Interreto, en klubo, kurso ks. Certe, per Interreto oni faras tion pli rapide, kvankam distanca studado, laŭ mi, estas iusence unuflanka kaj postulas postan konversacian praktikon. Iu modernulo diros, ke nun eblas Interret-komunikiĝo. Tamen psikologoj diras, ke tiu rimedo havas ankaŭ malbonajn sekvaĵojn. (Mi ne subtenu la opinion, ke ĉi komunikiĝo pli bonas por homoj, por kiuj senpera konversacio pro diversaj (plejparte psikaj) obstakloj estas malfacila.) Kaj mi kredas, ke nenio anstataŭos simplan homan komunikiĝon.

***Sergej Beznosko (Ĉeboksari)***

## 11.09.2001

Iu neeblaĵo nin obsedas.
Vi enspiras – la aer' malmolas.
Preĝu pri l' mortintoj, se vi kredas,
preĝu – eĉ se kredi vi ne volas.

Skuas vian menson boraj tintoj.
Sciu – tion homoj mem procedis.
Klinu vin kaj preĝu pri l' mortintoj,
eĉ se vi neniam Dion kredis.

Vi ne pensu kiu kiun venĝu.
Sekvu per rigard' betulfolion.
Preĝu pri l' mortintoj, simple preĝu.
Ja vi kredas. Nu, almenaŭ ion.

***Grigorij Arosev (Moskvo)***


*REGo* (Rusia Esperanto-Gazeto) ***№ 4 (6) septembro 2001***

***komuna eldono de REU kaj REJM***

*redaktas* Garik Kokolija *retpoŝto* <gazeto@mail.ru>

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 - 105, 123310 Moskvo, Rusio

*por tiu ĉi numero kunlaboris:* Viktor Aroloviĉ, Grigorij Arosev, Oleg Kuznecov

*la gazeto estas presita en la tipografio* "Policvet" (u.Klin)

**abontarifoj por 2001:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 60 rubloj sendendaj al*
Георгий Владимирович Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 123310 Москва
*por loĝantoj de aliaj landoj – 10 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*